XXIII^a jaro. N° 326-327 (10-11) ☆ Monata ☆ Oktobro-Novembro 1927

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

FONDINTO: HECTOR HODLER GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT
ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE
*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15^a de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*

JARA ABONO

| | |
|---|---|
| Simpla abono | 10.— Fr. Sv. |
| Kun la membreco de UEA | 12.50 Fr. Sv. |
| Unu numero | 1.— Fr. Sv. |

*Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en Januaro*

☆

REKLAMO

| | |
|---|---|
| Anonco (unu centimetra kolonero) | 2.50 Fr. Sv. |
| Anonceto (1 linio: 10 vortoj) | 0.75 Fr. Sv. |
| Korespondado (1 enskribo) | 1.— Fr. Sv. |

ENHAVO



## Ĉu ni volas labori?

Esperanto estas multe pli disvastigata kaj uzata ol ni scias. Ĉe datrevena vespermanĝo de ekskolegoj el sama gimnazio mi trovis kvar esperantistojn. Du apartenas al neniu organizaĵo, sed nur aĉetas libron iam aŭ aliam. Ĉe alveno en Helsinki antaŭ kelkaj semajnoj min demandis esperante la doganisto: „ĉu vi havas ion por deklari?“ En sama urbo okazis en Julio internacia sporta kongreso, kie Esperanto estis oficiala lingvo; eĉ ministro salutis la kongreson esperante. En Svedujo la popolkleriga asocio raportas pri 39 studrondoj de germana lingvo kaj 65 de Esperanto. Pri tiuj faktoj ni sciis nenion. Ili okazis ekster oficiala statistiko. En tuta mondo estas same.

Imagu tamen kian plian fortecon ni havus, se ni povus ilin kolekti kaj citi en granda amaso? Eĉ pri niaj organizaĵoj ni scias malmulte. I. C. K. elspezis monon (la vian) por entrepreni almenaŭ statistikon de la esperantistoj. D-ro Dietterle akurate kaj sindone laboris dum tuta jaro. Li alvokis kaj alvokis.

El 4248 lokoj respondis 1332 grupoj kaj 83 federacioj. Bela cifero, sed apenaŭ duono de la ekzistantaj societoj, kiel fari por ke la ceteraj bonvolu respondi? Ĉu la mono elspezita estu definitive perdita? Ĉu vi ne sentas kiom urĝe ni ĉiuj bezonas havi la veran plenan rezultaton? Rimarkinde ke ĝuste tiuj, kiuj plej akre plendis, ke oni malfruas eldoni la ciferojn estas ofte samaj, kiuj ne respondis mem la demandaron!

Necesas publike diri ĉi tie, ke societo, kiu ne respondas pri la statistiko, faras krimon kontraŭ la tuta movado, tute simile kvazaŭ ĝi detruus parton de la esperantistaro aŭ favorus mensogon kontraŭ nia afero. Tiu ĉi peto ne venas ĉiujare, ĝin rifuzi aŭ neglekti estas malbona ago, ne inda je la nobla idealo kaj sindono de nia Majsto.

Ni represas lastfoje la demandaron de D-ro Dietterle sur paĝo 15 kaj alvokas al ĉiu esperantisto, ke li iru al proksima kunsido de la loka grupo kaj demandu la estraron, kion ĝi faris pri la statistiko. Koran dankon al ĉiuj, kiuj afable kaj energie helpos!

Venas nun nova laborvintro. Ĉu vi ne volas dediĉi iom pli da tempo por vigligi la vivon de via grupo? Esperanto gajnas ĉie novajn sukcesojn. Multaj homoj, kiuj forlasis ĝin post lerno tro frua, nun povus ĝin utiligi pli vaste. Nia literaturo kreskis, aukaŭ la servoj de UEA. Legu la artikolon de ĝia direktoro Hans Jakob sur paĝo 23.

Organizu en ĉiu grupo perfektigan kurson. Dissendu invitilojn al ĉiuj sekvintoj de elementaj kursoj okazintaj dum lastaj jaroj. Revarmigu ilian scion. Montru al ili novajn verkojn, la jarlibron de UEA, la gazeton. Varbu aliĝantojn, klarigu ne nur pri stilo kaj gramatiko, sed pri progresoj de Esperanto, en Radio, en kongresoj, en fervojo, en poŝto, en telegrafio, en scienco, en turismo. Ni publikigos de nun regulajn dokumentarojn pri tio.

Elektu ne nur komitatanojn, sed respondecajn homojn kun preciza tasko. Ne forgesu akiri la regulan kunlaboron de bonhumoraj samideaninoj, pretaj kuraĝigi ĉiujn per ĉarmo kaj ĝentileco. Alparolu izolulojn forlasitajn en angulo. Unuvorte kreu veran vivantan centron, kie radiu ĝojiga atmosfero.

Ni ne ricevos nian sukceson el ekstero kvazaŭ rostitan birdon falontan en la buŝon. Ne. Ni faros ĝin nur mem. Pri la daŭro ni mem decidos per nia laboro, ĉu dudek, ĉu tridek, ĉu kvindek jaroj, ĉu cent. Ĉu ni volas labori por vigle paŝi dum la nuna vintro? Se jes, ni komencu tuj.

*Edmond Privat*



# SOCIA VIVO



## Kion faras Ligo de Nacioj?

*(La Redakcio ne respondecas pri la personaj impresoj kaj opinioj de la aŭtoro, kiu de nun regule kaj libere esprimos ilin pri la okazintaĵoj de l' internacia vivo tutmonda.)*

„For la neŭtralismon!" Tiel vokis antaŭ kelkaj jaroj la gvidanto de la plej granda laborista esperanta gazeto. Ne ĉiuj povas tiel facile forĵeti la neŭtralecon rekomenditan de D-ro Zamenhof en Boulogne-sur-Mer, ĉar flanke de la utilegaj fakaj movadoj, necesas konservi tute neŭtralajn organizaĵojn por trakti kun ĉiuspecaj publikaj institucioj pri la enkonduko de Esperanto.

Tute libere laboristoj aŭ katolikoj forlasas neŭtralecon por agadi sur siaj propraj kampoj, sed devige konservas ĝin tiuj, kiuj klopodas por Esperanto en lernejoj, en telegrafiaj aŭ fervojaj administracioj, eĉ se ili estas mem laboristoj aŭ katolikoj.

Pro tio mi neniel proponas tuŝi la neŭtralecon de UEA eĉ akceptante la peton de la gazeto „Esperanto" esprimi ĉi tie miajn impresojn pri la tutmonda vivo internacia. Se miaj objektivaj rimarkoj — aŭ subjektivaj — ofendos iun ajn, li bonvolu kondamni, ne UEA, sed nur min persone al kapdetranĉo. Tiu ĉi rubriko estu nepre neoficiala, eĉ maloficiala, nura babilaĵo de orienta filozofulo kaj pacamanto, ŝatanta rigardi aferojn senpartie kaj senpasie.

La *Ligo de Nacioj* havis en Genevo sian okan ĝeneralan kunvenon. Kvindeko da registaroj estis reprezentitaj, sufiĉe multaj per sia eksterlanda ministro. Tiun ĉi fojon regis iom alia atmosfero ol kutime. Kvazaŭ eksonis ordonvorto: „For la hipokritan ĝentilecon!" La malgrandaj landoj kuraĝis tre malkaŝe plendi kontraŭ la grandaj potencoj kaj paroli eĉ severe al ili.

Jen novaĵo. Norvega delegito iom krude kaj nederlanda pli delikate diris al la grandpotencoj, ke la ceteraj ŝtatoj perdis paciencon kaj ne volas plu sidi en Genève jaron post jaro vane atendante, ke iliaj Moŝtoj bonvolu serioze entrepreni la taskon enskribitan en la statuto de la Ligo. La fortuloj kun vastaj armeo kaj ŝiparo eble opinias, ke ili tiel estas ŝirmataj kontraŭ militdanĝeroj. La malfortuloj suferas ĝuste inter tiuj najbaraj armilejoj. Ili bezonas kaj deziras internacian sistemon kiu garantiu al ili pacon kaj trankvilecon. Se la Ligo ne donos tion, do kial partopreni?

La grandŝtatoj senkulpiĝis. Estis sufiĉe rimarkinda vidaĵo. Jen la famaj ŝtatistoj de l' plej potencaj nacioj devis veni al podiumo kaj doni klarigojn pri sia konduto, ne al propra hejma parlamento, sed al ekstera reprezentantaro, kie sidis eĉ delegitoj de regnetoj kiel Luksemburgo aŭ Dominikana Respubliko!

„Ni ja ŝatus senarmiĝi kaj fidi nur al internacia justeco", diris granda imperiano, „sed ni ne estas solaj, ni estas jam ligo de nacioj en nia imperio mem kaj ni rajtas nenion decidi sen la konsento de niaj samimperianoj." Glacia silento respondis.

Jen delegito de Kanado petas parolon: „Ni mem ne havas armeon, preskaŭ ne doganojn. Ni tute ne volas bari la vojon al tutmonda kontenteco." Granda aplaŭdado. Ioma miro kaj embaraso.

Plej elokventa kaj fama ŝtatisto ekparolas: „Nia granda popolo ĉiam batalis por idealo. Ni volus senarmiĝi, ni volus ĉion ordigi nur per tribunalo, sed ni multe suferis, ni ne rajtas riski; nia nacio postulas singardon."

Sed ĵus intervenis la eksterlanda ministro de la plej granda venkita imperio, nun ekrespubliko: „Kiun vi do timas? Vi senarmigis nin. Hodiaŭ ni subskribas, kiel vi, la devigan arbitracion de ĉiuj konfliktoj. Ni solene deklaras, ke ni ne volas plu uzi militon eĉ por rebonigi maljustaĵojn."

La elokventulo respondas singarde: „Sed eble venos iam post vi aliaj homoj kun aliaj ideoj, malpli pacaj. Ni dankas, ni ĝojas pri la promeso, sed ni bezonas garantion." Do kian? Francujo kaj Germanujo nun ambaŭ subskribis la devigan arbitracion. Mankas grava subskribo: la brita. Ĉu oni vere senarmiĝus se ĝi venus?

Polujo proponis solenan kondamnon de ĉia milito. Oni donis la tekston al plej kompetentaj juristoj de grandpotencoj. Kiam ĝi revenis el komisionoj kaj subkomisionoj, al la vorto „milito" estis aldonita la vorto „ataka". Ni jam de longe scias, ke ĉiuj militoj, vidataj de interne, estas ĉiam nur defendaj. Tion ĵus konfirmis famaj generaloj kaj ŝtatestroj sur ambaŭ flankoj de la sama landlimo.

Do la aplaŭda akcepto de la „korektita" pola rezolucio ne plenumas la intencitan celon. Ne sufiĉas solene kondamni ĉiun atakmiliton. Necesas malebligi la militojn entute per leĝa sistemo kaj forigo de militiloj. Plej elokventaj deklaroj sur placo, inter domoj plenaj je dinamito, ne sufiĉas por certigi la trankvilecon de la loĝantoj.

Paco postulas senarmigon de aliaj landoj en sama grado kiel okazis al Germanujo. Se ili rifuzas pro ankoraŭ troa timo, necesas trovi rimedon por doni al ili tiun sekurecon. Tio ankaŭ estas ebla per komuna garantio. Tion celis la fama „Protokolo" ellaborita en 1924. Nederlando petis, ke oni revenu al ĝi. Anglujo rifuzis.

La ĵusa kunveno de la Ligo decidis do, ke la komisiono pri senarmigo elektu komitaton de juristoj por trovi ion alian, kion Anglujo povu akcepti. Tre bone, sed oni atentu ne mortigi definitive la fidon kaj esperon de la popoloj per tro da vojaĝoj de komisionoj al komitatoj kaj de subkomitatoj al subkomisionoj.

Nu, kompreneble, ni estu justaj. La popoloj mem ankaŭ estas kulpaj. Ili memoru, ke la Ligo de Nacioj nur respegulas iliajn proprajn registarojn. Se ili deziras, ke la bildo ŝanĝiĝu, ili devas mem laboradi por tio, ĉiu en sia propra lando. Kiam ili sukcesos sendigi al Genève delegitojn kun aliaj instrukcioj, tiam la Ligo mem fariĝos ankaŭ tute alia.

*Liang-ĉu-vaj*

 EL NATURO KAJ SCIENCOJ 

# Vivo en Kongolando

Ibenja estas nomo de vilaĝo. Ĝi staras en la koro de l' afrika arbarego, je mil kvin cent mejloj de l' marbordo. La loĝantaro estas eta, ĉar al la indiĝenaj komunumoj de tiu ĉi sovaĝa regiono mankas la elementoj de unuiĝo. Studi la agadon de unu tago en tiu ĉi vilaĝo permesos ekvidi la kutimajn kondiĉojn de indiĝena vivo.

Estas frua mateno — mallume, malseke, malvarme. Blanka nebulo pezas super la tero, kovrante la kabanojn kaj ĉiujn malaltajn kreskaĵojn en fantoma mistero. La malsanema pika odoro de vegetaĵo putranta ŝarĝas la aeron. Estas sonoj, ofte malĝojaj: taŭga muziko de sovaĝa arbaro. La senĉesa kantado de moskitoj frenezigas la orelon. La raŭka grakado de ranoj, kaj la strangaj diversspecaj krioj de besta vivo sonas nenaturaj kaj malakordaj en la malhelo.

En la longa linio de herbaj kabanoj, kie dormas la indiĝenoj, okazaj sonoj de profunda spirado aŭdiĝas; tie ino kun ploranta bubo en la brakoj kaŭras super malaperanta ardaĵo de fajro.

La unuan radion de tagiĝo plende proklamas vekrio de numidoj, dum ili batas la flugilojn, kaj flugas de siaj ripozejoj por serĉi nutraĵon.

Viroj kaj virinoj rampas el siaj kabanetoj, oscedantaj kaj sin streĉantaj post la profunda noktodormo. La matena nebulo baldaŭ nevidiĝas, la vilaĝo iom post iom vekiĝas. Infanoj, facilkoraj kaj gajaj, eksaltetas ĉiudirekten; iuj per mimikaj arkoj kaj sagoj pafas la senhejmajn hundojn.

Kiam la suno estas bone super la horizonto, leviĝante en sennuba ĉielo kaj disverŝante gajan varmon sur la tero, la tuta naturo portas ĝojan aspekton. Multe da pepantaj birdetoj, kies plumaĵo rebrilas en la sunlumo, subite vidiĝas el la malluma arbaro, kaj flugetas ĉirkaŭ la arbetoj en la vilaĝa spaco. Grandaj delikatflugilaj papilioj tute luksegaj kaj brilaj per klaraj koloroj gracie alten flugas super la rubamasoj. La vilaĝa sceno frape kontrastas al ĉi tiu fea ĉirkaŭaĵo: la herbaj, konusformaj kabanoj ankoraŭ estas eltrempitaj pro la peza roso, la mallarĝaj vojoj estas kovritaj de mortaj folioj kaj rubo. La indiĝena hejmo bone akordas kun la senzorga nebridita karaktero de l' loĝantoj.

La matenmanĝo, kiu konsistas el kelkaj spikoj de maizo kaj duon-fumita fiŝo baldaŭ finiĝas. Poste sekvas disiro de preskaŭ ĉiuj virinoj; ili malaperas en la arbarajn plantejojn por serĉi nutraĵon. La viroj iom post iom kuniras antaŭ la kabano de l' estro por aŭdi la publikajn diskutojn de l' tago.

Ĉi tiuj „palaver" kuniroj estas ŝatataj de ĉiuj centrafrikanoj. Ili tre ĝuas parolarton, kiun oni ja povas nomi unu el iliaj ĉefaj artoj. Ili flue parolas, kaj ili uzas multe da metaforaj kaj trokoloraj esprimoj. Ili posedas naturan povon de kruda elokventeco, kiu plibeliĝas per la mallaŭtaj moduladoj kaj harmonia belsono de ilia lingvo. Ili bone rezonas kaj montras grandan lertecon de diskutado.

La procedo hodiaŭ antaŭ la juĝejo tuŝas la morton de juna sklavino. Ŝi antaŭnelonge estis ekkaptata per krokodilo, dum ŝi banis en la rivero. Ĉirkaŭ du cent viroj kaj knaboj duonnudaj eksidas en rondo antaŭ la estro, minacema grandulo, ornamita de pezaj maleolumoj kaj brakumoj el fero, sidante kun kruroj trapasitaj sur leopardfelo.

La iama posedanto de l'mortinta sklavo antaŭen paŝas. Frapante la lanc-klingon malsupren en la teron antaŭ si, li montras en la dekstra mano pecetaron de distranĉita bambuo. Flue parolante kaj kun simplaj gestoj, li markas ĉiun punkton de lia parolado elektinte unu el liaj bastonoj, kaj ĝin metinte sur la tero antaŭ li. Malmultvorte, lia parolado unue tuŝas lian fruan vivon; tiam, en unutona voĉo, kaj kun senzorga indiferenco al aplikebleco, li nombras ĉiun plej memorindan kaj favoran okazon de lia vivo, ĝis la tempo kiam li aĉetis la mortintan sklavinon. Li poste rakontas la historion de l' malfeliĉa morto de l' sklavino.

„Morto ne estas natura okazo", li diras, en la kolora idiomaĵo de lia lingvo. „Iu malbonkorulo komunikis kun la krokodilo, kiu min senigis je mia sklavino. Malbona spirito, rezulto de envio aŭ malico, eniris ies animon en ĉi tiu vilaĝo, kaj kuniĝis kun la krokodilo. Eĉ povas esti, ke iu venĝoplena viro aŭ virino transiĝis en formon de krokodilo, por min difekti. Malbona spirito faris ĉi tion, kaj mi vokas nian Nganga, saĝa kaj lerta sorĉisto nia, serĉi ĝin."

Lia parolado estas finita, kaj sur la tero ĉe la piedoj kuŝas la vico de bastonetoj kiuj utilis kiel notoj.

Tuj kiam la unua parolado finiĝas, alia parolisto komencas, per malsama argumento, sugestante, ke la sklavineto ofendis la Malbonan Spiriton, kaj ke la kolera Ndoki sendis la krokodilon por puni ŝin.

Aliaj, kun eĉ pli strange superstiĉaj opinioj, rapidas gajni la atenton de l' ĉeestantoj; la diskutado plivarmiĝas, kaj voĉoj subite leviĝas kolere. Minaca malpaciĝo tamen estas deturnata per la apero de kelke da inoj. Ili portas fajencajn akvujegojn de fermentigita suker-suko. La tumulto ĉesas; la indiĝenoj, forgesemaj je iliaj malkonsentoj, antaŭen amasiĝas, kaj trinkas la alkoholan fluidaĵon. Iliaj voĉoj havas pli amikan tonon. La suno nun estas ĉe la zenito, la varmego intensa.

Subite ĉiuj okuloj sin turnas al arbara vojo. Tinto de feraj sonoriloj, stampado de piedoj, kaj el polv-

nebulo saltas la groteska figuro de l' Fetiĉisto. Linkofeloj pendas de lia talio, la palpebroj blankigitaj per kalko, la korpo ŝmirita per sango de freŝe mortigita kortbirdo. Lia pluma kapornamo flirtas dum li dancas. Liaj talismanoj kaj metal-ornamaĵoj tintegas dum li saltegas kaj saltetas tien kaj reen, iom kiel arlekeno.

Furioze li dancas, la piedojn stampante, la korpon tordiĝantan, kvazaŭ lia talio estus ĉarniro. La ĉeestantaro, ĉirkaŭ li en rondo kaŭranta, dume kantas funebran kanton, kaj kune batas la manojn. Fine, kovrita de ŝvito kaj polvo, la fetiĉisto per movo de l' mano ordonas silenton. Kun altaj, saltetantaj paŝoj, kaj ŝultroj balancantaj, malrapide ĉirkaŭ la ĉeestantoj li pasas, akre rigardante en multajn vizaĝojn. En fals-alta voĉo, ankoraŭ la korpon balancanta, li diras, ke li venis serĉi malbonan spiriton, ke li serĉas tiun, kiu estas kulpa preni formon de krokodilo por mortigi virinon.

„Estas virino", li diras kun diabla ridaĉo, ŝanĝanta la tonon de l' voĉo de akrasona fals-alto al profunda baso. „Virino, maljunulino, envia je la favoro montrita de ŝia mastro al la mortinto". Sin klinante, li teren metas la orelon, kaj kondukas ŝajnan interparolon. Li ŝajnigas konsulti enteran spiriton. Tiam li leviĝas, kaj marŝas kun mezuritaj paŝoj al unu forlasita mizerulino. Ŝin elmontrante, aĉan grimacon li faras, kaj de tombeja voĉtono ŝin kondamnas kiel la kulpulon. La mizerulino ekkrias, saltas sur la piedojn, sin turnas forkuri. Tro malfrue. Lanco tuj rebrilas en la aero, ŝin frapas en la dorso, kaj kun ĝemo de doloro ŝi peze teren falas. Dum la sekvanta bruego ŝia korpo estas fortrenata al la rivero inter surdigaj krioj. Ili tiam ĝojas, tiuj simpluloj, ĉar malbona spirito estas pacigita.

La fruo iom post iom ĉesas, la vilaĝaj vojoj dezertiĝas. Nun tagmeza tempo de mallaboremo, kaj la indiĝenoj dormas. Ĉio iĝas silenta, trankvila. Eĉ birdoj kaj insektoj serĉas ŝirmitan lokon. La suno disverŝas furiozan varmon kun brilega lumo, la pajltegmentoj de l' kabanoj rebrilas kvankam de neĝo kovritaj. Kiam la ombroj plilongiĝas, ankoraŭ vivo vekiĝas. La viroj apogas la kapojn sur la genuoj de siaj edzinoj, por la frizado de l' haroj. La virinoj vigle kombas kaj plektas la krispajn lanumajn harojn pere de longaj feraj trapikiletoj kaj ruĝa palmoleo. Ĉi tiu popolo donas ekzemplon de l' uzado de ornamaĵo antaŭ vestaĵo; ĉar, vivante preskaŭ nudaj, ili pasigas grandan parton de l' vivo per harfrizado kaj ŝmirado de l' korpo per oleo kaj kam-ligna pudro.

Dum la suno dekliniĝas, la virinoj elportas vespermanĝon de rostitaj bananoj, bolita „kasava", duon-fumita fiŝo, kun kaliko de rostitaj ligno-vermoj, akridoj aŭ termitoj. La viroj manĝas ĉe la pordoj de l' kabanoj; la inoj aparte retiriĝas por manĝi, ĉar etiketo malpermesas, ke virinoj manĝu apud viroj.

Kiam mallumiĝas kaj ekbriletas lampiroj ĉirkaŭ la arbetoj, ligna tamburego profundsonas alvokon al la nokta danco. Sin formanta en du liniojn kun gaja kriado la enloĝantoj kuniras. Ili progresas kaj reiras kun serpentuma movado, kantantaj en plenaj riĉaj tonoj ritman arion, markantaj takton batante la manojn kaj stampante la piedojn. Poste la luno dejetas arĝentan lumon sur iliaj ornamaĵoj kaj ŝvitantaj korpoj. La basaj voĉoj de l' viroj kaj la altaj tonoj de l' inoj resonas en la arbaro, iliaj nudaj piedoj trenmarŝas kaj stampas sur la tero. La graciaj palm-folioj kaj larĝaj bananfolioj kun la belaj kurboj kaj linioj similas al lataĵo kontraŭ la klara nokta ĉielo. Travidebla blua fume de ligno-fajroj okaze estas blovata trans la sceno per la vespera vento. La sceno estas nenatura, la sonoj barbaraj. Jen bildo de homa vivo en prahistoria epoko.

Je noktomezo la danco finiĝas kaj ĉio silentiĝas. Malgrasegaj hundoj kaŝe serĉas nutraĵon en la vilaĝo. Fine ili ankaŭ dormemiĝas, kaj la korpojn buĉligas en la blanka cindro de l' malaperintaj fajroj. Okaze ploraĉas bubo; grakas ranoj kaj aroj da kuloj ankoraŭ unufoje plenigas la noktan aeron per sia muziko.

El la angla tradukita
„Voice from the Congo" by Herbert Ward

# NOTOJ

*Lerneja statistiko de Palestino.* — La registaro publikigis interesan statistikon pri la sistemoj de lernejo en la lando. Laŭ tio ekzistas en Palestino:

| Lerneja tipo: | Nombro de lernejoj: | Instruistoj: | Lernantoj: |
|---|---|---|---|
| Registara lernejo | 314 | 678 | 19737 |
| Juda lernejo | 255 | 1145 | 26481 |
| Kristana lernejo | 183 | 866 | 16145 |
| Mahometana lernejo | 45 | 140 | 3445 |

Inter la kristanaj lernejoj estas 22 grekortodoksaj, 113 romkatolikaj kaj 46 protestantaj.

*Milionciferoj el la libro-mondo.* — La Nacia Biblioteko en Parizo estas la plej granda biblioteko de la mondo: 3 500 000 volumoj, 500 000 periodaĵoj kaj 145 000 manskribaĵoj. La plej granda germana biblioteko, la Prusa Ŝtata Biblioteko en Berlino, havas du milionojn da volumoj. Eŭropo havas la plej multe da libroj, proksimume 120 000 000; el ĝi la kvarono troviĝas en Germanio. La aŭstriaj kaj la germanaj bibliotekoj havas kune 44 milionojn da libroj, kiuj metitaj unu post la alia donus longon da 1263 km aŭ la aeran linion de Hamburgo ĝis Napolo. Metita unu super la alia ĝi atingus altecon 150-foje pli ol la Monto Everest. Se oni dividus la bibliotekojn de la urbo München inter la loĝantaro de tiu ĉi urbo, ĉiu enloĝanto ricevus kvin librojn.

*La botanika ĝardeno de Linné.* — Dank' al la iniciato de la Linné-Societo, oni restarigis la faman ĝardenon de la granda naturscienculo laŭ la planoj retrovitaj en la postlasitaĵoj. Ĝi montras la stilon de la 18-a jarcento kun artefaritaj lagetoj, spaliroj kaj florbedoj, en kiuj estas troveblaj ĉiuj floroj kolektitaj de Linné. La dirita societo ankaŭ eldonas jarlibron, kiu informas pri la vivo kaj verko de la scienculo kaj pri liaj multaj rilatoj kun anoj de la scienca mondo.

# Alessandro Volta :: 1827-1927

Je la 5-a de Marto 1827 mortis en Como, lia naskiĝloko, Alessandro Volta, kiu pli multe ol alia homo donis direkton al la nuna komuna civilizo. Italio lin honoris per organizo de granda elektroteknika ekspozicio en Como. Sed ne nur tion! Internaciaj kongresoj samtempe okazantaj donas ideon pri la stato de tiu ĉi vasta scienca teritorio, sin bazanta sur la eltrovoj de Volta. Larĝanime, Italio invitis aron de famaj fizikistoj ĉiulandaj por prelegi pri problemoj de l' fiziko. Decas memori tiun viron laŭ kiu nomiĝas la unuo de la elektra diferenc-tensio, la „Volt".

Alessandro Volta naskiĝis 19 Februaro 1745 kiel filo de patricia familio en Como. Frue li sin interesis je fiziko kaj distingiĝis en la kolegio pro talento kaj diligenteco. Dekokjara li jam korespondis kun Nollet (1700—1770), fama fizikisto franca. 24-jaraĝa li jam aperigis laboron, kaj iĝis profesoro de fiziko ĉe la kolegio en Como. 1779 li okupis katedron de fiziko ĉe universitato Pavia, kie li restis dum jaroj. Dum tiu ĉi epoko li faris Genevano de Saussure. Jen montriĝis la talento de Volta, perfektigi sciencajn observojn per simplaj rimedoj. Estu ankaŭ menciata, ke Volta interesiĝis pri kemio, esplorante la naturon de la marĉgasoj aŭ metano.

Ni venu al la grandaj eltrovoj, tiuj pri la galvanismo kaj ĝia apliko.

En la jaro 1780 okazis la eltrovo de l' galvanismo. Vivis en Bologna profesoro de l' anatomio, Aloizio Galvani. La legendo diras, ke, preparante supon el ranoj por malsana edzino, ĉeestanto rimarkis movon aŭ skuon de la ranfemuroj dum tuŝo per tranĉilo sammomente kiam ĉe apuda elektra konduktoro deiris fajrero. Post tiu ĉi hazarda observo, Galvani dediĉis sin plej fervore al la esploro de tiu ĉi fenomeno. Li ekkonis, ke temas pri jeno: La konduko — *tranĉilo-ranfemuro* — estas ŝarĝata je elektra fluo per la konduktoro de l' elektromaŝino, dank' al la influenc-efiko kaj malŝarĝata, pro la deiĝo de l' fajrero, la konduktoro de la



Alessandro Volta

la eltrovojn, kiuj igis lin senmortulo. 1804 Napoleono nomis lin grafo kaj senatoro, 1815 li fariĝis direktoro de la filozofia fakultato en Pavia. 75-jara li retiriĝis por ripozi en amata Como, kie li mortis 85-jara. Tio en kelkaj linioj estis lia vivo.

La laboroj de Volta formas du grupojn, tiujn faritajn antaŭ la trovo de l' galvanismo kaj tiujn rilatantaj precize je tiu ĉi trovo. La esploroj de la unua periodo rilatas ĉefe al la frotelektro kaj oni dankas al li, ke tiu ĉi branĉo de l' fiziko venis en la jaroj 1770—1780 al certa fino. Li okupiĝis pri la Lejdena kondensoro, kies efiko tiutempe mistere impresis la publikon. Rezultis la konstruo de l' elektroforo, je kio atentis ĉiuj elektristoj tiutempaj. Volta riĉigis plie la ilaron de l' eksperimenta elektrismo, konstruinte la elektrometron, la elektrajn pistolon, ekbruligilon kaj la eŭdiometron (mezurilo pri la boneco aera, oksigenometro). Poste li sin okupis pri la divido de l' elektro sur konduktoroj, kio lin gvidis al la eltrovo de la kondensatoro, kiu hodiaŭ kun la radioinstalo fariĝis endoma aparato ĉie trovebla. Ankaŭ li esploris la elektrecon de l' atmosfero. En tiu ĉi subfako faris gravajn progresojn depost la esploroj de Franklin, la italo Cavallo kaj la maŝino fariĝas senelektra. Estas la sama aperajo, kiun oni nomas „rebato" kaj kiu ĉe fulmotondro iĝas danĝero por la homoj. Do hazarde, Galvani trovis ege senteman elektroskopon, la ranfemuro. Sekvis esploroj pri la atmosfera elektro: La preparitaj ranoj estas pendigataj ĉe la nervoj dum fulmotondro; ferdrato ligis la piedojn al la tero. La atendita efiko ne mankis. Sammomente kiam la brilo de l' fulmo trafis la okulojn, la muskoloj skuiĝis.

Galvani daŭrigis la eksperimentadon. Por tiuj aperajoj ekzistis nur du klarigoj: Aŭ ĝi fundiĝas en la animala organismo, aŭ temis pri fariĝo, sekve de la tuŝado de metalo, ĉe kiu la ranfemuro ludis nur la rolon de tre delikatsenta elektroskopo. Galvani decidiĝis por la unua supozo, priskribante la aperajojn kiel esprimo de l' animala elektro. En ĝi li kredis estis trovinta la jam longe serĉitan vivforton kaj ŝajnis al li, ke la eterna enigmo de l' vivo estis solvita.

En jaro 1791 publikiĝis la eltrovajo de Galvani kaj incitis kompreneble grandan intereson ne nur la eksperimentoj mem, sed ankaŭ la teorio pri ili, kiu trovis varman aprobon. Emil Du-Bois Reymond (1818—1896, fama fiziologo germana), historiisto de la

galvanismo, diris pri tio: „La ventego, kaŭzita per la eltrovo de Galvani en la mondo de fizikistoj, fiziologoj kaj kuracistoj povas esti komparata al tiu, kiu je sama tempo ekkomencis ĉe la politika horizonto de Eŭropo. Kie troviĝis ranoj kaj du pecoj da metaloj, ĉiu volis konstati propraokule la mirindan reviviĝon de la kripligitaj membroj."

Apud Alexander von Humboldt estis Volta unu el la unuaj sin okupinta pri la nova eltrovo. Komence ankaŭ li defendis la supozon pri la animala elektro, sed baldaŭ lia profunda vido ekkonis la veran kaŭzon de la mirakla forto. Galvani observis, ke la skuoj estis ĉefe vivaj se la metalfadeno inter piedo kaj nervo estis el du diversaj sin puŝantaj metaloj kaj li akcentis tion el kutima lia precizeco. Al tio ligiĝis la provoj de Volta kaj lia klarigo. La metaloj estas la incitantoj de l' elektro kaj la ranfemuro estas nura kondukilo, tra kiu pasas la malŝarĝo. Sed kiamaniere elektriĝas la metaloj? Jen montriĝis la genio de Volta, trovinte la gravan leĝon: la nura tuŝo de du malsamaj kondukiloj incitas elektron, unu el ĝi iĝas pozitive, la alia negative elektra. Puŝante la du metalojn al la ranfemuro tiam okazos la malŝarĝo tra ties korpo; ĝi esprimiĝas tute same kiel ĉe la frotelektro, per kuntiriĝo de la muskoloj.

Ĝi iĝos pli forte pozitiva, tuŝante la jam pozitivan kupron. Denove malseka papero, tiam kupro kaj poste zinkon, tiam el sama kaŭzo la tria plado iĝos ankoraŭ pli forte pozitiva.

La provo sukcesis. La arango estas nenio alia ol la aparato kiun oni nomas laŭ ĝia eltrovinto aŭ pli bone inventisto, „pilo de Volta".

La unuan sciigon de tiu ĉi gravega invento donis Volta letere al la Reĝa Scienca Societo en Londono en la jaro 1800. Li skribas: „La ĉefa rezultato estas la konstruo de aparato simila laŭ efiko al Lejdena kondensoro aŭ eĉ pli malforte ŝarĝita baterio, kiu agas senhalte kaj post ĉiu eksplodo reŝarĝiĝos."

Tion kion oni havas antaŭ si estis la unua baterio de galvanaj elementoj, pli malfrue tiel nomita por partoprenigi Galvani je la bone meritita gloro de tiu ĉi invento. La signifo de la aparato konsistas en tio, ke ĝi permesas unuafoje krei elektrajn fluojn konstantajn. Kaj malgraŭ la granda sukceso ĝi konstruiĝis dank' al erara supozo, ĉar la likvida kondukilo ludas efektive pli fundamentan rolon ol pensis Volta. Fakte la efiko de la pilo de Volta baziĝas ne sur la frotelektro de la diversspecaj metaloj, sed ĉefe en la kontraŭa influigo de la likvidajo kaj de la metaloj kiel tion plej ekzakte pruvis germana fizikisto Nernst, tamen tutan jarcenton poste.



*Villa Olmo — Domo de l' elektra ekspozicio*

Cia dubo devus malaperi pruvante la elektran aperajon sen kunhelpo de l' animala organismo. Per pli fruaj esploroj Volta trovis rimedon en la kondensatoro, kiun li ligis kun la elektrometro, konstati etajn kvantojn da elektra forto. Li sukcesis rekte pruvi per la elektrometro la kontraŭajn elektrokvantojn, fariĝantaj ĉe kunpuŝo de diversspecaj metaloj. Estas la tielnomata „Fundamentalprovo", kiu venkis pri la hipotezo de l' animala elektro.

Pro tio, ke Volta ŝanĝis sian Fundamentalprovon, esplorinte diversajn metalojn, li venis al la tabeligo de la elektra tensi-vico. Tiu ĉi estas: zinko, plumbo, stano, fero, kupro, arĝento, plateno, karbo. Tiu ĉi vico estas tiel aranĝita, ke ĉiu antaŭa metalo povis iĝi pozitive elektra, kontaktiĝinte kun sekvanta, dume la posta akceptas la negative elektran staton. Evidentiĝis, mezurante per la elektrometro, ke la elektra diferenco inter du eroj de tiu ĉi vico estas des pli granda, ju pli du eroj malproksimiĝis unu de la alia.

Volta supozis — kvankam erare, — ke la incitanta forto havas sian sidon senescepte ĉe la tuŝparto de la metaloj kaj ke la animalaj kaj aliaj likvidajoj servis nur kiel kondukiloj. Li havis la ideon, plifortigi la elektran efikon dirante al si: se mi prenas kupropladon kaj metas ĝin sur zinkan, tiam iĝas la lasta pozitive elektra. Metante sur la zinkon malsekan paperon kaj sur ĝi duan kupropladon, tiam komunikiĝas la pozitiva elektro de la zinko al la kuproplado per konduko. Se mi sekvigas duan zinkopladon, tiam

En la jaro 1801 Volta estis invitita al la Akademio de la Sciencoj en Parizo por prezenti tie siajn opiniojn kaj montri siajn eksperimentojn. Kian akcepton li tie trovis, ilustras tiutempa gazeta komunikajo:

„En la kunsido de la Nacia Instituto de la 7 Novembro, la fama fizikisto Volta komunikis la rezultatojn de siaj eksperimentoj pri la galvanismo. Ili plej trafe montris, ke la aktiva fluidajo estas nenio alia ol elektro. Oni aŭskultis la komunikon kun ega intereso. La Unua Konsulo Bonaparte, kiu ĉeestis tiun kunsidon, proponis post ĝi, aljuĝi al la scienculo oran medalon farotan kiel memorajo pro la gravega inventajo. Samtempe oni starigas komisionon kiu devos ripeti la eksperimentojn de Volta en pli granda stilo."

Kiom Napoleono taksis la grandan inventon de Volta, vidiĝas el la sekvanta anekdoto: Kiam li vidis en la Nacia Biblioteko la vortojn AU GRAND VOLTAIRE, li forstrekis la tri lastajn literojn.

Je kio Volta metis la fundamentan ŝtonon, ne necesas rakonti nuntempe pli detale. Sen li ne ekzistus la milvaria apliko de la elektra fluo en la taga vivo. Grandiozan agon li plenumis por la bono de la homaro, kaj kio ja malfeliĉe ne okazas al ĉiu bonfarinto, siajn meritojn oni rekonis sen envio jam dum sia vivo. Kun profunda estimo la migranto staras antaŭ la monumento en Como, kiun la dankema urbo starigis al la memoro de ĝia plej granda filo.

Aranĝis *H. J.*

# LITERATURO

## Hop-Rano

laŭ *Edgar Allan Poe*

Neniam mi konis personon kiu havis pli da vivemo kaj da ŝercemo ol ĉi tiu brava reĝo. Li vivis nur por farsoj. Rakonti bonan historion burleskan, kaj ĝin lerte rakonti, tio estis plej certa vojo por atingi lian favoron. Tial liaj sep ministroj estis ĉiuj eminentaj pro siaj burleskaj talentoj. Ili ĉiuj estis konstruitaj laŭ la reĝa modelo — vasta korpo, graso, neimitebla kapablo por farsado. Ĉu homoj grasiĝas per la farso, aŭ ĉu la graso havas en si ion farsigan, ĝi estas problemo, kiun mi neniam povis solvi; tamen estas certe, ke malgrasa farsulo povas nomiĝi „malofta birdo sur la tero".

Pri la delikataĵoj, nuancoj spritaj, la reĝo tre malmulte zorgis. Speciale li admiris larĝon en la farso. Delikateco lin enuigis. Li preferus Rabelais'an Gargantuon pli ol Voltair'an Zadigon. Krome, farsoj agaj satigis lian guston pli ol ŝercoj parolaj.

En epoko de ĉi tiu historio profesiaj burleskuloj ne ankoraŭ foriĝis el la modo kortega. Kelkaj grandaj regnoj kontinentaj havis ankoraŭ siajn bufonojn;*) ili estis mizeruloj multekoloraj, ornamitaj de ĉapoj kun sonoriletoj, devigataj esti ĉiam pretaj tuj havigi bonajn spritajn vortojn kompense je pecetoj, kiuj faladis de la reĝa tablo.

Nia reĝo nature havis sian bufonon. Lia valoro estis triobla en okuloj de la reĝo, ĉar li estis samtempe profesia bufono, nano kaj lamulo. Tiuepoke nanoj estis en kortegoj same oftaj kiel bufonoj, sed en naŭdeknaŭ okazoj el la cent, la bufonoj estis grasaj, rondaj, masivaj, dum nia reĝo estis fiera posedi en Hop-Rano — ĝi estis nomo de la bufono — trioblan trezoron en unu sola persono.

Mi opinias, ke la nomo Hoprano ne estis tiu kiun li ricevis de siaj baptogepatroj, sed ke ĝi estis al li aljuĝita per unuanima kunsento de la sep ministroj, kaŭze de lia nepovo piediri kiel piediras la homoj. Fakte, Hoprano povis sin movi nur en iaspeca *interjekcia* iro, io meza inter salto kaj tordiĝo, — irmaniero kiu estis por la reĝo ĉiama amuzigo kaj, nature, ĉiama plezuro; ĉar, malgraŭ la elstaranta ventro kaj la denaska ŝveleco de la kapo, la reĝo estis por siaj korteganoj tre bela viro.

Tamen, kvankam Hoprano, dank' al distordeco de siaj kruroj, nur tre pene povis moviĝi sur vojo aŭ sur pargeto, mirinda muskolpovego kiun la naturo donacis al liaj brakoj, kvazaŭ por kompensi neperfekton de liaj subaj membroj lin kapabligis fari neordinare lertajn movagojn, kiam temis pri arboj, kordoj kaj ajnaj grimpeblaĵoj. En tiaj ekzercadoj li aspektis pli kiel sciuro aŭ simieto, ol ranego.

*) *bufono*, kvazaŭ freneza amuzisto palaca.

Mi ne scias diri precize de kiu lando deveniĝis Hoprano. Li venis sendube de iu barbara regiono, pri kiu neniu aŭdis, regiono tre malproksima de la reĝa kortego. Li, kaj unu knabino malpli nana (ol li), sed mirinde bele korpproporcia kaj lertega danculino, estis ambaŭ forrabitaj el iliaj hejmoj malproksimaj kaj alsenditaj donace al la reĝo de lia venkinta generalo.

En tiaspecaj cirkonstancoj estis nenio miriga ke amika intimeco rezultiĝis inter la du etaj kaptitoj. Hoprano, kiu multe farsadis sed ne estis populara, ne povis fari grandajn servojn al Tripeto, la nanino; sed ŝi, pro sia gracio kaj delikata belo, estis de ĉiuj admirata kaj dorlotata; ŝi do havis influon kaj ĉiam laŭ okazo uzis ĝin por bono de sia kara Hoprano.

Unufoje la reĝo decidis aranĝi solenan maskobalon, kaj tiuokaze la talentoj de Hoprano kaj Tripeto estis utiluzotaj. La nano estis tiomege elpensema pri dekoracio, novaj tipoj, alivestado por maskaradoj, ke ŝajne nenio estis farebla sen lia kunlaboro.

Nokto difinita por la festeno proksimiĝis. Luksega salono estis aranĝita, sub okulo de Tripeto, kun tuta ebla belpeno celanta brilon de l' maskarado. La tuta kortego febre atendis la komencon. Ĉiuj jam delonge fiksis siajn rolojn kaj preparis siajn kostumojn, nur la reĝo kaj la sep ministroj estis sendecidaj. Kial ili hezitis, mi tion ne scias. Eble tio ankaŭ estis farsmaniero. Pli verŝajne estis por ili malfacile kapti iun ideon, kaŭze de ilia dikeco! Ĉiel, la tempo kuris, kaj ili devis alvoki la du genanojn.

Kiam Tripeto kaj Hoprano obee venis, ili trovis la reĝon majeste trinkanta la vinon kun la sep membroj de sia konsilejo. La monarko estis okulvideble en tre aĉa humoro. Li sciis, ke Hoprano evitas vinon, ĉar ĝi lin frenezigas kaj suferigas. Sed la reĝo ŝatis siajn farsojn kaj plezure drinkigadis Hopranon.

— Venu ĉi tien, diris la reĝo al li, ĵus post kiam la nanoj eniris, — englutu por mi ĉi-pokalon je la sano de ciaj forestantaj amikoj, kaj montru al ni cian imagopovon. Ni bezonas la tipojn, la karakterojn, mia kara! — ion novan, neordinaran. Ni estas lacaj de la eterna unutono. Nu, trinku ci! — la vino flamigos cian genion!

Hoprano penis respondi al la reĝo per kutima belvorto, sed ĝi estis super lia forto. Guste la tago estis datreveno de lia naskiĝo, kaj la ordono trinki je la sano de *forestantaj amikoj* igis larmojn ŝpruci el la okuloj. Kelkaj maldolĉaj gutoj falis en la pokalon kiun li humile akceptis de la tirana mano.

— Ha, ha, ha! — blekis la reĝo, dum la nano trinkis la pokalon kun abomeno, — vidu kion povas fari unu glaso da bona vino! He! ciaj okuloj jam brilas!

Mizera knabo! Liaj larĝaj okuloj fajregis pli ol brilis, ĉar efiko de la vino sur lian cerbeton estis potenca

kaj tuja. Li metis nerve la pokalon sur la tablon, kaj lia fiksa, iom freneza rigardo promenis sur la sidantaro.

— Eh nun, al la laboro! — diris la unua ministro, tre dika homo.

— Jes, — diris la reĝo, — ni faru! Hoprano, donu al ni cian helpon. Tipojn, mia bela knabo, karakterojn! ni bezonas karakteron! — ni ĉiuj ĝin bezonas! — ha, ha, ha!

Kaj ĉar temis certe pri la belvorto, ili ĉiuj sep faris ĥoron kun la rido reĝa. Hoprano ankaŭ ridetis, malforte, distrece, acidece.

— Nu, nu! — diris la reĝo senpacienca, — ĉu ci nenion trovis?

— Mi penas trovi ion novan, — respondis la nano kvazaŭ senkonscia pro la vino.

— Ci penas! — kriis kruele la tirano. — Kion ci komprenas sub tiu vorto? Ci penas? Ah, mi scias. Al ci estas necesa ankoraŭ da vino! Prenu! Englutu ĝin! — kaj li aletendis duan pokalon tutplenan da vino. La nano senspira hezitis.

Trinku, mi diras! — kriegis la monstro, — alie mi . . . per diablo! . . .

La nano ŝanceliĝis. La reĝo iĝis purpura pro kolerego. La korteganoj kruele ridetis. Tripeto, pala kiel kadavro, antaŭenpaŝis ĝis la seĝo monarka, kaj genufleksinta petegis lin indulgi ŝian amikon.

La tirano unue ŝin rigardis silente, videble miregita pro tia aŭdaco, sed subite, sen iu vorto, li furioze forpuŝis ŝin malproksimen de si, kaj ĵetegis en ŝian vizaĝon la enhavon de la plenplena pokalo.

La kompatinda etulino releviĝis humilega kaj senmoviĝis sur sia antaŭa loko, kun okuloj plenaj je vino kaj larmoj.

Duonminute regis morta silento, dum kiu estus aŭdebla falanta folio aŭ fluganta muŝo. La silento rompiĝis per ia surda grincado, raŭka, daŭra, kiu ŝajnis aperi samtempe el ĉiuj anguloj de la ĉambro.

Kial, — kial, — kial ci faras . . . ĉi-bruon, — demandis furioza reĝo, sin klinante al la nano, kiu fikse rigardis la tiranon, kaj simple ekkriis:

— Mi? — Mi? Ĉu mi povas tiel brui? — La sono venas el ekstere, — rimarkis unu kortegano, — verŝajne ĝi estas papago ĉe la fenestro, kiu akrigas sian bekon sur la stangoj de la kaĝo. — Estas vera, — diris la reĝo kvazaŭ trankvilita de tiu ideo, — sed mi ĵurus per mia honoro, ke ĝi estis dentoj de ĉi-mizerulo.

Nun, la nano ekridadis (la reĝo estis tro farsulo por ion kontraŭdiri pri la rido kia ajn), kaj vidigis larĝan potencan timigan dentaron. Ankoraŭ pli, li deklaris sin kapabla kaj preta trinki kiom oni volos da vino. La monarko paciĝis, la nano absorbis novan dozegon, kaj tuj eniris entuziasme en la planon de la maskarado.

— Mi ne povas klarigi, — komencis li trankvile, kvazaŭ li neniam en sia vivo drinkis, — kiel en mi efektiviĝis ĉeno da ideoj, sed tuj post kiam Via Reĝa Moŝto frapis la etulinon kaj ŝin vinkovris, ĝuste kiam la papago strange sonis ekstere, al mi venis en la memoron mirinda amuzo, unu el ludoj en mia patrolando, tute nova ĉi tie. Bedaŭrinde por ĝi necesas aro da ok personoj, sed . . .

— Eh, ni precize estas ok! — ekkriis ridanta reĝo, kontenta pro sia elpenso, — ĝuste ok! — mi kaj la sepo da ministroj. Ni aŭdu! Kia estas la amuzo?

— Nialande, — diris la nano, — oni nomas ĝin *La Ok orangutangoj kunĉenitaj*, ĝi estas vere ĉarma ludo, kiam ĝi estas bone aranĝita.

*Ni* ĝin aranĝos, — diris la reĝo, levante kaj remallevante palpebrojn. — Belego de l' ludo, — daŭris la nano — konsistas en timego kiun ĝi kaŭzas al la virinoj.

— Bonege! — muĝis ĥore la monarko kaj la sepo.

— *Ĝi estas mi* kiu vin alivestos en orangutangojn, — daŭris la nano; — fidu min pri tio. La simileco estos tiom frapanta, ke ĉiuj maskoj vin kredos veraj bestoj, kaj nature ili ĉiuj estos terure miregitaj.

— Oh! ĝi estos ravega! — ekkriis la reĝo. — Hoprano! mi faros el ci la homon, se la afero sukcesos!

— Ĉenoj havos celon, daŭris la nano, pliigi la malordon kaj tumulton per sia tintado. Krom tio ili kompreniĝos, ke la orangutangoj forkuris de siaj gardistoj. Via Reĝa Moŝto ne povas al Si imagi kiomegan efikon elvokos, en la balo, la ok bestoj kunĉenitaj, kiujn la plimulto de l' rigardantoj kredas verajn bestojn. Kaj tiuj bestoj kuriĝos kaj persekutos, kun sovaĝaj blekegoj, la homamason maskitan, la belvestitajn virojn, la koketornamitajn inojn. La kontrasta vidaĵo estos senegala.

Tiel estos! — proklamis la reĝo, kaj li fermis la kunsidon plejrapide, ĉar jam malfruiĝis, por realigi la planon de Hoprano.

*

Post unu horo ĉio estis preta. Hoprano vestigis la reĝon kaj la sepon en mallarĝaj trikotaj ĉemizoj kaj kalsonoj. Poste, li ordonis, ke la servistoj ŝmiru la okon je gudro. En tiu fazo de l' operacio iu el la bando ŝmirita sugestis ideon de plumoj; sed ĝi estis tuj malakceptita de la nano, kiu baldaŭ konvinkigis la okon, ke la hararo de orangutango estos plejbone similita per fibroj de kanabo. Tial oni metis sur la gudron de ĉiu bestulo dikan tavolon da griza vilhara kanaba fibraĵo. Fine oni alportis longan ĉenon. Unue ĝi estis volvefiksita ĉirkaŭ talio de l' reĝo, poste ĉirkaŭ ĉiu el la sepo. La lasta estis fiksita al la reĝo, tiamaniere formiĝis la rondo. Resto de la ĉeno estis pasigita diametre, tra la rondo, kaj ĉio estis zorge kaj fortike kunfiksita.

Granda salono, kiu devis enhavi la balon, estis ronda ĉambrego, tre alta, ricevanta sunlumon el la vitra plafono. Nokte ĝi estis lumita per granda lustro, pendanta sur unu ĉeno, blokefiksita sur ĉasio, laŭvole levebla aŭ mallevebla. Sed por ĉi nokto oni forigis la lustron, kiu povus difekti la robojn per gutanta vakso, kaj oni lumigis ĉirkaŭe, sur la muroj, kvindek kandelabrojn kaj torĉojn. La dekoro estis aranĝita sub gvidado de Tripeto.

La ok orangutangoj, obeante konsilon de Hoprano, pacience atendis, ĝis la salono estu tute plena de maskoj, tio estis ĝis la nokta mezo. Apenaŭ horloĝo ĉesis sonorofrapi, kiam ili enkuris, aŭ, pliĝuste, ili enrulis kiel unu maso en la salonon, trenante tiujn kiuj faletis pro ĉena embaraso.

La sensacio inter la maskoj estis grandega kaj la reĝa koro pleniĝis je ĝojo. Kiel la nano antaŭdiris, la plimulto kredis, ke ĉi-estaĵoj sovaĝmienaj estis veraj simiegoj, se ne precize orangutangoj. Multaj virinoj svenis pro la timego, kaj se la reĝo ne ordonus antaŭe absolutan foreston de ĉiuspecaj armiloj, li kaj lia bando povus pagi per sia sango la ŝercon. Unuvorte, ĝi estis ĝenerala forkuro al la pordoj . . . . fermitaj laŭ antaŭa reĝa ordono, ĵus post la eniro de la bando.

Dum la tumulto estis en sia plejo, kaj dum ĉiu pensis nur pri sia propra savo, oni povus rimarki, ke la lustra ĉeno, kiu antaŭe estis forlevita, nun iom post iom malleviĝis, kun sia hokego ĉe la fino.

Post kelkaj momentoj la oko ĝisruliĝis centron de la salono kaj troviĝis ĝuste sub la lustra hokego, eĉ ĝin tuŝis plurfoje. La nano, kiu senhalte sekvis la bestulojn, profitis taŭgan momenton, eksaltis al la ĉeno kaj kroĉis ĝin kun la hokego. Movata kvazaŭ per nevidebla forto, la ĉeno iom supreniĝis kaj devigis la orangutangojn kungrupiĝi kaj senmoviĝi sur la mallarĝa loko.

La maskoj, iom rekuraĝitaj, formis ĉirkaŭ la bestuloj rondon kaj komprenintе la farson, ekeksplodis en granda rido kaj gajaj krioj . . . . Subite, la nano aŭdigis akran fajfon kaj la ĉeno ankoraŭ supreniĝis kun la oko . . kiu nun pendis en la aero kiel senforma stranga beraro svarmanta . . . Pro mirego la maskitaro senmoviĝis kaj ekregis profunda silento, kiu finiĝis per surda grincado . . . . ĝi estis el la dentoj de l' nano, kiu torĉo en la mano, montris siajn akrajn dentojn kaj ŝaŭmis pro freneza kolerego.

— Ni vidu kiuj ili estas! — per raŭka voĉo ekkriis la furioza nano fiksante siajn brilegajn okulojn sur la reĝo kaj sep ministroj kiuj baraktis en la aero kaj siajn blekegojn ŝanĝis en insultoj kaj teruraj minacoj. Cetere, ili ĉiuj estis ebriaj kaj ne tro sentis sian neordinaran situacion.

— Ah! ah! — daŭris la nano, — ah! ah! mi komencas vidi kiuj ili estas ĉi tiuj estuloj!

Sub preteksto plibone rigardi la reĝon, la nano proksimiĝis al lia kanaba hararo la torĉon kiun li havis en la mano. La kanabo ekflamis, la gudro avidece ekfajriĝis . . kaj superhoma kriegaro miksiĝis kun ruĝaj flamlangoj kaj nigraj fumfluoj. En unu minuto la ok orangutangoj aliformiĝis en la fajregan mason gutantan je brulega gudro, malhome hurlantan pro neeldirebla turmentego, preskaŭ kaŝata de la flamo, fumo kaj fajro . . . La nano kiu grimpis kornicon atendis ĝis la ĝemegoj finiĝis, tiam en la morta silento li histerie ekkriis:

— Mi vidas kiaspecaj estas ĉi-maskitoj. Mi vidas grandan reĝon kaj sep ministrojn . . . Reĝon kiu senhonte frapis delikatan knabinon kaj ministrojn kiuj ridis pro tio. Kaj mi estas nur Hoprano, la bufono — *kaj ĝi estas mia lasta farso!* Tiumomente la nano malaperis tra la aerfenestro, lasinte silentan publikon kun ok haladzaj terure senformaj, karbonitaj kadavroj.

---

# Profitulo

Dum grizaj tagoj de l' mizero
Vi froste kaŭris en mansardo,
Vi nutris vin per ranca lardo
Kaj lavis vin en suptelero;

Vi tiam portis nur fulardon
Sur kruda bluzo, sen ĉemizo,
Dum en butik', spicistkomizo,
Vi vendis pipron kaj mustardon.

Ĉu miri nun pri sortkaprico,
Ĉar en palaco vi ripozas?
Se vi riĉiĝis, ni supozas,
Ke juste estis via vico!

Vi havis bonan vivdevizon,
. . . Krom tio ankaŭ, dum milito
Vi povis vendi kun profito
Al ĉiuj ŝtatoj . . . ŝiman rizon . . .

*Raymond Schwarz*

---

## TRA LA LIBRARO.

**Detala raporto pri iu publikaĵo okupus tro ampleksan lokon en nia gazeto. La eldonaĵoj estas bibliografie notataj en la rubriko „Novaj libroj". Sub titolo: „Tra la libraro" aperos ne plenaj sciencaj prilingvaj recenzoj, ĉar multaj aliaj gazetoj jam daŭre komisiis al lertaj kunlaborantoj tiun tre utilan laboron, sed pli simplaj ĝeneralaj impresoj de nura leganto, celanta informi aliajn legantojn pri la enhavo de la plej rimarkindaj novaperintaj verkoj.**

*Literaturo. — Scienco. — Kantaroj. — Per kaj por Esperanto. Instrulibroj. — Gvidlibroj.*

Ampleksa duparta originala romano en Esperanto estas ankoraŭ sufiĉe malofta aperaĵo en nia literaturo. Bonegan verkon ni ja povis atendi de H. L. Bulthuis, la aŭtoro de „Idoj de Orfeo"; kaj certe per sia korekta flua lingvo, lia dua romano: *Jozef kaj la edzino de Potifar* konkuras aŭ superas la unuan. Sed la historio mem estas malpli impresiga, la temo malpli poezie fantazia; la aventuroj de Ĉifoneto kaj Bertha, kiuj okazas nuntempe en granda nederlanda urbo, estas iufoje iom infanecaj, aliparte neverŝajnaj; mankas belaj imagaĵoj naskantaj entuziasmon kaj la herooj, malgraŭ la intenco al realisma verko, ne aperas kiel vivpovaj estaĵoj. Sed tio estas konkludo de propra persona gusto; certe multaj ŝatantoj de nedanĝeraj moraligemaj anglamodaj romanoj male opinios. Konfesi oni devas, ke la libro, kun sia stranga titolo, enhavas spritajn lokojn, amuzajn ĉapitrojn, lertan aranĝon, kaj ĉefe, kiel unue aludite, estas plezuro legi glate tian bonstilan prozon.

S-ro Applebaum liveris por la Biblioteko Tutmonda tradukon de *La vojaĝoj kaj aventuroj de Barono Munchhausen.* Tiuj mirigaj neeblaĵoj jam amuzis idarojn en ĉiuj landoj; sub nomo S-ro de Krak la fanfaronulo estas tiom konata tra Franclando, kiom sub

sia vera en Anglo- kaj Germanlando. Ĝenerale oni kredis la libron verkita germane; la tradukinto asertas, kun valoraj argumentoj, ke ĝi estis angla. La esperantigita teksto estas tre bona; lernantoj trovos en ĝi legaĵon tiel agrablan, ke ili ne haltos antaŭ fino, kio estos bonega ekzerco. Eble por tia rakontaro, libron pli grandformatan kun multaj ilustraĵoj — ilin oni preskaŭ postulas ĉe tia porinfana verko — oni pli ŝatus, ankaŭ ĉar la kolekto Biblioteko Tutmonda konsistas ĉefe el seriozaj verkoj por maturaĝa legantaro.

La sama kolekto riĉiĝis per *La Kapitanfilino*, rusa romano de Puŝkin bone tradukita; la aŭtoro, jam klasikulo fariĝis, kaj ni ŝatas havi iun lian romanon en nia lingvo; sed eble alia estus doninta pli favoran ideon pri la rusa poeto. La historio similas multajn aliajn el la cara periodo; ĝi estas tre simple rakontita sen serĉado al komplikaj animanalizoj; kelkaj teruraj revoluciaj scenoj en la Volga regiono, aŭ la figuro de l' ribelestro, kruela, diboĉema sed tamen sentema kaj foje nobla, restas en la memoro.

*Bonhumoraj Rakontoj* (sama kolekto) ja tute ne estas ŝercaro, sed ironiaj pentraĵoj vipantaj la homan hipokritecon; sub formo amuza, Janusz Korczak ĵetas filozofian rigardon al la ridindaj flankoj de nia civilizo. „Reĝo Maĉjo Unua" mokas kortegan ministran gravecon; „Terure ridinda" malkaŝas la ĝisekstremajn sekvojn de ŝajne malgrava ago; „Tute ne sprita" aperigas teruran egoismon; „For la pureco" pruvas la influon de simpla vestŝanĝo; „Kelnero estas homo", tiu ekkrio resumas la rakonton; „Profesio" montras la rolon de hazardo kaj „Printempa Kanto", kiel boncela kormovo estas miskomprenata. Agrabla, sed ankaŭ pripensinda legaĵo.

Kiu ŝatas mezepokan romantikaĵon, kun kavaliroj heroe defendantaj mirinde belajn junulinojn, tiu legu en *Du Junaj Fraŭlinoj kaj Kornelino*, la du noveletojn tradukitajn de S-ro Mangada. Ili ankaŭ interesas pro la verkinto mem, kies tutan „Don Kiŝoto de Manĉujo" oni promesas esperantigi. Cervantes nomis „bonekzemplaj" tiujn novelojn; eble ĉar ili montras ekzemplon evitindan: efektive, en ambaŭ, belulinoj facile cedas al siaj amistoj, sed feliĉe poste sukcesas edziniĝi kun siaj delogintoj. Frazoj longaj, ne tuj kompreneblaj enestas; kredeble ĉar la tradukinto „celis traduki fidele konservante kiel eble plej formon kaj stilon de la tutmondfama aŭtoro".

*Prozo el Danaj-Norvegaj aŭtoroj* ne estas novaĵo; ĝi datas 1908; oni nur anstataŭis „Kristiania" per „Oslo". La tekstoj, ofte mallongaj, ne estas tre bone tradukitaj; ni pli volonte estus akceptintaj duan korektitan eldonon, ĉar la elekto estas interesa. Ekzemple „Peka vivo", la lasta plej longa rakonto, estas vere trafa.

*

Profesoro Collinson bone plenumis sian celon: verki enkondukon en lingvosciencon, kiu estus ne tro scienca traktaĵo, sed ankaŭ ne senvalora vulgariga resumo. Efektive *La Homa Lingvo* (Biblioteko Tutmonda) malgraŭ necesaj fakvortoj kaj neologismoj — eble kelkaj flanklaseblaj — estas legata facile, kaj multaj ekzemploj vivigas la teorion. Tre singardeme sin movas la aŭtoro sur kampo, kie leĝoj ne povas havi la firmecon, kiun ili akiras en aliaj sciencoj. Tiel taŭga estas la libro, ke leginte ĝin, oni volonte daŭrigus per pli detalaj studoj pri la ĉapitroj, kiuj povis nur supraĵe esti prezentitaj; la intima strukturo de l' homaj lingvoj, ilia disvolviĝo, komparado, estas temoj tiel interesaj, ke ni tre deziras iam viziti la tutan konstruaĵon, kies antaŭĉambron oni nur malfermis por ni.

*

En *Katolika Kantaro* S-ro L. Chiba kolektis 40 kantojn kun muziko unuvoĉa. La traduko estas bona, kvankam, pro aljustiĝo al la konataj melodioj, tro da versoj finiĝas per personaj pronomoj. Konfuzo de literoj I kaj J ne estas akceptebla en esperanta presaĵo. Tiuj manketoj ne difektas plaĉan belaspektan kantaron.

*Latvaj Kantoj* enhavas nur tekstojn tradukitajn de Ed. Jaunvalks: 50 poeziojn ĉefe popularajn. Mankas iu enkonduko klariganta la specialajn karakterojn de tiu poezio, kaj ankaŭ la muziko, kiu por tia popolarto, ofte naive ĉarma, estas pli grava ol la vortoj; jen specimeno el la kolekto:

A v u, a v u b a l t a s k a j a s.
Vestis blankajn mi piedojn,
Saltis en ĝardenon;
Saltis mi en la ĝardenon,
Ŝiris blankajn rozojn.
Ŝiris mi la blankajn rozojn.
Plektis rozkroneton;
Plektis mi la rozkroneton
Metis ĝin sur kapon.
Metis ĝin sur la kapon
Iris al marbordo.
Jen leviĝis forta vento
Kaj forblovis kronon.

*

*La Evangelio laŭ Sankta Marko* estas eltiraĵo el la dua korektita eldono de l' Nova Testamento, aparte malgrandformate represata.

*La Individua Socialismo* resumas, laŭ verkoj de D-ro Proschowsky, teorion pri nova sociordo kiu: „celas kombini el komunismo tion, kio estas necesa, kun tio, kio estas ebla el anarkismo". Kelkaj lingvaj eraroj.

La konata teksto de Zamenhof, ankoraŭ nun unu el la plej efika propagandilo por kleruloj: *Esenco de la Lingvo internacia Esperanto* aperis bele eldonita, kun taŭgaj klarigaj notoj, en japana lingvo.

Pro la multeco de stenografiaj sistemoj, komisiono ellaboris novan, oficiale akceptitan en Germanujo kaj Aŭstrio. Ĉu ĝi malaperigos la aliajn? Jen la demando! Eble, ĉar ĝi estos instruata en publikaj lernejoj. S-ro Wallon adaptis ĝin por Esperanto; tio estas utila, ĉar, por ĉiu samideano, adaptaĵo de jam konata sistemo pli taŭgas ol tute alispeca stenografio. En *Rapido* estas 12 lecionoj, sigloj, legaĵoj; se la provo sukcesas, venos poste pli kompleta metodo.

Okaze de l' 16-a Germana Esperanto-Kongreso en Köln, aperis la 7-a volumo de: *Das Esperanto, ein Kulturfaktor*, nova aldono al jam riĉa dokumentaro. Tiu lasta volumo estas ĉefe pedagogia. Tre interesa estas la studo: „Pri instruado de Esperanto per Radio (Behrendt); ankaŭ la sola teksto en Esperanto: „Ĉu oni pensas en fremda lingvo" (Dietterle). Krom aliaj artikoloj, la plej ampleksan parton okupas sperta detala laboro de S-ro Dahmen, kiu donas riĉan konsilaron al neinstruistoj, por ke ili povu tamen sukcese entrepreni instruadon de Esperanto. Tiu helpilo por kursgvidantoj estas cetere aparte eldonata kaj havebla kun la titolo: *Der Esperanto-Lehrer*. En ĝi, ĉiuj flankoj de la problemo estas sinsekve pristudataj.

*El Esperanto* estas hispanlingva propagandilo kompilita de Esperantista Societo en Kuba insulo por informi pri neceseco, deveno, nuna stato, konsisto de Esperanto.

*

Jus aperis *Hungara-Esperanta Vortaro*, de Toman Janos, dika volumo kun 366 paĝoj dukolonaj: do ampleksa nacilingva-esperanta vortaro, tia, kian oni bezonas por ĉiuj lingvoj, kaj jam havas por kelkaj. La aŭtoro estas konata kaj lin helpis Julio Baghi, jen rekomendo; sed pri la fidindeco de l' tradukoj nur hungaro povos juĝi; iom surprizas, ke jam dum presado oni trovis sufiĉe da preseraroj por plenigi 4 paĝojn per iliaj korektoj; sed ĉiu scias, kiom malfacila estas tia entrepreno, kaj, malgraŭ mankoj, kiel dankindaj estas la ĝenerale nelaŭmerite rekompencataj kompilintoj.

Oni reeldonis la Ĉefeĉan ŝlosilon por itala lingvo: *Chiave dell' Esperanto* kun, sur la kovrilo, modernigitaj informoj kaj kun aldono de komerca vortaro. Ĉiam bonega esperantigilo.

*Bednar Esperanto* estas lernolibro por ĉeĥoj kun ilustraĵoj; la aŭtoro, lerta pedagogo, uzis ĉiujn rimedojn, eĉ tipografiajn aranĝojn, por vigligi la instruadon; ĝenerala parto instigas al lernado de nia lingvo; detala gramatiko, ekzercaro kaj vortareto ĝin ebligas.

*Esperanto-Handelskorrespondenz*, nova malkara libro el la kolekto de D-ro Emil Pfeffer, kun komerca frazaro, letermodeloj, negocdokumentoj prezentas, sur du apudaj paĝoj, la tekstojn esperantan kaj germanan. Parto estas kompilaĵo de jam aperintaj samtemaj verkoj. Kelkaj leteroj aperigas tro longajn frazojn.

*La dua legolibro esperanta* estas por japanoj. Diversaj tekstoj, humoraĵoj, proverboj, leteroj, kun traduko de l' novaj vortoj kaj gramatikaj klarigoj en piedpaĝaj notoj.

*Lernu Esperanton*, malgranda libreto, havas sur maldekstraj paĝoj ekzemplojn por lingvaj ekzercoj, kies regulojn la lernanto trovinta skribos sur la dekstrajn blankpaĝojn.

*

Grupo en Berlino publikigis artajn *poŝtkartojn* kun pejzaĝoj de Germanujo kaj Tirolo kun detala esperanta teksto. Oni mendu ilin, por ke pluaj serioj povu aperi.

En *Soller*, urbo en insulo Majorka, kunvenis nunjare la Kataluna Federacio. La kongreslibro entenas gvidlibron pri la nomita urbo kaj ĝia ĉirkaŭaĵo, kun multaj bildoj, bedaŭrinde ne netaj pro ia presmanko.

Antaŭ multaj jaroj la Ministerio por Fervojaj Aferoj de Aŭstrio estis eldoninta tre artan gvidlibron. Samspeca oficiala eldonaĵo alvenas al ni, sub bela kolorita kovrilo, el *Japanlando*, kaj tiun allogan libron publikigas la Japana Ministrejo de Ŝtat-fervojoj en Tokio. Krom kelkaj tipaj belaj bildoj ĉe la komenco, la libro enhavas ankoraŭ multajn dokumentajn fotojn kaj geografiajn kartojn. Ĝia celo estas instigi al „vojaĝeto al tiu ĉi lando sorĉplena" kaj vere la leganto eksentas ne mankon de deziro, sed de tempo kaj mono, por aliri la malproksiman insularon. Speco de „Baedeker" pri Japanlando, la libro enhavas informojn pri geografio, allogaĵoj, vidindaĵoj, alirvojoj, hoteloj, prezoj, pasportoj, dogano, mono, poŝto, veturoj, fervojoj ktp., kaj eĉ interesan noton pri japana lingvo kaj skribo; sed la ĉefa parto kompreneble estas priskribo de urboj kaj lokoj vizitindaj, kun ĉiuj necesaj detaloj por igi la ekskursojn facilaj kaj profitaj. Tiajn praktikajn gvidlibrojn ni havu iam pri ĉiuj landoj; per ĉi tiu, kiel por uzo de Esperanto en gravaj sciencverkoj, japanoj antaŭiras eŭropanojn: el Oriento venas la lumo!

14 Septembro 1927 *G. S.*

*Lärobok i esperanto* av Carl Ohlsson (Lernolibro de Esperanto), eldonejo de P. A. Norstedt & Söner, Stockholm.

La verkinto starigis al si la taskon doni „grammaire d'idées" — esprimo retrovata en unu el la motoj de la titola flanko de la libro: „Lernigu la ideon antaŭ la vorto, la penson antaŭ la esprimo, kaj ĉio iros bone." Sekve li donas ne nur la gramatikon de la lingvo Esperanto, t. e. revuo de la lingvaj esprimoj aŭ formoj por la plej ĝeneralaj kaj pro tio plej necesaj ideoj, kiun la penso volas esprimi per la lingvo — tiu ĉi gramatiko estas ankaŭ aranĝita en maniero, kiu tute rompas je la **tradicia prezentado de la** lingva materialo.

Tiu ĉi gramatiko de Esperanto — samtempe sveda aŭ, se oni volas, ĝenerala gramatiko — eliras de la i d e o aŭ la komprenaĵo, unuvorte de la esprimotaĵo, kaj poste lernigas al ni k i e l ni devas ĝin esprimi. Ni sekve iras kiel la penso de la ideo al la esprimo.

Jen la gvida penso de la verkinto. La praktika tasko, kiun li starigas, estas k o n s t r u a d o d e f r a z o. Por ĝi li donas skemon de fraztipoj kaj frazpartoj. Tiu ĉi skemo laŭ lia pretendo ankaŭ donas planon ĉe la lernado de ĉiu fremda lingvo. Elirante de la verbo de la predikato, oni devas sekvi ĉi tiun skemon ĉe traduko el alia lingvo ol la gepatra. Plej utile tiu ĉi plano tamen servas ĉe traduko al fremda lingvo. Ĉi tie ĝi donas labormetodon.

Post enkonduka artikolo pri la interna historio de la lingvo Esperanto la verkinto prezentas siajn ideojn pri la aranĝado de gramatiko kiel „gramatika idearo". Sekvas tia en 67 paragrafoj kompletigata per kelkaj paĝoj de tekstoj. Fine venas la rubrikoj „Legindaĵoj" kaj „Kelkaj utilaj adresoj". *N.*

## Novaj libroj

*La Homa Lingvo*. W. E. C o l l i n s o n. Biblioteko Tutmonda N-roj 18-19. Rudolf Mosse, Berlin, Esperanto-Fako. 1927. 96 paĝoj, 10½ × 17 cm. Prezo: tiu duobla kajero: 1 RM; 1 serio (10 numeroj): 4 RM.

*Bonhumoraj Rakontoj*. J a n u s z K o r c z a k. El la pola tradukis A n n a W e i n s t e i n. Biblioteko Tutmonda N-ro 20. Rudolf Mosse, Berlin, Esperanto-Fako. 1927. 64 paĝoj, 10½ × 17 cm. Prezo: 0,50 RM; 1 serio (10 numeroj): 4 RM.

*Japanlando (Gvidlibreto por)* kun 37 ilustraĵoj, 9 landkartoj. Tradukita de la Redakcio de Japana Esperanto-Instituto. 1927. Eldonita de Japana Ministrejo de Ŝtat-Fervojoj, Tokio. 102 paĝoj, 13 × 19 cm. Dissendata.

*Der Esperanto-Lehrer*. Anleitung für Nichtlehrer zur Erteilung von Esperanto-Unterricht. H a n s D a h m e n. Esperanto-Verlag, Berlin SW 61. 92 paĝoj, 14½ × 22 cm. Prezo: 1,20 RM.

*Chiave dell' Esperanto*. (Itala.) UEA, 12 Boulevard du Théâtre, Genève, Svislando. 32 paĝoj, 7½ × 11 cm. Prezo: 0,30 Liro.

*Lernu Esperanton*. Enkondukilo en la fundamentajn regulojn de la mondlingvo Esperanto. Esperanto-Junularo, A. Neupert, Wedelstr. 17, Leipzig 23, Germanujo. 10 + 14 paĝoj, 8½ × 13 cm. Prezo: po 2 ekz. 0,30 sv. fr. aŭ 1 respondkupono.

*Inter Ni*. Oficiala organo de la „Interniaro" kaj la Esperanta Kolportista Asocio. Redaktoro Livingstone Jenkins, 64 St. Thomas Rd., London N. 4. 16 paĝoj, 12½ + 18½ cm. Jarabono: 0,25 Dol. = 1 RM.

## „Kataluna Antologio"

La Eldona Komitato de „Kataluna Antologio" informas, ke tiu grava verko jus estas rekompencita de la Akademio.

El la 500 presitaj ekzempleroj estas disvenditaj 480 en 36 landoj, kaj, post la vendado de la malmultaj restantaj ekzempleroj oni preparos duan eldonon malpli luksan kaj malplimultekostan.

La Komitato redonos al la helpintoj de la unua eldono la monon pruntedonitan, kaj la profito eniros la kason de Kataluna Esperantista Federacio, por helpi la eldonon de nova „Kataluna Ŝlosilo".

Multaj katalunaj jurnaloj kaj gazetoj dediĉis specialajn artikolojn al la „Antologio", akcentante la valoron de Esperanto, kaj kelkaj katalunaj verkistoj montris intereson pri nia afero.

Jen kiel literatura verko povas utili por la propagando kaj la instruado.

**La nuna numero estas 36 paĝa.**
**La venonta numero aperos je la**
**1 Decembro 1927**



## LINGVAJ STUDOJ



### Esperanto aŭ fremdaj lingvoj kvalita diferenco

Ses-semajna vojaĝado tra nordeŭropaj landoj spertigis al mi dum lasta somero kelkajn novajn impresojn pri lingvaj internaciaj rilatoj. Unue min impresis la fakto, ke en grandaj urboj kiel Varsovio kaj Stockholm oni tute ne povas rilatadi facile kun la urbanoj per „fremdaj lingvoj". Nek angla, nek franca, nek germana lingvo sufiĉas en restoracioj, magazenoj, muzeoj, poŝtoficejo, telefona centrejo ktp. La solaj certaj komprenantoj — esceptante kelkajn diplomatojn en eksterlanda ministrejo — estas la pordistoj hotelaj kaj la sola certa helpanto la — Delegito de UEA.

Tiu fama „scio de fremdaj lingvoj" estas seniluziiga legendo. Eble oni lernas ilin, sed ĉiuokaze sen orelfrapa rezultato. Oni ne plu venu kaj rakontu al ni, ke „per la tri lingvoj oni vojaĝas ĉien ajn." Jes oni vojaĝas ĉien ajn, kaj eĉ sen ili, sed pro kio vojaĝi, se nur por interparoli kun unu hotelpordisto en ĉiu loko? Pejzaĝoj estas ja belaj, sed homoj pli interesaj. Feliĉe ekzistas Esperanto.

Per ĝi mi babiladis horojn kun laboristoj en Polujo, en Svedujo kaj Finnlando. Plej multaj nesciis plian alian lingvon, tamen ili fluege parolis kvazaŭ en gepatra.

Nu, en Stockholm kaj Helsinki mi devis ankaŭ interparoli kun jurnalistoj, administrantoj, ŝtatistoj. Niaj internaciaj lingvoj estis jen la angla, jen la germana. Kial ne diri la veron malkaŝe? Plej multaj el tiuj interparoloj estis mizeraj laŭ lingva kvalito kaj kompreneble laŭ kompreniĝo.

Homoj hezitas, serĉas vortojn, timas fari erarojn, elparolas malfacile, malbone aŭdas alies elparolon. Entute tio estas ombroj de konversacioj, ne veraj, plenaj kaj senĝenaj interparoloj kiel ni havas en Esperanto.

Ĉu ne malagrable, ke intelektuloj, ambaŭ uzintaj plurajn horojn semajne dum jaroj por lerni fremdajn lingvojn atingas nur tiel malaltan grandon de interkompreno per tiom da baraktado? Komparu laŭkvalite tiujn interparolojn en fremdaj lingvoj kun tiuj en Esperanto, eĉ kun laboristoj sen lingva kulturo. La duaj staras dekoble pli alte, multe pli kontentigaj kaj proksimaj al interparoloj en komuna gepatra lingvo.

Se nur la ekstera mondo povus tion scii! Ĉu la usonaj pedagogoj, tiel spertaj en „testoj" aŭ „lernaj mezuriloj" ne povus eltrovi taŭgan rimedon por kontroli tiun observon kaj fiksi ĝin per akurata statistiko?

Por legi, por koni alinacian kulturon per literaturo, lerno de fremda lingvo estas bonega, sed por internacia *parola* servado kun ceteraj nacioj ĝi estas nekompareble malpli kontentiga ol lerno de Esperanto laŭ vidpunktoj, ne nur de tempo uzita, sed de kvalito atingebla.

Laŭ mia opinio, la kvalito tre gravas, se oni deziras plibonajn rilatojn inter diversnaciaj homoj. *Edmond Privat*

---

**Ni represas tie ĉi leteron de usona samideano pri maloportunaĵo ofte konstatita.**

**∴ Ekzistas du malbonaj kutimoj de kelkaj Esperantistoj centreŭropaj.**

**1. Uzo de J anstataŭ I en la komenco de vortoj: „III. Jnternacia Somera Universitato". Tio estas malbela kaj stranga misuzo de literoj.**

**2. Uzo de la neinternacia antikva ligaturo ß, (angle ligature, logotype) kiun oni ĉiam supozas esti majuskla *B* erare en la centro aŭ fino de vorto.**

**Skribante al aŭ pri usonaj lokoj oni devas ĉiam uzi la nomon aŭ mallongaĵon de la ŝtato, eĉ se la urbo estas granda. Ekzemple, *Minneapolis, Minn.* aŭ *Minneapolis, Kas., Davenport, Ia.* aŭ *Davenport, Wash., Portland, Ore.* aŭ *Portland, Me., Philadelphia, Pa.,* aŭ *Philadelphia, N. Y.* Ekzistas 27 Springfield en Usono.**

**La uzo de la preterito anstataŭ la pasinto estas nebona se oni intencas nur la pasintan tempon. Ekzemple, Esperanto Feb., 1927, N-ro 318 p. 35 (11) kiuj estis malfermitaj, p. 42 (18) estis intervjuita. Sankta Marko 1:5. Kaj eliris . . . ĉiuj Jerusalemanoj; kaj ili estis baptitaj de li, . . . konfesante siajn pekojn.** *Ch. H. Briggs*

* * *




* En *La Progreso*, Junio 1927, skribas O. G. pri la esperantista popolo.

La popolo esperantista estas vere bona popolo. Kun siaj multaj bonaj ecoj ĝi estas ornamo de la granda familio de nacioj. Ĝiaj anoj oferas jarojn da laboro, perdas sanon kaj sian havajon, por ke la mondo akceptu de ili donacon, la savon el la senesperiga lingva babelo.

La aserton pruvas konvinkige la esceptoj kaj mi ne trovas malutile rakonti pri kelkaj, ne multaj, sed eminente instruigaj.

Ni aŭdu, kiun ni povas renkonti en la granda esperantistaro ĉeĥoslovaka.

Maljuna samideano, supera bankoficisto, riproĉas: „Tro malrapide progresas Esperanto. Estas ja vere, ke unuopaj esperantistoj estas hodiaŭ preskaŭ ĉie troveblaj, sed necesas, ke estu pli multe da ili. Mi volus dum mia vojaĝo interkompreniĝi per Esperanto kun ĉiu hotelservisto, kun ĉiu fervoja kaj poŝta oficisto kaj kun ĉiu policano. Ĉi tiu tempo ĉiam ankoraŭ ne venis." — La sinjoro kun ĉi tia opinio travojaĝas ĉiujare kelkmilojn da kilometroj kaj ŝatus uzi la servojn de la samideanoj, sed li nepre rifuzas iĝi membro de la esperantista organizaĵo kaj tiamaniere partopreni la laboron por disvastigi la lingvon. Al la sama sinjoro plaĉas la multpaĝaj revuoj usonaj kaj ion similan li volus vidi en Esperanto. Dume, li ŝin energie defendas kontraŭ abonpropono de kiu ajn gazeto esperantista, ne volas do kunhelpi por atingi la staton de li sopiratan. La tre bone situita sinjoro ne pensas pri tio, ke sole per laboro kaj subteno de solidaraj unuopuloj Esperanto rapide progresas.

„Mi volas instrui en mia lernejo Esperanton, sed ĈAE zorgu, ke la ministerio pagu salajron por la instruado." — La tiel parolanta lerneja direktoro neniam estis membro de la Asocio, kies laboron li nun postulas. Li ne povas aliĝi al Ĉeĥoslovaka A s o c i o Esperantista; eble li tion farus, se ĝia nomo estus U n i o, ĉar la

antaŭmilitan organizon kun tiu nomo li ŝatas rememori. La samideano forgesas, ke en ĈAE, depost 1920, estas kunigitaj post forigo de ĉiuj malkonsentoj, ambaŭ antaŭmilitaj organizoj: Unio kaj Asocio. La elekto de la titolo certe ne povas influi sinceran deziron helpi al prospero de la movado.

Jene respondas esperantisto al UEA-funkciulo petanta lian kotizon por nova jaro: „Por mi Esperanto ne havas ian valoron. Mi ricevis dikan Jarlibron kun milo da adresoj, sed la delegitoj tie notitaj ofte eĉ ne respondas al miaj petoj." — Post demando, ĉu li ĉiam ankaŭ pagas la afrankon por la dezirata respondo, li vokas fiere: „Neniu bedaŭros rilaton kun mi, mi certe bone pagos, se la Delegito plenumos mian deziron." Lia kunparolinto (la Delegito atendanta la kotizon) aŭdas, ke la riĉa sinjoro volis havi malfacile sendeblajn vivantajn kreskaĵojn el malproksimaj kontinentoj. La delegito ne miras plu, ke ne ĉiu delegito respondis al sinjoro, kiu p r o m e s i s pagon por la okazo, se li estos kontenta. La Delegito miras tamen tre, kiam li post nelonga tempo aŭdas de la sama homo, ke ĵus alvenis al li el iu sudamerika ŝtato granda kesto da kaktoj kaj anonco pri plua sendo el alia lando. — La nun kontentigita plendinto tamen ankoraŭ ne volas estis membro de esperantista organizo. Ankaŭ sen ĉi tiuj elspezoj al li ja servas ĝiaj funkciuloj.

„Bonvolu al mi pruntedoni la Jarlibron", skribis samideano kaj la petita sinjoro pruntis. Pasis kelkaj monatoj kaj la Jarlibro ne estis redonita. Oni turnis sin skribe al la samideano kaj oni eksciis, ke li sen scio de lingvoj, sed kun la Jarlibro en la mano, faris kun sia edzino vojaĝon al la ekspozicio en Wembley. Li vizitis ankaŭ Germanion, Francion kaj Belgion ĉie postulante servojn de la Delegitoj, el kiuj neniu kuraĝis demandi pri membrokarto. La Jarlibron li okaze redonos, sed li petas, ke oni lin streku el la kluba membrolisto. La ŝuldatan kotizon li pro multaj aliaj elspezoj (la vojaĝo kostis kelkajn milojn da kronoj) ne povas pagi. Pri membreco de UEA li tute ne pensas, la Delegitoj faris ja la servojn bone kaj venontjare denove iu donos la Jarlibron prunte.

* *Belga Esperantisto*, N-roj 148-149, Julio 1927, enhavas la raporton pri la XVI-a nacia kongreso en Mons. El la raporto, kiun faris en Mons la Ĉefdelegito de UEA, pri la stato de tiu asocio en nia lando, ni ĉerpas la sekvantajn ciferojn:

Statistiko pri la membraro en Belgujo:

| | 1920 | 1921 | 1922 | 1923 | 1924 | 1925 | 1926 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Membroj: | 72 | 67 | 74 | 77 | 83 | 160 | 187 |
| Delegitoj kaj vicdel.: | 13 | 20 | 25 | 28 | 23 | 31 | 36 |

Por 1926 nia lando okupas la 15-an lokon anstataŭ la 16-an en 1925. Grava progreso estas jam de nun enskribita por la nuna jaro, ĉar ĝis nun la membraro atingas la nombron 235!

Ĉefaj faktoroj por la lasttempa antaŭenirado de UEA estis la firmigo de la esperanta movado en Bruselo kaj la organizo de la perradiaj kursoj de Esperanto, organizitaj de Belga Ligo Esperantista. Se la nuna programo de UEA postulas 10 000 membrojn en la tuta mondo, ni devas por nia lando preni nian parton, kiu laŭproporcie devas esti fiksata je almenaŭ 300.

Kun iom da energio ni certe povas atingi tiun ciferon!

Ni rimarku, ke „Belga Esperantisto" estas la oficiala gazeto de la XX. Universala Kongreso en Antwerpen 1928, sendota senpage al ĉiu kongresano.

* *Holanda Esperantisto*, Aŭgusto 1927, enhavas interalie jenan deklaron pri la Spesmila Banko:

Ĉar la Esperanto-gazetaro daŭrigas publikigi pri la supre nomita entrepreno kiel fakto, mi devas deklari, ke ĝi en vero ne ekzistas. Pro la financa debaklo de S-ro J. v. Hengel, kiu en Januaro eligis serion da valorbiletoj sub la nomo „Spesmila Banko", oni devas rigardi tiun provon kiel malsukcesintan. Mi persone perdis tro por suferi ankoraŭ ian riskon pro valorbiletoj, kiuj ĝis nun havas nenian garantiaĵon. Oni sekve ne turnu sin al poŝtfako 1, Laren N. H. — Dreves Uitterdijk, Hilversum.

Artikoloj en gravaj fakaj revuoj: „ISK", organo de la „Internationaler Sozialistischer Kampfbund", artikoleto en Esperanto pri la Ligo de Nacioj, verkita de S-ino H. Danneil.

* *La Nova Revista* el Barcelona, grava katalunlingva revuo pri literaturo kaj arto, aperanta ĉiumonate en amplekso de pli ol 100 paĝoj, de post la lasta Junio dediĉas en ĉiu numero tutan paĝon al la raportado pri esperanta literaturo.

Ni ricevis la numerojn de Junio kaj Julio, en kiuj, sub la rubriko „Esperanto en Katalunujo", S-ro Jaume Grau Casas prezentas la opiniojn de la esperanta gazetaro pri „Kataluna Antologio".

Tian favoran akcepton oni ŝuldas al la direktoro de la revuo, S-ro Josep Maria Junoy, eminenta verkisto kaj kritikisto, kiu plie aperigis sur la ĵurnalo „La veu de Catalunya" interesan artikolon por Esperanto.

* *El Heraldo Naturalista*, hispan-amerika reformrevuo, enhavas regule esperantan fakon.

* *Parures*, revue des industries de la mode, Paris, luksa revuo primoda. Junia numero: „La tendencoj de la modo", artikolo en Esperanto.

* *La Iji-Ŝinbun* (La ĵurnalo medicina), japana fakrevuo kun titolo kaj artikoloj en Esperanto. Junia numero: Suplemento de la kono pri sukermetabolismo de la Hepatohisto. Julia numero: Kuracado de erizipelo per ultraviola radio.




## Komunikoj

* La Brita Esperanto-Asocio, High Holborn 142, London W. C. 1, starigis komitaton por la radio-laboro. Ĝi klopodas aranĝi, ke nur spertaj esperantistoj reprezentu ĉe radio la esperantistan movadon. Kiel sekretario de la supre citita komitato mi ŝatus ricevi la nomojn kaj adresojn de radiano-delegitoj el ĉiu lando, ĉar eble en la estonteco ni deziros intertrakti kun ili pri niaj apartaj zorgoj.

*W. H. Matthews*

* *Radiostacio Königsberg* akceptas la rezolucion de Lausanne. La stacio Königsberg (Germanujo), ondo 329,7, komencis la 15-an de Junio, ĉiuvespere unufoje anonci sin en Esperanto kaj ĉiuvendrede ĉ. je 22 h. MET raporti esperante pri la venonta semajna programo.

*S.*



*S-ro Ĉen Ĉaŭ Jin (dekstre(, S-ro Ishii (maldekstre) antaŭ la mikrofono*

* *Shanghai.* — S-ro Ĉen-Ĉaŭ-Jin, Delegito de UEA, faris Esperanto-paroladon en la radiostacio NKS, ondo 300. Tradukis en japanan lingvon S-ro K. Ishii.

* La dana „Statsradiofonien“ decidis depost 1 Oktobro 1927 unufoje semajne disaŭdigi la danajn programojn per Esperanto. La disaŭdigoj okazos de Kopenhaga (ondo 337 m) kaj Kalundborg (ondo 1153,8 m) radiostacioj ĉiun sabaton (eventuale dimanĉon) je la 19.20—19.30 h. per sekretario de Internacia Radio-Asocio, S-ro Lendorff, Kopenhago. Aŭskultantoj informu pri la disaŭdigoj al Statsradiofonien, Kobmagergade, Kopenhago K.

* *Tallinn* (Estonio). — La loka radio-stacio (ondolongo 408 m) ĉiujaŭde je 20 h. MET disaŭdigas en Esperanto mallongajn informojn pri la kultura kaj ekonomia vivo en Estonio. Ĉar ĉi tiuj disaŭdigoj estas aranĝataj prove, estas dezirinde, ke la aŭskultantoj skribu pri siaj impresoj al Tallinn, radio-stacio.

## Esperanta Radio-Programo

Kunmetita de J. Jungfer, Lindenstr. 10, Lübben N.-L., Germanio

| G. M. T. Tempo Universala (Greenwich) | M. E. Z. Mez-eŭropa horo | Ondo | Nomo de la sendstacio | kilovato | |
|---|---|---|---|---|---|
| | | | DIMANĈON | | |
| 08.00-09.00 | 09.00-10.00 | 1450 | Moskvo | 6.0 | Sciigoj kaj novajoj |
| | | | LUNDON | | |
| 22.30- | 23.30- | 1450 | Moskvo | 6.0 | Sciigoj kaj novajoj |
| | | | MARDON | | |
| 18.30-18.50 | 19.30-19.50 | 517.2 | Vieno | 20 | Instruado por komencantoj |
| | | 577 | Vieno | | |
| | | 357.1 | Graz | 4.5 | |
| | | 272.7 | Klagenfurt | 1.5 | |
| | | 294.1 | Innsbruck | 0,5 | |
| | | | JAŬDON | | |
| 17.40-18.00 | 18.40-19.00 | 441.2 | Brno-Brünn | 3.0 | Instruado por komencantoj |
| 18.30-18.50 | 19.30-19.50 | 517.2 | Vieno | 20 | |
| | | 577 | Vieno | | |
| | | 357.1 | Graz | 4.5 | |
| | | 272.7 | Klagenfurt | 1.5 | |
| | | 294.1 | Innsbruck | 0.5 | |
| 19.00- | 20 00 | 458 | Paris | 10 | |
| 19.15- | 20.15- | 760 | Genève | 1.5 | Kurso |
| | | | VENDREDON | | |
| 18.45-19 00 | 19.45-20.00 | 379.7 | Stuttgart | 4.0 | Programo de la venonta semajno |
| | | 577 | Freiburg | | |
| 21.00- | 22.00- | 329,7 | Königsberg | 4.0 | Programo de la venonta semajno |
| | | 272,7 | Danzig | 0.7 | |
| 21.15-21.25 | 22.15-22.25 | 515 | Breslau | 4.0 | Parolado pri diversaj temoj |
| | | 250 | Gleiwitz | 0.7 | |
| 22.30- | 23.30- | 223,9 | Leningrad | 10 | Sciigoj kaj novajoj |
| | | 1450 | Moskvo | 6.0 | |

## Adresaro de la Radio-Sendstacioj

Sendstacioj: Breslau, Gleiwitz.
Adr.: Schlesische Funkstunde A.-G., Oberbergamt, Breslau.
Sendstacioj: Königsberg, Danzig
Adr.: Ostmarken-Rundfunk A.-G., Ostmessehaus, Königsberg.
Sendstacioj: Stuttgart, Freiburg
Adr.: Süddeutsche Rundfunk A.-G., Charlottenplatz 1, Stuttgart.
Sendstacioj: Vieno, Graz, Klagenfurt, Innsbruck
Adr.: Radio-Verkehrs-A.-G., Stubenring 1, Vieno, Aŭstrio.

Daŭrigota!

Gesamideanoj, observu la dissendojn en Esperanto, skribu al la sendstacioj viajn opiniojn!

## Granda sukceso en Radio Ĉeĥoslovaka.

Post multe da klopodado de esperantaj institucioj kaj privataj personoj, inter kiuj unualoke ni citu la S-ron Ginz, S-ro Josef Bednar ricevis la permeson komenci kurson de Esperanto disaŭdigatan dufoje en ĉiu semajno el la stacio Brno. Antaŭ la komenco aranĝis S-ro Bednar tri radio-paroladojn pri Esperanto, kiuj vekis grandan entuziasmon inter ĉeĥoslovakaj radiistoj. Dum la unuaj tri tagoj post la paroladoj ricevis „Radio-Journal“, Brno (posedanto de la send-stacio), 457 dankesprimojn, ofte per pluraj — ĝis 12 — personoj subskribitajn, S-ro Bednar mem pli ol 600; dum la unua semajno vendiĝis 1448 lernolibroj. Tio influis ankaŭ la publikajn kursojn, en kiuj duobliĝis la nombro de la aliĝintoj kompare kun pasintajn jarojn. Tiu ĉi neatendita sukceso esperigas, ke la ĉeĥoslovaka movado esperantista, jam nun forta kaj bone organizita, kreskos konsiderinde kaj rapide. Ni dankas kaj gratulas sincere al ĉiuj, kiuj preparis tiun ĉi belan sukceson.

 TRA LA MONDO ESPERANTISTA 

# Lasta Alvoko
## rilate la Tutmondan Statistikon

Tutmonda Statistiko, kiun Internacia Centra Komitato intencis publikigi dum la jubilea jaro, parte sukcesis kaj parte ne sukcesis; do, entute ĝi ne sukcesis, ĉar statistiko, kiu ne estas iomete kompleta, ne taŭgas por niaj celoj.

Ĝi sukcesis, ĉar multaj asocioj, grupoj kaj izolaj esperantistoj respondis (aŭ ni ricevis la sciigojn sur aliaj vojoj); entute:

83 asocioj (federacioj, unuiĝoj ktp.) naciaj kaj fakaj, 1332 grupoj.

Laŭ ili la nombro de la esperantistoj estas:

37 530 organizitaj grupanoj,
60 837 ekstergrupaj esperantistoj,
10 432 izole vivantaj esperantistoj,

en 4248 lokoj. (Kalkulite fine de Septembro 1927.)

Kvankam ĉi tiuj ciferoj per si mem estas ĝojigaj, ili montras, ke la statistiko *ne* sukcesis. Laŭ mia takso mankas ankoraŭ duono de la grupoj ekster Germanujo (la germanaj grupoj respondis preskaŭ ĉiuj, almenaŭ la en asocioj organizitaj), kelkaj naciaj kaj fakaj asocioj, kaj krom tio eble naŭ dekonoj de la izoluloj.

Nu, kion fari? Tute rezigni al la laboro, ĉar la enketo restis ankoraŭ nekompleta? Tute neeble! — neeble pro la bone kaj precize respondintoj, neeble pro nia propagando! Do, restas nur unu vojo, nome: lastfoje peti, petegi, plej urĝe petegi la ĝis nun nerespondintajn asociojn, grupojn, izolulojn, ke ili faru — *tuj kaj senprokraste!* — sian devon.

Jam preskaŭ antaŭ unu jaro mi publikigis la demandarojn. Verŝajne la prokrastemuloj ne plu havas kaj konas ilin. Do, mi prezentas ilin denove:

I.

### Demandaro por grupoj (societoj, kluboj, rondoj k. s.)

1. *lando kaj landparto?*
2. *loko? (urbo aŭ vilaĝo?)*
3. *nomo de la grupo aŭ rondo?*
4. *al kiu organizaĵo la grupo apartenas? (nomu la organizaĵon!)*
5. *kiom da membroj via grupo havas je la fino de l' jaro 1926?*
6. *kiom da kursoj la grupo organizis*
   a) *dum la jaro 1926 (enkalkulite la ĝis nun nefinitajn)*
   b) *depost la starigo de la grupo entute?*
7. *ĉu en via loko ekzistas aliaj Esperanto-grupoj? kaj kiuj?* demando nepre respondenda pro la kontrolo, ĉu la statistikestro ricevis ĉiujn sciigojn el via loko)
8. *kiom da esperantistoj en via loko ekzistas ekstergrupaj entute?* (kalkulu singardeme! nepre ne taksu tro alte! Preferu noti ciferon pli malalten, sed tute fidindan!)
9. *ĉu via grupo*
   a) *havas bibliotekon?*
   b) *kun kiom da libroj?*
10. *tre preciza adreso de via grupo?*

*Subskribo de l' raportinto.*

Raportante atentu jenajn punktojn:

a) Skribu tre legeble (ankaŭ la nomon de l' raportinto), se eble skribmaŝine. Skribu la nomojn de via urbo ktp. per latinaj literoj en via nacia lingvo (ne esperantigu la nomojn!).

b) Ne ripetu la demandojn, sed nur notu la ciferojn 1—10 kaj simple donu laŭ tiuj ciferoj la koncernajn respondojn aŭ sub 5, 6, 8, 9b nur ciferojn. Rezignu al ĉiuj aliaj notoj kaj specialaj komunikaĵoj.

c) Uzu ĉiuj — por ke la materialo povu esti bone ordigata — la saman formaton de l' papero (la kutiman formaton de negocaj leteroj): laŭlonge 28,5 cm (aŭ 11 in.), laŭlarĝe 22,5 cm (aŭ 9 in.).

d) Donu la respondojn en du ekzempleroj sur du paperoj, por ke la koncerna materialo post la fino de l' statistika laboro povu esti sendata al la koncerna asocio, al kiu apartenas la grupo.

e) Sendu vian raporton en fermita letero, sufiĉe afrankite, al la adreso:

D-ro Dietterle
Fakestro por Statistiko de I. C. K.
Leipzig W. 31, Seumestrasse 10

*

II.

Krom la raportoj de la unuopaj grupoj ni bezonas specialajn respondojn de la diversaj asocioj inter- kaj sennaciaj, naciaj, fakaj laŭ jena skemo:

### Demandaro por asocioj (federacioj k. s.)

1. *nomo de la asocio?*
2. *celo de la asocio?*
3. *nombro de la grupoj, kiuj apartenas al la asocio?*
4. *Kiom da personoj ampleksas ĉiuj asociaj grupoj entute? (inkluzive la izole aliĝintaj)*
5. *ĉu via asocio eldonas oficialan gazeton? kiun?*
6. *ĉu via asocio eldonas oficialan lernolibron? kiun?*
7. *preciza adreso de via asocio?*

Nur por naciaj asocioj:

8. *kiom da lernolibroj (laŭ kalkulo de l' eldonistoj) estas venditaj ĝis hodiaŭ?*
10. *kiuj Esperanto-gazetoj aperas en via lando?*

*

III.

**Demandaro por izole vivantaj esperantistoj kaj lokoj, en kiuj ne ekzistas grupoj:**

1. *lando?*
2. *loko?*
3. *nombro de la esperantistoj* (ankaŭ se ekzistas nur unu, li nepre respondu!)
4. *ĉu en via lando en aliaj lokoj ekzistas esperantistoj? kaj kie?*

*Subskribo kun adreso.*

Kial ni kalkulu la izole vivantajn esperantistojn? Ne nur, ĉar ili estas tre gravaj personoj por la disvastigo de nia movado, sed ankaŭ, ĉar estas tre grafa afero, konstati, en kiom da lokoj en la mondo ekzistas anoj de nia movado.

* * *

*Mi atentigas rilate demandon 8 en la skemo I,* ke D-ro Zamenhof mem difinis, kiu estu rigardata kiel „esperantisto" (vidu la „Bulonjan Deklaracion"). Oni atakis min, ĉar mi en mia unua alvoko ne difinis ĉi tiun esprimon. Mi ne povas difini alie kaj esti pli prudenta ol nia Majstro.

En multaj respondoj, bedaŭrinde precipe el la plej grandaj urboj, oni ne respondis ĉi tiun demandon. Tiuj, kiuj ne respondis ĝin, bonvolu fari tion ankoraŭ sur simpla poŝtkarto. Tiam ni ricevos ankoraŭ ciferojn de kelkmiloj.

Mi dankas denove — ne pro mi, sed pro nia movado — al ĉiuj, kiuj komprenis la gravecon de la statistika entrepreno kaj subtenis ĝin per bonaj, fidindaj raportoj. Se mia lasta alvoko ne sukcesos, mi malesperas — ne pri la boneco de nia afero (ĝi certe iam venkos!), sed pri tio, ke la nuna generacio estas ne sufiĉe matura, venkigi ĝin.

La demando: „Kiam aperos la definitiva statistiko?" dependas nur de vi, gesamideanoj, kaj de via bona volo. Pripensu: se la „Tutmonda Statistiko" ne povas esti publikigata, tiam tio signifas kvazaŭ frapon por ni ĉiuj; se ĝi sukcesos, mi povos havigi al nia movado treege necesan propagandilon. *D-ro Dietterle*



# Leteroj de D-ro Zamenhof kaj Zamenhofaĵoj de la unua periodo

Ĝis nun oni ne konstatis, kiuj leteroj de D-ro Zamenhof ankoraŭ ekzistas. Estas necesege fari tion, ĉar baldaŭ ne plu vivos la samideanoj, kiuj korespondis kun nia Majstro, kaj oni povas dubi, ĉu iliaj heredontoj sufiĉe komprenos, kian trezoron reprezentas la Zamenhof-aj leteroj trovotaj en la koncernaj postlasaĵoj. Kaj ankoraŭ malpli ili eble komprenos la valoron de la lernolibroj kaj Esperanto-gazetoj de la unua periodo de nia movado (por kiuj D-ro Zamenhof verkis la plej gravajn artikolojn), kiuj eble estos viktimo de iu makulaturisto. Estas vere terure, kiom rapide dum nia rapide vivanta generacio libroj kaj gazetoj malaperas. Jam post tridek jaroj oni tre ofte nur kun granda peno povas konstati restaĵojn de libroj kaj gazetoj iam sufiĉe disvastigitaj.

La jubilea jaro ŝajnas al mi taŭga momento, entrepreni ion, por konstati nepre konstatindan aferon. Do,

1. mi petas ĉiujn samideanojn, kiuj ankoraŭ posedas leterojn de nia Majstro, ke ili bonvolu sciigi min pri tio. Ili bonvolu noti la daton kaj mallonge skizi la enhavon de ĉi tiuj leteroj aŭ poŝtkartoj ktp. kaj doni al mi siajn adresojn;
2. mi starigos liston de ĉiuj leteroj Zamenhof-aj kaj publikigos ĝin, por ke la venonta scienca historiisto de nia movado havu la eblecon, uzi ĉi tiun materialon;
3. ankoraŭ pli agrable estus por la tuta esperantistaro, se la posedantoj de Zamenhof-aj leteroj precize kopius ilin kaj sendus la kopiojn al mi;
4. kaj plej agrable estus, se ili sendus la originalojn kaj donus al mi la permeson, kopii ilin.

Mi garantias al ĉiuj:

a) nepre bonegan konservadon de la materialo,
b) kiel eble baldaŭan resendon,
c) plenan rekompencon por ĉiuj sendkostoj aŭ kostoj de la kopiado.

(Mi esperas, ke la fakto, ke mi estas la direktoro de la Germana Instituto, estos sufiĉa garantio por tio, ke mi agos laŭ miaj garantiaj vortoj.)

Kompreneble la sendado okazu nur en bone kaj zorge pakitaj kaj „rekomendit'aj" sendaĵoj.

Mi petas ĉiujn, kiuj ankoraŭ posedas lernolibrojn kaj gazetojn ktp. de nia unua periodo, ke ili sciigu tion al mi. (Precipe oni raportu pri jarkolektoj de „La Esperantisto", nia unua gazeto, aŭ unuopaj numeroj de tiu gazeto, pri la unuaj jarkolektoj de „Lingvo Internacia" kaj pri la diversaj eldonoj de la I. kaj II. broŝuroj de D-ro Zamenhof kaj la unuaj eldonoj de la „Fundamento" kaj „Krestomatio".) Ankaŭ pri ĉi tiuj libroj kaj gazetoj mi faros liston, por ke la esperantistaro sciu, kie troviĝas ili.

Cetere estas tre urĝa tempo por ĉiuj samideanoj, kiuj havis la feliĉon, travivi, kiel aktivaj pioniroj, la tempon de la unuaj paŝoj de Esperanto, ke ili kontrolu siajn bibliotekojn kaj zorgu, por ke la precipe valoraj gazetoj kaj libroj malnovaj estu signataj kiel tiaj, ĉar alie ili post la morto de la nunaj posedantoj eble malaperos pro nesufiĉa instruiĝo de la heredontoj.

Ĉi tiuj personoj, kiuj eble intencas, vendi tiajn maloftaĵojn, estas petataj, sciigu min pri tio kaj pri la prezo postulota, ĉar tre ofte alvenas al la Instituto Germana demandoj pri tiaj libroj kaj gazetoj.

Kun samideana saluto

*D-ro Dietterle*
Direktoro de la Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko
Leipzig-W. 31, Seumestr. 10

# Harald Thilander

Pioniro de la blindaj esperantistoj, la svedo Harald Thilander en Stocksund apud Stockholm, atingas aĝon de 50 jaroj.

En nomo de UEA D-ro Privat vizitis lin en Stockholm kaj alportis al li stanan vazon kun reliefaj ornamaĵoj kaj dediĉo gravurita en Esperanto kiel dankesprimon de la esperantistaro.

Ne multaj konas la grandegan laboron por alta idealo, je kiu estis plena tiu vivotempo; ne multaj konas la bataladon malfacilan kontraŭ korpa malforto, malbonaj vivkondiĉoj, nekomprenanta bonvolo de la ĉirkaŭantoj, kiu antaŭiris la venkon, kies fruktojn nun povas ĝui la blindularo de la tuta mondo. Senviduloj de ĉiuj kontinentoj kun dankemo plej profunda direktos siajn gratulojn al li okaze de lia naskotaga festo la 25-an de Oktobro 1927. Espereble ankaŭ vi, kara leganto, volos ĝojigi lian festotagon, iel akcelante lian grandidean klopodon: per Esperanto kunigi la blindulojn de ĉiuj landoj por komuna laboro memkleriga, donante al la vivo de la samsortuloj idean enhavon. En pluraj landoj blinduloj lernintaj Esperanton estas ankoraŭ malmultaj; ĉie ili estas malriĉaj: ĉia malplikarigo de la esperantaj gazeto kaj libroj signifas tial por ili samtempa liberigo de vera ofero.

Kara leganto, nur per si mem la vivo de ĉi tiu viro estas admirinda. Filo de vilaĝa instruisto, li sepjara blindiĝis pro sekvoj de skarlatino; liaj manoj kaj piedoj kripliĝis; lia sano dum jardeko estis tre malforta, kaj de tiu tempo lia aŭdopovo ĉiam pli malboniĝadis. Gis sia 30-a jaro li vivis en azilo por nesanigebluloj en Stockholm. Tie oni opiniis, ke ne penindas doni al li ian superan edukon; nur la plej necesajn aferojn oni instruis al li: religion kaj Brajlan skribon, la reliefan punktskribon por blinduloj. Oni ne sciis, kia genia menso, laborema, soifanta pri scio, vivas en tiu ĉi malfortika korpo. Ja la lernemo, kiu karakterizis jam liajn unuajn jarojn de infano, dum longa tempo dormis en la katenoj de la daŭra malsano, sed kiam ĝi revekiĝis — kiom da baroj! La azilestrino malfavoris, malpermesis al li studadon, foje eĉ forbruligis liajn laboraĵojn, bonintence sed senprudente; ĉiujn lernolibrojn ne haveblajn li devis kopii per sia kripla mano en Brajla skribo, helpate de kamarado, kiu diktadis al li la preskaŭsurdulo. La francan, la anglan kaj la germanan lingvojn li tiel studis — 20 dikaj Brajlaj volumoj fariĝis el la anglaj vortaro kaj gramatiko! Kiam li iom progresis en la studado de lingvo, li havigis al si blindajn korespondantojn en la landoj de la koncerna lingvo kaj interŝanĝis kun ili informojn kaj raportojn pri la landa vivo. Li baldaŭ konsciiĝis pri tio, ke tia komunikiĝo inter la diverslandaj blinduloj estas nepra bezono. Jen, tuj li estis ĉe la problemo de mondlingvo. Mem li spertis la egan malpraktikecon por blinduloj diverslingvaj — li estis preta akcepti la solvon de la problemo, kiun donis al la homaro D-ro Zamenhof.

Unue li estis repuŝata kredante, ke Esperanto estas nur nova Volapük, sed la himno konvertis kaj konvinkis lin. Unu tutan tagon li pasigis inter la arboj, meditante pri la afero — benata estu tiu tago, kiam li elektis al si la altan taskon disvastigi inter la blinduloj esperantismon! Tuj li komencis. Sed pripensu lian situacion! 23-jara azilano tute dependa de vartantoj, kiuj konsideras kiel sian devon konservi al li trankvilon, izolecon kaj senzorgon ĝis la morto, vivon sen laboro, dume li deziregas labori ne nur por gajni la vivrimedojn sed ĉefe por siaj samsortuloj, por la bono de la tuta homaro! Kia pacienca persisto! Ĉie malfido, ĉie bonvola malkonsilo. Sed ne, feliĉe unu fidis lin kaj lian talenton: blinda virino samspirita, kun kiu li konatiĝis 1903 kaj edziĝis 1919. Ŝi dediĉis sian monon, tempon kaj fidelan laboron por helpi lin; ŝi estis kaj estas vere lia bona anĝelo. Ŝi atingis, ke S-ro Thilander fine povis forlasi la azilon, kio savis lin; ŝi helpis lin al memstara pozicio, kaj nur post kelkaj jaroj liaj vastaj scioj kaj granda talento havigis al li firman oficon: depost 1909 li estas redaktoro de la sveda porblindula semajna gazeto kaj la ĉefa Brajlo-presisto en Skandinavio, li, kiun oni konsideris neniam plu kapabla perlabori sian vivon. Jen venis la sopirita momento! Nun li povis utiligi siajn sciojn, spertojn, pozicion, energion por la bono de l' homaro — per Esperanto.

1912 profesoro Cart, la granda blindulamiko, transdonis al li „Esperantan Ligilon", kiun Cart fondis en la jaro 1904. La granda milito interrompis la eldonadon 1916, sed depost 1919 ĝi ree ĉiumonate disiras en la mondon, portante freŝan aeron el ekster la landlimo al la diverslandaj blinduloj; ĝi estas la sola vere internacia ligilo de la senviduloj. Nuntempe ĝi estas presata en 750 ekz. kaj sendata al 30 landoj. Sed ĝi ne sufiĉas por S-ro Thilander, kvankam ĝi estas lia korinfano. Li presas Brajlan eldonon de la Internacia Radio-Revuo, li presas fakajn lernolibrojn, en ĉi tiu jaro li komencis Internacian Brajlan Bibliotekon laŭ la modelo de la entrepreno de Mosse, konsciante, ke ankoraŭ estas tro malmulte da esperantlingva literaturo por senviduloj. Jam li dissendis du kajerojn, aldonante ilin senpage al la „Esperanta Ligilo": unu rakonteto el sveda lingvo (43 paĝoj), Selma Lagerhöf *„Onklo Ruben"*; 2-a, fabeloj de H. C. Andersen el la dana (89 paĝoj). La lastan duoblan kajeron oni uzos kiel kursan legolibron en angla lernejo por blindaj knabinoj. Kaj materialon por venontaj jam afable disponigis aŭ promesis esperantistoj diverslandaj: estos brazila, bulgara, ĉeĥa, franca, islanda ktp. kajeroj.

Sed ĉio kostas monon. Tri kvaronojn de la kostoj de „Esperanta Ligilo" pagas blindulinstitutoj ĉiulandaj, donacoj certigis almenaŭ la proksimajn kajerojn de l' Internacia Brajla Biblioteko, sed nur por limigita eldono kvarfoje pojare. Ilin ricevas nur la abonantoj de „Esperanta Ligilo", kiun povus aboni ankoraŭ pli multaj senviduloj, se ĝi estus pli malkara. Kaj lia presejo kapablas liveri multe pli da Brajla esperanta legaĵo ol nun. Ni do devus praktike montri nian samideanan estimon por tiom granda energio per unufoja aŭ daŭra subteno mona de lia klopodo, ebligi al la blinduloj internacian percepton, ebligi al ili sekvi la kulturan evoluon de l' homaro en literaturo, scienco kaj praktiko. *S. O. J.*

---

P. S. Jus frapis S-ron Thilander terura bato: mortis lia kara edzino, fidela kaj sindona helpantino de ĉiuj liaj laboroj. Ni tutkore partoprenas lian kruelan doloron kaj esprimas al li la profundan simpation de la esperantistaro. Red.

---

# KRONIKO

## Belglando.

### IV. Semajnoduo internacia

Monda Palaco, Bruselo — 17 ĝis 31 Julio 1927

En la lasta semajno-duo okazis Esperanto-tago (sabaton la 23 Julio) kaj ĉeestis invitita S-roj inĝ. Isbrücker kaj pacjuĝisto Cogen por doni paroladon en Esperanto.

S-ro Isbrücker parolis pri „La progresoj de la telefonio". Nia sperta samideano klarigis la demandon komence de la glora invento de Graham Bell; li montris la konsiston de telefono per sur la nigra tabulo, li klarigis la diversajn plibonigojn al ĝi faritaj kaj la pli kaj pli komplikan ilaron necesan por certigi la publikan servadon en la grandaj urboj kaj inter urboj diversaj.

Posttagmeze S-ro Cogen siavice faris paroladon pri „La harpo tra la jarcentoj". Car la programo de l' semajnoduo menciis, ke okazus samtempe voĉ- kaj instrumenta aŭdado, ankaŭ eble pro la pli favora horo, publiko de neesperantistoj tre multenombra, pli ol cent personoj, ĉeestis, kvankam la programo menciis, ke la parolado okazos en Esperanto.

S-ro Cogen komencis dirante per kelkaj mallongaj frazoj franclingvaj, kio estas la celo de la lingvo internacia kaj de la esperantlingvaj paroladoj dum la Semajnoduo, nome montri la kapablecon de Esperanto esprimi ĉiujn ideojn en kiu ajn fako de l' homa agado. Tiam li, en Esperanto, ekparolis pri la belega instrumento kies deveno perdiĝas en la jarcentoj de l' Antikva Egiptujo. Li

klarigis ĝiajn specialajojn koncerne formon, grandecon, kordonombro, uzado k. c., ĉe la diversaj antikvaj kaj mezepokaj popoloj kaj la grandajn progresojn realigitajn.

S-ro Cogen sukcesis veki grandan intereson ĉe sia neesperantista aŭskultantaro. Neniu foriris antaŭ la fino de l' parolado, kaj dum ĝi ĉiuj ĉeestantoj videble sekvis kun grandiĝanta intereso la bone komprenatajn klarigojn de nia samideano. Laŭta aplaŭdado montris ĉies kontentecon kaj multaj personoj esprimis sian miron pri la facila kompreneblecc de la lingvo internacia. *Ceestinto*

*Antwerpen.* — 3 Septembro diplomdisdono al la laŭreatoj el du kursoj organizitaj de „La Verda Stelo" S. s. p. c. kaj el unu de la „Komerca Grupo". — 10. IX. „La Verda Stelo" amike akceptis Ges-rojn Hazime Asada el Nagasaki. — 20. IX. la unua vintra kurso malfermiĝis. Sukceso. Pli ol sesdek lernantoj ĉeestis la unuan lecionon. — 27. IX. alia kurso kun franclingvaj klarigoj komenciĝis. — Bela esperantista ekspozicio aranĝita en la vendejfenestregoj de Ges-roj A. Faes, en la centro de la urbo, altiris la atenton de multaj personoj kaj estis bonega varbilo por la kursoj. — Krom la grupaj kursoj estas ankaŭ anoncitaj kursoj en la vesperlernejoj organizitaj de la urba administracio. La programoj de „Sindikato de Oficistoj" kaj la Laborista Popoluniversitato ankaŭ enhavas kurson de Esperanto.

## Brazilo.

*Rio de Janeiro.* — Brazila Ligo Esperantista sciiginte, ke la fama franca urbanisto, prof. Alfred Agache, estis invitita de S-ro Antonio Prado Junior, urbestro de Rio de Janeiro, por fari paroladojn pri „Urbanismo", estas fervora esperantisto, sendis al li salutan radiogramon en Esperanto, kiun li tuj respondis. Ĉe lia alveno al Rio de Janeiro kelkaj estraranoj de B. L. E. lin vizitis. Kelkajn tagojn poste li vizitis la sidejon de B. L. E.; multaj esperantistoj ĉeestis.

15 Julio S-ro Agache faris paroladon en la salono de la Societo de Geografio de Rio de Janeiro en Esperanto pri „Urbanismo kaj urbanistoj", kiun ĉeestis ankaŭ multaj neesperantistoj. S-ro inĝ. L. Porto Carreiro Neto ĝin resumis en portugala lingvo.

24 Julio okazis tagmanĝo, kiun ĉeestis, kiel honora gasto, prof. A. Agache. Salutis prof. J. B. Mello e Souza, kiu poste legis humorajajn versajojn aludajn al la celo de la vizito al Rio de Janeiro de la fama urbanisto. Poste parolis S-roj inĝenieroj prof. E. Backheuser, A. Couto Fernandes kaj Annibal de Souza. Tre kortuŝite S-ro Agache dankis ĉiujn amikajojn al li faritajn de siaj brazilaj samideanoj kaj deziris al ili ĉiujn feliĉojn.

La plej gravaj ĵurnaloj en Rio de Janeiro parolis pri tiuj okazintajoj kaj multaj personoj ekinteresiĝis pri Esperanto.

## Britlando.

*Ipswich.* — Naskiĝis grupo „Verda Stelo". Kurso ĉiulunde sub gvidado de S-ro F. Douglas Murphy, Delegito de UEA. Duono el la anaro estas skoltoj.

*Sheffield.* — 17 Septembro en la Primitive Methodist Schools, Woodseats, granda Esperanto-ekspozicio. S-ro W. E. Bemrose, la redaktoro de grava gazeto „Sheffield Independent", malfermis la ekspozicion. Vespere koncerto, dum kiu S-ro konsilanto E. G. Rowlinson, la prezidanto de la Sheffielda Urba Edukado-Komitato, parolis. Li informis, ke, se partoprenus sufiĉe da personoj, la urbo okazigus vesperajn kursojn de Esperanto. — Du oficialaj kursoj. La urbo subvencias tri kursojn organizatajn de la Workers Educational Association. S-ro konsilanto A. Barton, prezidanto de la Urbaj Bibliotekoj, sciigis, ke la bibliotekoj nun havas kontentigan kvanton da esperantaj libroj. Parolis S-ro G. Lathan, estonta kandidato parlamenta, kaj F-ino C. M. E. Morton, la sekretariino de la Yorkshire Esperantista Federacio.

Inter la posttagmeza kunveno kaj la vespera koncerto okazis kelkaj gramofonaj koncertoj. Oni povis aŭdi la malfermon de la Danziga Kongreso. Kelkaj grupanoj faris propagandajn paroladojn pri Esperanto kaj radio, turismo, komerco, Esperanto-organizajoj, -gazetoj, -literaturo ktp.

Dum la tuta tempo la ekspoziciejo estis multe vizitata kaj estiĝis granda intereso al Esperanto.

## Bulgario.

Movado kreskas, sed la nacia organizajo montras malfortiĝon. Financa krizo postlasis ŝuldojn je pli ol 100 000 levoj. Tiu stato repuŝas multajn por eviti respondecon. Tiel, la jara raporto de BEA ĉe la XIV-a Bulgara Esperanto-Kongreso notis nur 350 pagintajn membrojn, dum en la lando estas miloj da esperantistoj. La XIV-a Bulgara Kongreso okazis en Plovdiv la 14, 15 kaj 16 Aŭgusto j. k. Ĉeestis preskaŭ 400 esperantistoj, el kiuj rajte partoprenis la diskutojn kiel delegitoj nur 27 personoj! La kongreso elektis novan Centran Komitaton por prov-periodo de tri monatoj, kun deklaro, ke, se ĝis la 1-a de Januaro 1928 la C. K. ne eksentos la apogon de la bulgaraj esperantistoj, ĝi proponos al referenduma solvo la demandon pri likvidigo de la organizajo.

Tia estas la nuna bedaŭrinda stato de la florinta organizajo de la bulgaraj esperantistoj. Dume aperas ĉiutage novaj samideanoj en lokoj, kie neniu esperis iam trovi esperantistojn. Tamen malmultaj emas aliĝi al la organizajo.

La nunjara „verda propaganda semajno" okazos de la 6-a ĝis la 13-a de Novembro. Dum ĝi en ĉiu loko, kie estas esperantisto, estos aranĝata publika propaganda kunveno kun priesperantaj prelegoj. De la Centra Komitato de BEA estos presigataj kaj dissendataj al ĉiuj lokoj diversaj afiŝoj kun Esperanto-lozungoj. Dum la tagoj de la verda semajno la tuta lando dronos en propagandaj afiŝoj.

## Ĉeĥoslovakio.

*Bratislava.* — Fondiĝis Juda Esperantista Grupo, kurso kun 70 judaj lernantoj. Adreso: S-ro Tauber, Michalova 16.

*Praha.* — Lumbilda prelego pri Finnlando de ĉefkomisario A. Pitlik. Sama pri Katalunio de D-ro Parma. — Festo de datreveno de Esperantista Klubo kun ekspozicio.

*Stupno* apud Plzen. — Diservo en Esperanto de P. Mašek, konsistoria konsilanto.

*Ivancice.* — Finiĝis kurso sukcese, vizitita ĝis la fino de 30 personoj. Aniĝis el ili al UEA 5 personoj. Delegito de UEA estis elektita.

*Praha.* — Esperantista Klubo festis 25-jaran ekziston, kaj 40-jaran jubileon de Esperanto, per bela ekspozicio, fest- kaj memorvespero. Ekspozicio estis malfermita la 18 Septembro en halo de „Merkur" kaj daŭris 8 tagojn. Sur la muroj, sur tabloj kaj en vitropordilaj ŝrankoj estis dismetitaj multaj esperantaj vidindajoj. Busto de nia Majstro en verda kadro de floroj. Esperanta gazetaro, Esperanto kaj komerco, blindula ekspozicio, literaturo, gvidlibroj kaj gvidfolioj, korespondado, interŝanĝitaj objektoj helpe de Esperanto, praktika uzo de Esperanto en gazetara servo ktp. Ĉiuj ĵurnaloj skribis pri la ekspozicio. — Solena festvespero okazis la 18-an en halo Sladkovsky en Reprezenta Domo. Gia riĉa programo estis akceptata per tondraj aplaŭdoj. — Zamenhofa memorvespero okazis en esperantista klubejo. Ĉefa ĝia punkto estis bela parolado de samideanino F-ino Supichova. — Esperantista Klubo estas plej vigla el ĉiuj esperantistaj kluboj ĉeĥoslovakaj kaj rapide kreskas.

## Ĉinlando.

*Shanghai.* — La 40-jara Jubilea Festo de Esperanto okazis la 31 Julio en hotelo „Oriento", partoprenis pli ol 40 samideanoj venintaj el diversaj urboj. Ĉeestis japanaj, aŭstria kaj filipina samideanoj. S-roj Ĉen Caŭ Jin, Varsoza, H. M. Tu, S. L. Li, K. Ishii, Hujucz kaj Lujen Van k. a. donis interesajn paroladojn.



PRAHA — Ĉefa parto de ekspozicio

## Danlando.

*Odense.* — Loka gazetaro favora. „Fyns Social-Demokrat" starigis Esperanto-rubrikon kaj enhavas ofte longajn artikolojn pri Esperanto aŭ tradukaĵojn el la gazetaro. — „Fyens Stiftstidende" enhavis longan, ilustritan artikolon pri D-ro Zamenhof. — La konata sveda socialdemokrato, S-ro urbestro Lindhagen, Stockholm, skribis tre longan artikolon en „Fyns Social-Demokrat" sub la titolo: „Subpremitaj lingvoj en ĉiuj landoj, unuiĝu!" — Societo de Esperantistoj en Odense faris neordinaran ĝeneralkunvenon por elekti novan prezidanton S-ron O. Lange, anstataŭ S-ro Alfred Christensen, kiu elektiĝis prezidanto de Centra Dana Ligo.

*Kopenhago.* — D-ro Privat, prezidanto de I. C. K., vizitis Kopenhagon kun edzino kaj paroladis ĉe publika akcepto aranĝita de la lokaj samideanoj. Ĵurnalistoj ĉeestis kaj ĉiuj gazetoj raportis.

## Egipto.

*Tanta.* — S-ro A. Cepnopulos kantis esperante en la Greka Preĝejo la Evangelion de la Dimanĉo de Pasko. Granda impreso kaj interesiĝo pri nia lingvo. *St. N.*

## Estonio.

Vizito de S-ro Setälä el Helsingfors ebligis utilan priparolon kun instrua ministro kaj artikolojn en gazetoj. Akceptan vesperfeston kaj paroladon organizis nelacigebla F-ino Drezen.

## Finlando.

En Julio okazis tutmonda kongreso de la Laborista Sporta Internacio, fondita en Luzern. Oficiala helplingvo estis Esperanto. En ĝi estis presitaj programo, afiŝoj ktp. Eĉ la ministro de eksterlandaj aferoj, D-ro Voionmaa, salutis la kongreson en Esperanto. Post elokventa interveno de S-ro Kostiainien, la kongreso decidis, ke la Internacio uzos plue la lingvon por sia organizo.

En fino de Aŭgusto alvenis D-ro Privat kun diverslandaj kooperativaj kongresanoj el Stockholm. Li vizitis la ĉefministron, eksterlandan ministron, direktoron de radio-stacio, plurajn ŝtatistojn kaj parlamentanojn. Du ĉiutagaj gazetoj publikigis grandajn intervjuojn pri nia afero. Okazis akcepta vesperfesto kun multnombraj ĉeestantoj el laboristaj kaj burĝaj grupoj. Salutparolis S-ro Setälä en nomo de Esperanto-Instituto de Finnlando.

*Kuopio.* — Somerkunveno de EAF 16 Julio. La kunveno decidis admoni, ke la societoj redaktu gvidfolietojn pri la plej gravaj urboj kaj vidindaĵoj de la lando. La eblaj elspezoj povus esti pageblaj ekz. tiel, ke la negocistoj, hotelposedantoj ktp. pagu ilin, se ili esperas, ke iliaj hoteloj, restoracioj, vendejoj estu menciataj en la gvidfolieto. Esperanto-Societo de Kuopio jam havas en verkado flugfolion pri Kuopio kaj ties tutmonde konata, bela ĉirkaŭaĵo. *H. S.*

## Franclando.

*Lyon.* — Dum Aŭgusto okazis en tiu ĉi urbo la ĉiujara kongreso de SAT, la klasbatala organizaĵo esperantista. Pluraj SAT-anoj trapasis Genevon kaj vizitis la C. O. de UEA, kie oni helpis pri ricevo de l' franca vizo.

*St. Etienne.* — Post la kongreso de SAT 17 Aŭgusto en Lyon kelkaj partoprenintoj venis al St. Etienne kaj organizis kunvenon en la Labora Borso kun la helpo de la loka laborista Esperanto-grupo la 17 Aŭgusto.

## Germanio.

*Dresden.* — En ekspozicio pri germana laboro (Jahresschau Deutscher Arbeit) elmontro de Esperanto-gazetaro.

— Loka Societo de G. E. A. Monata kunveno okazis la 16. IX. kaj servis ĉefe por la preparo de la varba laboro dum la Esperanto-semajno de 2-a ĝis 10-a de Oktobro. Oni anoncos, disdonos flugfoliojn, aranĝos paroladojn en diversaj fakrondoj, speciale inter instruistoj helpe de la Saksa Esperanto-instruistaro, kaj kronos la semajnon per jubilea festkunsido la 10-an de Oktobro en la „Städt. Berufsschule". En tiu kunsido parolos S-ro Häkscher pri „Olimpio", krome estos inde menciata la 40-jara historio de niaj lingvo kaj movado kaj honorigataj kelkaj malnovaj membroj per la Zamenhof-plakedo „Pro Fideleco". Kurso malfermiĝos meze de Oktobro. —

*Freiburg i. B.* — Ĉefkunveno de Suda Ligo, esperanta laborunuiĝo en Baden-Württemberg, okazis la 1—2-an de Oktobro en restoracio Kopf, Engelstrasse. La propaganda vespero estis ofi-

ciale salutita de reprezentantoj de la urbestraro: urba konsilanto Geiler, de la poŝtadministracio: supera direktoro Linder kaj supera inspektoro Stadler. Paroladis D-ro Vogt-Stuttgart pri „Esperanto kiel kulturfaktoro" kaj redaktoro Reichert pri „Esperanto kaj laboristaro". Sekvis arta programo, deklamoj kaj kantoj. La kantojn bonege prezentis opera kantistino F-ino Gunderloh, Esperanto-marŝon soldancis F-ino Coumont, membro de la urba teatro. Bonegan pruvon pri la facileco de Esperanto donis la 9-jara Ursula Döring per deklamo kaj improvizita konversacio. — Riĉa ekspozicio de libroj kaj gazetoj instruis pri la granda disvastiĝo de nia lingvo. — La 2-an de Oktobro okazis laborkunsido de la Suda Ligo. Oni starigis laborprogramon por la venonta jaro, elektis ekzamenkomisionon kaj propagandkomitaton. Kiel venontjaran konferenclokon oni destinis Pforzheim.

*Koblenz.* — La 18. 8. finiĝis tie ĉi la „Verda Libertempo". Ekskursoj al Bad Ems, Nassau, Laacher See (lago) kun Benediktana Abatejo, Braubach, kastelo Marksburg, „Wüstenhof" apud Vallender, kie Goethe verkis la konatan kanton „Knab' rozeton vidis li". Oni vizitis la grandan ekspozicion „La Rejno, ĝiaj estiĝo kaj efikado", kiu troviĝas sur la ekspozicia tereno de Koblenz apud la pentrinda „vinvilaĝo". — Fondo de libertempa unuiĝo esperantista estas konsiderata, por kiu proponojn akceptas la Delegito de UEA (S-ro Leono Funken).

*Plauen i. V.* — Loka grupo festos la 12 Novembro 1927 20-jaran ekziston. Invitas samideanojn, partoprenu. Samtempe okazos la distrikt-kunveno Zwickau - Plauen. Ejo: Salonego de „Bergschlösschen", Plauen i. V., Rinnelberg 10. La saman tagon posttagmeze je la 14,30 h. „ekzamenoj pri kapableco" en la kunvenejo de la grupo, Gottschald-Str. 25, II.

*Radeberg* (Sakcio). — Laŭ instigo de la loka grupo de G. E. A. „Verda Stelo" la 15. IX. okazis en la „Unuiĝo de iamaj real-lernejanoj de Radeberg" propaganda vespero por Esperanto, kies ĉefan paroladon faris S-ro Johannes Karsch, Dresden. — Riĉa Esperanto-ekspozicio en la montra fenestro de librejo Pfeil en Radeberg.

*Vechta.* — Fondiĝis „Nordmara Esperanto-Ligo" por Bremen, Oldenburg, Orientfrislando kaj norda Hannover. Prezidanto estas profesoro Kösters en Vechta i. O. Kotizo 0,10 RM po monate. Aliĝojn akceptas la sekretario Fr. Piper, Vechta i. O. — En la misia lernejo de la Dominikanoj kurso kun 30 lernantoj. — Komenciĝas kurso en la plej supra klaso de la gimnazio. 17 lernantoj.

## Greklando.

*Ateno.* — Ekzameno post kurso en „Marslion, pedagogia instituto; submetiĝis 10 personoj. Du unuaj premiitinoj: F-ino Hellas Miĥaelidis kaj F-ino Janakakou ricevis medalon.

*Pireo.* — Loka grupo oficiale aprobita. Kurso gvidata de D-ro A. Stamatiadis finis. Grupa adreso: Placo S. Konstantino 12.

## Hungario.

*Budapest.* — El raporto pri la jarkunveno de la Hungaria Esperanto-Societo Laborista, kiu pro manko de loko ne povis aperi en „Esperanto", ni eltiras la ciferojn sekvantajn: 947 aktivaj anoj, 468 subtenantoj, sume 1415 individuaj anoj. Pliiĝo de la membraro kontraŭ pasinta jaro je 30 %. 113 kursoj kun 1819 partoprenantoj. Ni rimarkigas tie ĉi, ke HESL estas organizajo regule informanta nin pri interesaĵoj.

— La 9 Septembro kunsido en hotelo „Continental" de Hungarlanda Esperanto-Societo. S-roj Paulo Tolnai kaj Paulo Balkanyi rakontis pri la vojaĝoj al Danzig kaj Warszawa. Regulaj kunvenoj ĉiuvendrede vespere 8-10 h. en kafejo Angol, VII, Erzsébet-körut 30 (aparta ĉambro).

En la Internacia Reklam-Ekspozicio estis Esperanto-ekspozicieto. Simile ĉe Kristana Ekspozicio.

— En hotelo „Continental" jarkunveno de la Hungarlanda Societo. Partoprenis 50 personoj. Parolis vicprezidanto D-ro Lorand pri Esperanto dum 40 jaroj. Oni aŭdis la raporton de ĉefsekretario Takacs kaj kasisto Tolnai. La centro partoprenis ĉe ekspozicioj, aranĝis paroladojn kaj ĝis Decembro pasinta eldonis gazetservon. Referato de Ĉefdelegito de UEA, Balkanyi, pri la XXI-a Universala Kongreso de Esperanto en Budapest, al kiuj kelkaj oficialaj, influaj institucioj jam promesis plenan helpon. Oni komisiis la estraron fondi preparan komitaton. La kunveno eldonis alvokon al la hungara socio por helpi la kongresan laboron. Pastro Andreo Ĉe estis elektita kiel honormembro. — La jarkunveno de UEA sub prezido de registara ĉefkonsilanto D-ro Patai. Oni denove alvokis, ke ĉiu estu membro de UEA. Interesa raporto pri la blindula grupo, kiu ankaŭ lastjare kreskis kaj aranĝis sukcesajn kursojn.

*Debreczen.* — Du kursoj komenciĝis. Vigla propagando. Partopreno ĉe filatelia ekspozicio. Okazis kunveno de studentoj.

*Kiskunhalas.* — S-ro D-ro A. Marich, ĝenerala direktoro de Tutmonda Polica Ligo, paroladis pri Esperanto. Esperanto-grupo fondata per la varbado de S-ro Kiss, financa ĉefkomisaro.

## Italio.

### La 12-a Kongreso de Italaj Esperantistoj en Napoli

De la 3 ĝis la 8 Septembro okazis la 12-a Nacia Kongreso de Italaj Esperantistoj, rimarkinda pro la aliĝo de eminentaj viroj de la Itala Registaro. Sidejo de la kongreso estis la belega palaco de la Napola Komerca Ĉambro.

Aliĝis al la kongreso la Ministro de Financoj, la Prezidantoj de Italaj Senato kaj Parlamento, multaj regionaj aŭtoritatoj, la Direktoro de la Universitato de Napoli ktp. Prezidanto de la kongreso estis S-ro Admiralo Trifari, vicprezidantoj la samideanoj profesoroj Cesarini el Potenza, Piatti el Milano kaj Facchi el Brescia.

La kongreso sendis saluttelegramojn al lia Reĝa Moŝto Viktoro Emanuelo, al la Estro de Itala Registaro Benito Mussolini, al la Sekretario de la Itala Faŝista Partio S-ro A. Turati.

Dank' al la lerte senlaca laboro de la kongreskomitato (ni precipe menciu la delegiton por la kongreso, Del. de UEA prof. kom. Nicola Magliulo) la kongreso disvolviĝis tre fruktodone en siaj kunsidoj. Rezultoj certe sekvigos pli aktivan disvastigon de Esperanto en Italujo. Dum la ferma kunsido oni elektis komitaton (kies tasko estos la reorganizo de la Itala Esperantista Federacio), konsistanta el profesoroj Magliulo, Renda (Direktoro de Registara Lerneja Komitato por regiono Piemonte), Giani, S-roj samideanoj Facchi kaj Filippi, D-ro Canuto.

Prof. Celentano, konata aŭtoro de leĝaj aferoj, faris dum lasta tago de la kongreso tre interesan prelegon je la temo „Esperanto kaj la diplomataj rilatoj", en kiu li konkludis dirante, ke estus treege konsilinda, ke la Ligo de Nacioj uzu, kiel internacian lingvon, Esperanton. Sukcesaj, gajaj kaj instruaj estis la ekskursoj de la kongresanoj al Pompei kaj Pozzuoli.

Partoprenis la kongreson portante la saluton de fremdlanda samideanaro F-inoj D-ro P. Muszkatblat en Varsovio kaj A. Tarantikova el Praha.

La interna situacio de esperantismo en Italujo, kiel la agado de la Itala Esperantista Federacio laŭ la raportoj faritaj de la vicprezidanto de la I. E. F. inĝ. R. Orengo, rezultis viglaj kaj aktivaj. S-ro inĝ. Orengo anoncis gravajn plibonigojn en la organizo de I. E. F. kaj la novan eldonon de speciala bulteno de ĉi tiu asocio. Pri la nuna situacio de Esperanto en Italujo kaj pri esperantista propagando faris efikan prelegon prof. F. Cesarini el Potenza. La ferma kunsido okazis posttagmeze de la 8 Septembro.

*Assisi.* — Fondiĝis grupo en la urbo de S. Francisko. Prezidanto parofiestro Angelo Brunelli.

*Como.* — Grupo fondiĝis; prezidanto Mauri Rocco, sekretario Rag. Pierino Castiglioni, Del. de UEA. Adreso: ĉe la Del. de UEA, C. P. Via Vittorio Emanuele 35.

*Udine.* — Grupo aliĝis al „Opera Nazionale Dopolavoro", kies membroj per ŝtata helpo, post la taga laboro, sin mem plenedukas. Kvin instruparoladoj.

— 4. 9. funebra ceremonio ĉe tombeja preĝejo je memoro de samideano Mario Cavagna, UEA-ano, grupkonsilinto. Estis malkovrita arta memortabuleto kun surĉizitaj memorvortoj: „Ĉio el Vi ne mortis!" La memor-tabulon ni ŝuldas al samgrupano Anĝelo Zoratti. Grupprezidanto parolis ĉe tomboŝtono pri la amiko tro frue malaperinta. Trideko da grupanoj ĉeestis. — 11. 9. Ekskurso al urbeto Tarĉento. — 15. 9. Malfermo de kurso por komencantoj. Gvidas sekretario Dolce, Vic-delegito de UEA. — 21. 9. Publika vesperparolado de librotenisto Coradazzi pri: La industria evoluo je la „Ford"-organizacio. *J. D. S.*

## Japanlando.

*Kanazaŭa.* — Kursoj en la Unua Mezlernejo, en Supera Lernejo kaj ĉe Komerca Ĉambro.

## Jugoslavio.

*Zagreb.* — Vigle laboris „Esperanto-Rondo de grafikaj gelaboristoj". Dufoje konversacio kaj en liberaj horoj ili laboris aranĝante ekspozicion de tutmonda gazetaro, kiu estos malfermata dum aŭtuno. Rondo malfermis novan kurson kun 40 personoj. Koresponda kurso en „Grafički Radnik" — laŭ „Kursa lernolibro" de E. Privat — aperas en ĉiu numero. Laŭ koresponda kurso lernas proksimume 200 da grafikaj gelaboristoj.

## Latvio.

*Riga.* — Post la Jubilea Kongreso vizitis Rigan S-ro Vilho Setälä kun edzino. Nia finna samideano paroladis en sukcesa kunveno kaj estis akceptita de instrua ministro kun bona efiko ĉe la gazetaro.

## Nederlando.

*Hago.* — Miloj da vizitantoj montras intereson pri la Esperanto-stando en foiro, organizita de „Por-virina Gazeto" (9—19 Septembro 1927). Per la vendo de manlaborajoj, faritaj de S-ino de Gorter kaj S-ino Ferlaak, multe da mono fluas en la kason de „Fine ĝi venkos!".

*Leeuwarden.* — La Frisa Esperantista Rondo klopodis en la „Kontrola Komisiono por la Instruado". Rezultato, ke ĉi tiu oficiala komisiono aranĝis publikan kunvenon, okazinta 11 Majo, kaj al kiu ĝi invitis ĉiujn geinstruistojn, la instru-inspektorojn, la komunuman estraron ktp. S-ino Isbrücker-Dirksen el Hago klarigis elokvente nian movadon kaj konvinkis la ĉeestintojn pri la utileco de nia lingvo kaj pri la neceso enkonduki ĝin en la lernejojn.

## Paragvajo.

*Asuncion.* — Helpite de samideanoj en Argentino kaj Urugvajo kaj en kontakto kun I. C. K. en Genevo la 7 Aŭgusto fondiĝis tie ĉi la „Paragvaja Esperanto-Ligo". Sekretario S-ro Miguel Chera (adreso: Venezuelo y Entre Rios, Asuncion), kasisto S-ro Antonio B. Solé, kunsidantoj: S-ro Jorge Ritter, F-ino Néstar R. Marzö. Bondeziron al la junaj pioniroj!

## Persio.

*Espahan.* — En tiu ĉi loko, la iama Aspadana de la Ptolemeoj, grava komerca centro la Delegito de UEA Amir Goli Amin forte klopodas, presigas artikolojn en gazetoj, disdonas flugfoliojn kaj donas kursojn.

## Pollando.

*Grudziadz.* — Kursoj kun 24 personoj, gvidataj de S-ro Neumeuer, Delegito de UEA.

*Lwow.* — Dank' al klopodoj de la societo „Esperanto" kaj ĝia sekretario H. Schmützer, oni aranĝis ĉe la nunjara VII-a Orienta Foiro ekspozicion pri Esperanto. La ekspoziciajoj estas klarigataj de bela samideanino al la publiko. Spite de la bruado de la foira vivo, oni aŭdas la gramofon-diskojn kun la prelego de D-ro Privat. *E. H.*

*Sosnowice.* — Vigla grupa vivo, ekskursoj, ekspozicio, prelego.

## Rumanio.

### 7-a Rumana Esperanto-Kongreso, Braŝov, 13—17 Aŭg. 1927

**Sub patronado de la Ministro de Publika Instruado kaj la Ministro de l' Kultoj kaj Artoj. Partoprenis posto J. Baghy kaj pastro A. Ĉe. 250 enlandaj kaj 10 eksterlandaj gastoj.**

Okazis en la pentrinda urbeto Braŝov la 7-a Rumana Esperanto-Kongreso sub la patronado de S-ro D-ro C. Angelescu, Ministro de Publika Instruado, kaj S-ro A. Lapedatu, Ministro de Kulto kaj Arto, kaj sub la honora prezido de generalo J. Gavanescul, komandanto de Armea Korpuso.

Ĉe alveno de la Bukureŝta vagonaro la muzikistaro de la 2-a ĉasista bataliono „Monta" ludis la „Esperon", poste D-ro S. Bantia salutis la gastojn, kies plimulto alvenis per tiu vagonaro.

Pastro Andreo Ĉe okazigis solenan diservon kun altidea elokventa esperant-lingva prediko en la katolika preĝejo.

Dank' al la afableco de D-ro Blaga, direktoro de Liceo Saguna, la solena kunsido malferma ricevis lokon en la bela amfiteatro „Saguna", ĉeestis pli ol 500 personoj. S-ro Henriko Fischer, L. K., prezidanto de Rumana Esperanto-Societo, informis la ĉeestantan publikon pri la novaj sukcesoj de Esperanto kaj bonvenigis la gastaron. Generalo Gavanescul, honora prezidanto de R. E. S., letere senkulpiĝis, ke pro malsano li ne povis ĉeesti. La kongresanaron tre entuziasmigis jena parto el lia letero:

„. . . Mi estas plene konvinkita pri la nepra neceso de Esperanto, naskita per la alta penso de homo. Mi estas certa pri ĝia sukceso en la mondo. Se mi havus povon, mi instruigus ĝin kiel devigan objekton apud la stenografio. La unua, dum mallonga tempo, fariĝus la plej simpla ligilo inter la popoloj de l' tero kaj la alia dekobligus la vivon de la verkisto."

Kongresa estraro: Prezidantoj kolonelo V. Cojocaru kaj H. Fischer; vicprezidanto E. Nicolau; ĝenerala sekretario Morariu; sekretarioj H. Harabaĝiu, S. Prager kaj V. Timiŝ.

Pastro Andreo Ĉe salutis la kongreson en la nomo de I. C. K. kaj UEA, Genevo. Li transdonis ankaŭ la salutojn de la monda kongresanaro kaj per kelkaj vortoj raportis pri la jubilea festo en Danzig. Sekvis tondra aplaŭdo. Agrable surprizis la gramofona parolado de D-ro Edm. Privat, prezidanto de I. C. K. Aplaŭde akceptita, Julio Baghy transdonis la salutojn de la hungaraj Esperanto-societoj.

Dimanĉe je 9-a h. literatura-muzika vespero. Ĥora societo „Harmonia" prezentis belajn popolkantojn, originalajn Esperanto-poemojn deklamis pastro D-ro M. Szalay kaj J. Baghy. La deklamojn, precipe tiujn de la esperanta poeto-reĝo J. Baghy, kiu surprizis la publikon (preskaŭ 1000 personoj) per tute novaj poemoj profundsentaj kaj tre delikatformaj, premiis florbukedoj kaj dankema aplaŭdo. Artistinoj F-ino Maria Riszner per „E-moll"-koncerto sur violono, kaj S-ino Ida Riszner per originala muzika poemo „Okcidenta fabelo" rikoltis aplaŭdojn kaj florojn. La plej interesa punkto de la programo estis la ekzamenado en Esperanto de okjara knabeto Ladislao Simò, el religio kaj aritmetiko, lernejobjektoj esperante instruitaj de prof. D-ro Szalay. Ĉiuj respondoj de la eta ekzamenito estis donitaj en flua Esperanto.

Lunde okazis du laborkunsidoj. Oni vizitis la Saksan Muzeon kaj la Nigran Preĝejon, sur kies orgeno — unu el la plej fortaj en Eŭropo — artisto Bickerich majstre ludis la Esperanto-himnon.

Marde la kongresanoj ekskursis al Sinaia, vizitante la reĝan kastelon, kaj merkrede oni vizitis la alian pitoreskan kastelon reĝan en Bran.

Lastan vesperon oni kunvenis en restoracio „Krono", kie oni dankeme toastis por S-ino D-ro Valeria Bentia kaj S-ro T. Morariu, senlacaj organizintoj de la kongreso. La kongresanaro esprimis sian dankon al la prezidantoj de l'Organiza Komitato, viroj kun kuraĝa optimismo kaj ĉiam preta laboremo, S-roj D-ro Bentia kaj H. Westen, al vigla komitatano J. Gorbai, al la artfarinto de la kongresa flagaro kaj insignaro, F-ino Eugenia Morariu, kaj speciale al la fervora aranĝanto Willy Palmich, kiu ofereme laboris ankaŭ anstataŭ aliaj komitatanoj lastmomente retirintaj sin pro diversaj motivoj.

*Kongresano*

## Svedlando.

La raporto de l'granda sveda Unuiĝo por Laborista Klerigo (Arbetarnes Bildningsförbund) citas en sia raporto pri la pasinta jaro la aranĝon de 65 studrondoj por Esperanto kun entute 800 partoprenantoj kaj nur 1 por Ido kun 12 partoprenantoj. Kio pruvas, kiom progresas nia afero en Svedlando.

*

D-ro Privat reprezentis UEA, invititan ĉe la Virina Kooperativa Kongreso en Stockholm. Poste, kiel estrarano de la Geneva Konsuma Societo, li partoprenis en la svisa delegitaro la tutmondan kongreson de la Internacia Kooperativa Alianco en la sama urbo. Okazis diskuto pri la propono enkonduki la rusan lingvon kiel oficialan (krom jamaj franca, angla kaj germana). Ĝi estis rifuzita de la plimulto. D-ro Privat profitis la okazon por rekomendi al la internacia estraro ekzameni la sperton de la Praha Kongreso pri paco per lernejo, kie ĉiu rajtas paroli laŭplaĉe la preferatan lingvon kun unu sola traduko: en Esperanto. Granda tempogajno. Pluraj ĉiutagaj ĵurnaloj intervjuis D-ron Privat kaj presigis grandajn artikolojn sur unua paĝo. Okazis esperantista kunveno en Beskowska Skolan, kie parolis ankaŭ F-ino Bonnet el Paris, S-roj Christaller el Stuttgart, Merrick el Shepperton, Nylen kaj Jansson el Stockholm.

*Malmoe.* — Gesinjoroj Privat pasigis unu tagon tie kun S-inoj Blicher kaj Melchior el Kopenhago. Okazis sukcesa vesperfesto kun paroladoj de S-ro Erikson.

— Vizito de profesoro Asada el Nagasaki la 25 Aŭgusto. Klubo esperantista aranĝis kunvenon je ilia honoro. Tre interese estis aŭdi paroladon de S-ro Asada pri liaj spertoj de la granda utilo de Esperanto dum lia mondvojaĝo. Ĵurnalistoj de la tagaj gazetoj de la urbo ĉeestis kaj raportis tre favore pri la vizito de la japana eminentulo.

*Eskilstuna.* — Jarkunveno de la Sveda Esperanto-Federacio. Paroladoj de red. Paŭl Nylén, de rektoro Sam Jansson kaj de nia ŝatata gasto, F-ino Martha L. Root el Usono. La paroladoj estis elsenditaj per la radio-stacio. — Bonaj raportoj pri granda sukceso de la perradia kurso el Falun.

## Svislando.

La Svisa Esperanto-Societo havis sian jarkunvenon en Olten 8 kaj 9 Oktobro. Aparte vigla ĝi estis kun 120 personoj el 25 grupoj. Bonege ĉion aranĝis S-roj Haase kaj Hofer. Urbestraro subvenciis per 100 Fr. kaj delegis du reprezentantojn.

Geneva grupo „Stelo" dum ses jaroj havis ĉe si la Centran Komitaton. La nombro de grupoj kaj anoj de S. E. S. duobliĝis. D-ro Privat, kiel prezidanto, kaj „Stelo", kiel ĉefgrupo, malakceptis pluan reelekton. Kiel nova centro estis elektita Bern kun S-ro Stettler, prezidanto, Schmid, vicprezidanto, D-ro Spielmann, sekretario (Gesellschaftsstrasse 39), kaj D-ro Privat honora prezidanto kaj delegito en K. R.

Tri novaj grupoj aliĝis: laborista en Genève, neŭtralaj en Morges kaj Hägendorf. Ekzamenojn gvidis S-ro Stroele kaj sukcesis tri kandidatoj por supera diplomo kaj ses por atesto pri lernado. Vivplena festmanĝo finis la kunvenon, partoprenitan ankaŭ kelkaj sudgermanaj samideanoj, interalie S-roj Döring kaj Linder.

Koran dankon al la ĝisnuna C. K., al ĝia sindona sekretarino S-ino Danneil kaj kasisto S-ro Bouvier, kaj bondeziron al la nova estraro!

Okaze de la jara kunveno de S. E. S. ekzamenkunsido estis aranĝita la 8-an de Oktobro 1927, posttagmeze. La juĝantoj estis: S-ino Sing, S-roj Schmid, Humberset kaj Stroele, ĉiuj E. K.-anoj. S-ro urbkonsilanto Allemann, rektoro de la urbaj lernejoj en Olten kaj kelkaj interesatoj ĉeestis. Prezentiĝis 12 kandidatoj, el kiuj 4 por la Supera Diplomo kaj 8 por la Atesto pri Lernado. El la unuaj, unu malsukcesinto povis ricevi nur la Ateston. Estis sekve disdonitaj:

Supera Diplomo al: S-ro D-ro Marcel Jaccard en Le Locle;
S-ro Georges Renaud en Biel;
S-ro André Schild en Basel.

Atesto pri Lernado al: S-ro Edouard Bezençon en Bern;
S-ino Rose Erlacher en Morges;
S-ro Alfred Fischer en Bumpliz;
S-ro Friedrich Gnehm en Bern;
S-ro Hans Hauzenberger en Bern;
S-ro Max Liniger en Bern;
S-ro Albert Marchand en Bern;
S-ro Arnold Vonlanthen en Bern;
S-ro Friedrich Witschi en Biel.

Por la Ekzamena Komitato de S. E. S.:
La prezidanto: G. Stroele

*Genève.* — La ŝtatinstruadon de Esperanto ĉe komerca virina lernejo sekvas 23 junulinoj sub gvidado de S-ro prof. Arago.

*Locarno.* — La Internacia Pedagogia Kongreso en Locarno decidis sekvi la ekzemplon de la Paceduka Konferenco en Praha kaj en la proksima kongreso traduki nacilingvajn paroladojn nur en Esperanton. La diverslingveco kaj multeco de tradukoj tiom tedis la partoprenintojn, ke 80 el ili kunvenis aparte ĉirkaŭ prof. Bovet kaj S-ino Guéritte por priparoli pli bonan metodon. Ili decidis fari proponon, kiun akceptis poste la tuta kongreso.

## Urugvajo.

Urugvaja Esperanto-Societo gvidas kursojn kun kelkcentoj da lernantoj. Parola kurso de S-ro Moreira, perpoŝta kurso de S-ro Schnoerr sukcesis. S-ro Casas gvidas kurson per radio, aŭdebla en ĉiuj sudamerikaj landoj. Grupejo: strato San José, 1123, ofte vizitata de alilandanoj.

# Universala Esperanto-Asocio

## Nuna stato. Perspektivo por la estonto. Novaj servoj. Fakaj unuiĝoj. Jubileo 1928. Optimismo

Dum monato Marto 1927 ni dissendis al la Delegitoj de UEA oficialan bultenon ,en kiu ni klarigis la situacion de la Asocio tiel kiel ĝi estas. Stariĝis antaŭ ni la demando, ĉu ni aŭ elspezu la asocian havon aŭ ĉu ni reduktu ĉion, kaj precipe forigu tion kio kaŭzas la plej multan laboron. Efektive la Jarlibro donas al ni la plimulton de laboro. Ĝia redakto ne estas la ĉefa laboro, sed la fidela registrado de faktoj, okazaĵoj, ŝanĝoj de adresoj, unuvorte la administrado! Ĝi ne estas romano, dependa de poeta inspiro, sed libro kunigata el centoj da informoj, kopiotaj kaj administre aranĝotaj. Resume: oficistoj, ilaro ktp. Ni ekzamenis diversajn eblecojn transformi la Asocion; restus tiam ne plu UEA, sed ia centro modestega kun periodaĵo kaj okaza adresaro kunmetita sen kontrolo, vera hazardaĵo aŭ amatoraĵo. Aro da bonintencaj proponoj venis. Serioze ekzameninte ĉion, ni tamen konkludis, ke restos ĉe ĉiu la ĉefa malbonaĵo: La nekonstanteco de la membraro, la deviga revarbado de relative tro granda nombro de foririntoj, kio nature kostas kaj aliaj flankaĵoj, unuope malpli gravaj sed kune formantaj gravan obstaklon al metoda kaj sistema agado. Por la momento aro da bonaj kaj veraj amikoj kontribuis libervole, forigi la perdon de tiu ĉi jaro. Aliflanke ni studis novajn eblecojn, kiujn ni volas tuŝi tie ĉi, antaŭ publiko, libere kaj sincere.

La financa konduto de la asocio sekvis precize la linion fiksitan en la budĝeto por 1927 kiun aprobis la komisiono de UEA. La tie montrita perdo de ĉ. 8000 Frankoj svisaj estas egaligota per helpo el la havaĵo, per flankaj gajnoj kaj el la libervola kontribuo de individuaj samideanoj, kies unua listo jam aperis en la oficiala gazeto. Ni do rajtas konservi ĉion, sed restas la zorgo, ke simila malfacilaĵo revenus regule, kiam ŝanĝas ekonomiaj kondiĉoj. La Direktoro de UEA ekzamenis diversajn internajn plibonigojn de administra karaktero, kiuj rekte faciligos nian laboradon kaj ĉefe evitos dungon de oficistoj. Estas unue la decentrigo laŭ la formo de teritoria organizo kun enlanda centro kaj ĉefdelegito sin okupanta pri granda parto de la laboro kaj tiel helpanta al la Centra Oficejo. Bona ekzemplo estas la ĉeĥoslovaka teritorio, elokventa pruvo, kion bona volo kaj kompreno sukcesos plenumi. Estas nun ok teritorioj laŭ sama bazo: aŭstria, belga, bulgara, ĉeĥoslovaka, franca, germana (pagocentro kun peranto), jugoslava kaj rumana. Ni serĉos apliki tiun decentrigon al aliaj landoj laŭ la ebleco. Ĝi unue dependas de sindono de administra spertulo, kiu ne timas kvanton da regule farota oficeja laboro.

La estonto do estos pli hela. Montriĝis, ke ekzistas kaŝitaj fortoj en Esperantujo, kiuj vokataj je taŭga tempo povos fari multon. Ni ripetas tiun vokon, tiun alarmon kaj atente aŭskultos la eĥon kiun ĝi trovas en la samideanaro, kiu ne nur babilas pri la belsoneco de la lingvo, pri la estonta frateco de la homaro, sed kiu sobre kaj prudente rigardas la mondon tiel kiel ĝi estas kaj kiuj . . . laboras ne atentante pri dekstro aŭ maldekstro. Dudeko da agemaj nerevemaj homoj kun arda koro kaj klara kapo povos savi la movadon el la stagno kaj el la apatio nun regantaj. Ĉu ni estu kriantoj en dezerto, neaŭdotaj?

Necesas do por la fina stabiliĝo de UEA: Interna simpligo de la administra mekanismo, decentrigo per helpo de ĉefdelegitoj, aranĝo de novaj servoj por la membraro, ekstera reklamado al neesperantista publiko, kaj plie energia varbado de membroj.

Kelkaj vortoj pri la servoj: Krom la nun funkciantaj servoj pri kiuj ni informas aliloke, ni intencas funkciigi tiajn pri komerco, vojaĝoj kaj eble pri dungado. Utilajn sugestojn ni plezure akceptas kaj invitas ĉiun, kiu havas ion por diri, tion fari.

UEA fondiĝis ĉefe por utiligi la lingvon, ne atendante, ke bonvola mondo ĝin akceptas kaj uzas. Prilingvaj konsideroj estas relativaj kaj ne gravas ĉu oni prenis vorton por ideo el tiu aŭ alia fonto. Ĉefe ke oni uzas kaj komprenas ĝin. Apud UEA ekzistas aliaj organizaĵoj malpli grandaj sed kun sama celo: Apliki la lingvon en certa fako aŭ profesio, preparante la materialon por estonta enkonduko de la lingvo. Ni diru ekzemple en la poŝta kaj fervoja trafiko, sendube la plej gravaj sferoj por interkomunika lingvo. Plie estas aliaj fakaj unuiĝoj kun tendencoj pli malpli neneŭtralaj. Estas nia plano kontaktiĝi pli intime kun la societoj celsimilaj al UEA, interŝanĝi servojn kaj helpi reciproke laŭ ebleco. Pri la sukceso de niaj koncentrigaj penadoj ni informos pli poste. Troviĝas en UEA multaj profesiuloj kaj estus facile por ni krei mem fakajn societojn. Sed ni preferas labori kun ekzistantaj faksocietoj, fiksante nur komunajn interesojn kaj lasante al ĉiu liberecon kaj sendependecon.

Kreiĝos interne de UEA faka grupiĝo de interŝanĝistoj, konforme al la art. 12 de la statuto. Jam nun ni invitas niajn kolektantajn kaj interŝanĝantajn anojn aliĝi al tiu ĉi faka unuiĝo, gvidata de fakestro, ĉeĥoslovaka samideano S-ro Berger en Moravany. Informo sekvos rekte al ĉiu ano.

La fakaj societoj esperantistaj sin interesantaj pri libera kunagado metoda kaj determinita, skribu al ni. Bazo de tia kunlaboro estas la art. 14 de la statuto de UEA sendota al ĉiu laŭ deziro.

Universala Esperanto-Asocio fondiĝis en la jaro 1908, la 28-an de Aprilo. Post la kvardeka jubileo de nia lingvo sekvas tiu de ĝia plej grava organizaĵo, la videbla kaj praktika esperantismo. Decas do, ke ni memoru tiun jaron per insista laboro. Samjare okazas la 20-a kongreso universala en la belga urbo Antverpeno kiu jam gastigis la sepan. Dum ĝi UEA aranĝas kunvenon de Delegitoj kiuj informos pri iliaj spertoj, rakontas pri interesaj servoj plenumitaj ktp. Ĉefdelegitoj ĉeestontaj la kongreson aranĝos praktikan demonstracion de ilia laboro. Nia devizo por 1928 estu:

*Al Antverpeno!*

Jen resumo de programo. Vekiĝu nun ĉiuj el apatio kaj indiferenteco, memkontenteco kaj kontemplacio. Ni ne rajtas ripozi sur laŭroj jam velkiĝantaj. Ni rigardu antaŭen, memorante, ke ĉiu granda progreso de la homaro dependis de ĝi mem, kaj de geniuloj neniam perdintaj kuraĝon, fidon kaj certan optimismon. Ni fidu al la boneco de nia afero kaj ni havu tiun optimismon. Tiam la sukceso estos certa.

*Hans Jakob*, Dir. de UEA

---

**Dum novembro estas sendata al ĉiu ano de UEA invitilo pri rapida realiĝo. Cu vi volas, ke la jarlibro eliru pli frue, ke UEA sukcesu finance, ke ĝi pligrandiĝu? Tiam atentu bone pri la informo en nomita presaĵo!**



## Universala Esperanto-Asocio

Centra Oficejo: 12 Bd. du Théâtre, Genève, Svis.

### Oficiala Informilo

Jaro 1928, N-ro 1

Al la Delegitoj de UEA!

Per tiu ĉi unua informilo ni komencas la novan jaron 1928; la administra jaro 1927 finas la 31 Oktobro. Ni rimarkigas, ke UEA eniras la

*20-an jaron de sia ekzisto*

kaj la estraro de UEA atentas, ke pro tiu ĉi jubileo ĉiu kunhelpos forigi unufoje por ĉiam la eternan minacon de financa krizo, varbante novajn anojn kaj konservante la malnovajn. La estraro de UEA siavice klopodas je plibonigo kaj pliriĉigo de la tuta servaro. Por ke ĉiu funkciu normale, vi bonvolas viaflanke, atente observi la oficialajn informojn kaj fidele

*plenumi vian taskon!*

La situacio povas ŝanĝi nur per v i a aktiveco, per via servopreteco kaj per via fideleco al nia komuna afero. Esperanto akiris la atenton kiel grava movado, nur pro la serioza laboro de negranda aro da varmkoraj kaj sobre pensantaj homoj. Devus esti honoro por vi aparteni al tiu ĉi aro, la veraj pioniroj de l' estonto.

Kuraĝe antaŭen kun fido kaj espero!

---

*Oficiala Bulteno 20.* — Ĝi eliris kun la aŭgusta-septembra numero de „Esperanto". Delegitoj nericevintaj ĝin, komuniku tion al la Centra Oficejo.

*Oficiala Bulteno 21.* — Eliros dum Novembro, sendepende kaj rekte. Ĝi traktos pri la kotizoj 1928, premioj kaj servoj.

*Repago de la kotizo 1928.* — Ni informas nian membraron, ke ankaŭ tiun ĉi jaron ni konsentas premion al ĉiu, kiu repagas la kotizon por 1928 antaŭ la 31 Decembro 1927. Pri ili ni informas senpere ĉiun nunan anon per presajo, dissendota komence de Novembro 1927.

*Premio por varbado.* — Por kuraĝigi la varbantojn, ni konsentas tiun ĉi jaron belan premion al ĉiu kiu varbas novan anon al UEA. Ankaŭ pri tiuj premioj ĉiu nuna ano de UEA estas informata per presajo rekte sendata al ĉiu.

*Subtenantoj.* — Kies rimedoj tion permesas aliĝu kiel Subtenanto, paganta kotizon de 25 frankoj svisaj aŭ ekvivalenton en nacia mono. Belaj premioj estos donataj tiun ĉi jaron, laŭ aparta informo.

*Poŝtĉeko Itala.* — Ni informas niajn italajn samideanojn pri la nova adreso de l' poŝtĉeko: Milano 3-327.

*Franca Teritorio.* — Al la serio de la nun funkciantaj plene organizitaj teritorioj aliĝis nova: Franca Respubliko kun centro en Paris. Dum la Nacia Kongreso Franca kunvenis Komitatano Génermont, ĈD. Gabert, St. Etienne; VĈD. D-ro Poncet, Louhans; ĈD. Thomas, Clermont-Ferrand; ĈD. Delanoue, Paris; VD. Marly el Bordeaux, kun la Direktoro de UEA por diskuti racian manieron de administrado. Principe oni akceptis fondon de tutlanda teritorio laŭ ekzemplo ĉeĥoslovaka. Unuanime estis akceptita la propono konfidi tiun taskon al

S-ro Georges Delanoue, Ĉefdelegito por teritorio Paris.

Voĉdono aranĝita konfirmis tiun proponon. Per *89, 90, 92 Jes* kaj *2 Ne* el 128 voĉdonrajtaj Delegitoj estis akceptitaj la fondo de tutlanda teritorio, la kreo de teritoria kaso kaj la elekto de S-ro Delanoue kiel ĈD. Ni informas la francajn Delegitojn per cirkulero pri la rezultato de la voĉdono. De nun niaj Delegitoj kaj membroj en la nova teritorio volu sin turni senescepte al la Ĉefdelegito, kiu havas provizon de pordelegita materialo. Ĉiuj pagoj estu sendataj al li: Poŝtĉeka konto Paris I. 405.44.

*Dankesprimo.* — Pro la fondo de tutlanda teritorio franca la ĝis nun funkciintaj teritorioj Sudorienta, Pariza, Centra, estas ĉesigataj. Estas nia devo, tie ĉi kore danki al la sindonaj ĉefdelegitoj en tiuj teritorioj, nome S-ron Gabert en Saint-Etienne, D-ron Louis Poncet (nun en Louhans, antaŭe en Lyon), S-ron Thomas en Clermont-Ferrand, pro ilia sindono kaj fervoro. Ni aparte memoru

S-ron D-ro Louis Poncet,

kiu de 1920—1924 energie kaj fidele plenumis la rolon de administranto, montrante senton de ordo, precizeco kaj akurateco neoftaj en nia movado. Dank' al li la membraro de la Sudorienta Teritorio daŭre kreskis. Pro profesiaj devoj D-ro Poncet fordonis la oficon, sed ni esperas, ke li revenos kiam la cirkonstancoj tion permesos. Ree koran dankon al ĉiuj!

*Turisma Servo.*

Ni konigas denove la regularon pri la eldono de gvidfolioj. Estas nun la tempo agi por la eldono kaj ni tre petas la Delegitojn nin informi okaze de tiurilata klopodado.

E l d o n o: La eldono de gvidfolio prefere estu farata de organizajo akcelanta la vigligon de turismo kaj sub la aŭspicio de UEA. La Centra Oficejo de UEA se necese ŝarĝas sin pri la presado; prefere la gvidfolioj estu presataj en la devenlando mem. La koston de traduko kaj presado devas pagi la turisma organizajo.

O f e r t o: La Delegito de UEA proponu letere la faradon de gvidfolio al la turisma organizajo. Por la traduko de la gvidfolio la Delegito mem fiksu sumon, kiu korespondas al la lokaj kondiĉoj, aŭ se li estas preta fari ĝin senpage, li tion anoncu.

P r e s a d o: Antaŭ preso la Centra Oficejo deziras ricevi presprovon por laŭorda registrado kaj konstati la unuformecon de la presajoj.

D i s d o n o: UEA disdonas senpage 2000 ekzemplerojn sendotajn de la eldonanto al la Centra Oficejo de UEA. Ĝi disdonas kontraŭ pago de la elspezoj pliajn ekzemplerojn al la Delegitoj, al ĉiuj membroj kaj organizajoj esperantistaj laŭ speciala deziro.

La kosto de gvidfolio, formato 11,5 cm larĝa, 16 cm alta, 4 paĝoj sur luksa papero sed sen kliŝoj, 10000 ekzempleroj estas en Svislando ĉ. 200 Frk. En aliaj landoj malpli. Informo ricevebla laŭ demando.

La dissendo povas okazi laŭ diversaj manieroj:

a) 2000 ekzempleroj senpage per la Centra Oficejo de UEA, en korespondajoj, presajoj ktp.;

b) 8000 ekzempleroj per la gazeto „Esperanto", kosto 150 Frk. sv. Speciala aranĝo de dissendo en difinitajn landojn laŭ interkonsento;

c) Nur al la Delegitoj de UEA: 2000 ekzempleroj po unu gvidfolio al ĉiu. Sendebla kun Oficiala Bulteno de UEA enhavanta noton pri la gvidfolio. Kosto 50 Frk. sv.

Aperis ĝis nun gvidfolioj pri: Genève, Stettin, Thiers, Dobŝina groto, Deal kaj Walmer, Torquay, Dresden, Horice, Bratislava, Albertville, Padova, Zutphen, Dordrecht, Cheltenham, Neuchâtel. Ekster la serio: Wiesbaden, Quedlinburg, Vaison, Locarno, Danzig, Zoppot, Budapest.

La tuta kolekto estas senpage sendata kontraŭ repago de afranko = 0,50 Frk. sv. per respondkuponoj, poŝtmarkoj aŭ monbileto ekvivalenta.

### Novaj delegitoj:

**Alcazarquivir,** Maroko. D. S-ro Agustin Durán Ortega, Grupo de Regulares de Larache No. 4

**Atlantic City,** Usono, N. J. D. S-ro Oscar Kern, 115 N. Melbourne Ave.

**Balkány,** Hungario. D. S-ro L. de P. Ihász, profesoro

**Bergen,** Norvegio. D. S-ro Rahnvald Horrisland, Nesttún ap. Bergen (Nur skribajn informpetojn.)

**Blaricum,** Nederlando. D. S-ro J. van Hengel

**Braunau am Inn,** Aŭstrio. D. S-ro Oswald Haselbauer, Kasergasse 1
VD. F-ino Käthe Haselbauer, Kaserngasse 1

**Brest,** Bulgario. D. F-ino Jona Baramova, instruistino

**Bystřice nad Pernštýnem,** Ĉeĥoslovakio. D. S-ro Jaroslav Grodl, instruisto

**Câmpeni,** Rumanio. D. S-ro George Mindszenti, paroĥestro

Casala Monferrato, Italio. D. S-ro Luigi Topi, Via Fratelli Bagna 15
Como, Italio. D. S-ro Pierino Castiglioni, Via Vitt. Emanuele 35
VD. S-ro Giordano Azzi, Via Zezio 15
Czechowice, Pollando. D. S-ro Stefan Bigaj, Szkota powszechna p. Dziedzice
Deisslingen, Wrttbg, Germanio. D. S-ro Eugen Müller, Aluminium-Werke Tscheulin
Döbeln, Sa., Germanio. D. S-ro Hans Schmidt, Dr. Ziegerstr. 4 II.
VD. F-ino Charlotte Hainick, Burgstr. 18
Forli, Italio. D. Frato E. Modesto Carolfi, Convento S. Francesco
Jungbuch, Ĉeĥoslovakio. D. S-ro Vincenz Mosig, No. 186 b. Trautenau
Karnobat, Bulgario. D. S-ro Teodor Popov, Čerkovna 352
Langenfeld, Germanio. D. S-ro Paul Tarnow, Galkhausen b. Langenfeld
Lomnice n. Pop., ČSR. D. S-ro Břetislav Macháček, č. 398
Luck, Pollando. D. S-ro Mikolaj Swiatogorow, Poste restante
Marcq en Baroeul, Franc., Nord. D. S-ro René Curnelle, 39 Rue Canrobert
Marschendorf II, Ĉeĥoslovakio. D. S-ro Ladislav Sintag, gastejestro
Mascioni-Campotosto, Italio. D. S-ro Nazareno Manili, Mascioni
VD. S-ro Emidio Vertolli, Campotosto
Meota, Kanado. D. S-ro Chester Hayward Crossman, instruisto
Miřenice, ČSR. D. S-ro Zdeněk Halm, Miřenice ap. Hory Stříbrné
Mnichovo Hradiště, ČSP. D. S-ro Zdeněk A. Blažek, Palackého třída 35
Nové Mešto u. Metují, ČSR. D. F-ino Maris Marelová, Masarykovatr. 305
Opava-Troppau, ČSR. D. S-ro Josef Kunert, Olomoucká 23
Oxford, Britlando. D. S-ro F. Bernard Bourdillon, The Oaks, Headington
VD. S-ro William James Rayson, 15 Broad Street
Palermo, Italio. VD. S-ro Francesco Pantaleone, Via Roma 175
,Radeberg, Germanio. D. S-ro Fried. Wilhelm Mischke, Mühlstr. 15
VD. S-ro Willy Kuhnt, Dresdnerstr. 45
Remscheid, Germanio. D. S-ro Robert Lindemann, Kremenhollerstr. 47
Reusel, Nederlando. D. Frato Wigbertus van Zon, Pensionat St. Cornelius
Samaden, Svislando. D. S-ino Lena Grütter-Haeberli, Bahnhofstr.
Sehrlenz, ČSR. D. S-ro Richard Theml, Post Pohled b. Deutschbrod.
Siebnen, Svislando. D. S-ro Gustav Höhn, c. o. Spinnerei Siebnen A. G.
Syrovice, ČSR. D. S-ro Julius Procházka, Syrovice u Rajhradu
Szögyén, ČSR. D. S-ro Rafael Bartal, katolika pastro. ž. XVI.

**La supraj elektaj fariĝos valoraj se ĝis 30 tagoj post la nuna publikigo neniu membro protestas pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D kaj VD agas provizore.**

**Ŝanĝoj:**

Antwerpen (Berchem) Belgio. D. S-ro Maurits Boeren, Vredestraat 9
Avignon, Franclando. D. F-ino Pauline Fraisse, rue Banasterie 68
Chamalières, Franclando. D. F-ino Lucienne Volat, Rue Defarges 4
Česká Lípa, ČSR. D. S-ro Jiří Tureček, České gymnasium
Dobruška, ČSR. D. S-ro Karel Hamerský, No. 577
Dolní Kalná, ČSR. D. S-ro Bohuslava Plecháčová, instruistino
's-Gravenhage, Nederlando. D. S-ro Jr. Ravestein, Acaciastraat 36
Karlsbad — Karlovy Vary, ČSR. D. S-ro Franz Ulbert, Haus „Schumann" No. 888
VD. S-ro Josef Schneider, Friedhofstr. 82 „Betlehem"
Malang, Java. D. S-ro P. Groenhart, Ardjoenostr. 20-a
Odrlice, ČSR. D. S-ro Václav Malý, terkulturisto
Rumburg, ČSR. D. S-ro Konrad Ullrich, Sanatorium Frankenstein
VD. S-ro Rudolf Wagner, Lange Gasse 26
Sighisoara, Rumanio. D. S-ro Francisko Olah, Hüllgasse 59
VD. S-ro Karl H. Müller, Hüllgasse 59
Stryj, Pollando. D. S-ro Juljusz Gottfried, Krasinskiego 8
Varese, Italio. D. S-ro Wilfred G. Ingle, „Vilino Miravalla" Cuor di Sasso 79. B.
Waldheim, Germanio. D. S-ro Fritz Müller, Härtelstr. 13
VD. S-ro Gottfried Walde, Markt 3

**En la jenaj lokoj provizore ne plu estas delegitoj:**

**Bellegarde-Poussieu, Franclando; Cortemaggiore, Italio; Greifswald, Germanio; Hilversum, Nederlando; Malaga, Hispanio; Merkine, Litovio; Mezöcsát, Hungario; Neudek, ĈSR.; Portsmouth, Usono; Teruel, Hispanio.**

Genève, 15 Oktobro 1927 *Hans Jakob*
Direktoro de UEA.

# PILORIO

Laŭ komuniko en „Germana Esperantisto", Aŭgusto-Septembro 1927, aperis denove certa sinjoro Alexander Bohren ĉe grupoj ktp. petante subtenon, plejofte prunton, kaj malaperas. Pretendas esti sviso kaj laŭdire parolas kun svisa akcento. Ĉar ni jam devis averti antaŭ jaroj pri tiu ĉi individuo ni petas niajn samideanojn sendi al ni la taŭgan materialon, por ke ni laŭeble agu. Ĉiuokaze malfermu la okulojn kaj fermu la monujon.

# XIX. Universala Kongreso de Esperanto, Danzig

## Somera Universitato en Danzig

La Somera Universitato en Danzig altiris grandajn aŭdantarojn al siaj prelegoj. Ĉe la malfermo estis interŝanĝo de paroladoj germanlingve inter la Vic-rektoro de la Danziga Teknika Altlernejo S-ro Kloeppel kaj profesoro D-ro Schmidt, kiu poste prelegis esperante pri „Unuecigo kaj normigo en la termagneta scienco".

D-ro Vogt traktis la temon pri unuecigo de l' mono, S-ro Poŝta Konsilisto Behrendt klarigis pri la teknika fundamento kaj internacia ekonomia valoro de telefonkabloj por granda scienco, prof. Asada el Japanujo raportis pri aplikado de jurmedicino en sia lando, prof. D-ro Bujwid prelegis pri internacia unuecigo en kampo de higieno kaj profilakto, S-ro Tarelli, delegito de Internacia Laboroficejo, pri la unuecigo en laborleĝaro.

Per tiuj interesaj prelegoj de eminentaj kompetentuloj nia lingvo ne nur montris sian taŭgecon por sciencaj klarigoj, sed ĝi servis por disvastigi konon pri grandaj klopodoj de scienco, tekniko kaj juro sur internacia kampo.

En Antverpeno temos ĉefe pri la maro kaj ĉio tuŝanta ĝin.

## Korekto en la Kongresa Raporto

En la kongresa raporto pri Danzig okazis du bedaŭrindaj ellasoj, pri kiuj ni petas pardonon. Ili estas kaŭzitaj pro la tre rapida kompilo de tiu raporto, kiu pro la apero devis esti tuj farata en la kongresurbo. Ni petas aldoni al la listo de vicprezidantoj la nomon de S-ro D-ro E. Kliemke, Berlin (Germanujo). Al la listo de reprezentantoj, parolintaj dum la ceremonio ĉe la tombo de l' Majstro en Varsovio oni devas aldoni la nomon de Italujo, reprezentita de S-ro D-ro Canuto (Torino).

Eventualajn aliajn mankojn en la raporto ni petas t u j sciigi al Internacia Centra Komitato, 12 Boulevard du Théâtre, Genève, kiu uzos la represon de la raporto por la Oficiala Kongresa Dokumento (Verda serio).

## Kongresa pilgrimo al Varsovio 1927.

### Bilanco.

| Enspezoj | Zlotoj | Elspezoj | Zlotoj |
|---|---|---|---|
| 342 Kotizoj | 1808,95 | Librotenanto-Sekretario | 220,00 |
| | | Poŝtelspezoj | 128,47 |
| | | Horistaro | 450,00 |
| | | Koncerto en „Dolina Szwajcarska" | 150,00 |
| | | Presajoj | 216,35 |
| | | Florornamo de tombo de d-ro Zamenhof | 175,00 |
| | | 2 florkronoj*) | 145,00 |
| | | Aldona pago por 259 tagmangoj**) | 129,50 |
| | | Tramvagonoj por kongresanoj | 80,00 |
| | | Enmeto de aliĝiloj en „Heroldo" | 26,20 |
| | | Kurzperdo | 25,90 |
| | | Skribiloj, oficejaj libroj ktp. | 19,75 |
| | | Pilgrimafiŝo | 15,00 |
| | | Diversaj elspezoj | 27,85 |
| Entute | 1808,95 | Entute | 1809,02 |
| Deficito | 0,07 | | |
| Kune | 1809,02 | | |

*) Florkronoj estis metitaj en la nomo de XIX. Universala Kongreso.
**) Por plibonigi la komunan tagmanĝon.

Pro ĝusteco:

*Stanislaw Essigman* *I. Dratwer*, sekretario



# LA PAĜO DE L' PRAKTIKULO



## Pri reklamo por Esperanto

Propagando por Esperanto devas esti farata laŭ la du flankoj de nia movado: *ideala* kaj *praktika*.

En ĉiu flanko oni devas uzi taŭgajn metodojn.

Por atingi la idealistojn, t. e. personojn pensemajn kvankam entuziasmemajn, oni uzos artikolojn en gazetoj, broŝurojn, paroladojn ktp., unuvorte rimedojn, kies taŭgecon longa sperto montris, kaj efektive esperantistoj uzis ilin jam de la komenco, kaj la nuna stato de nia afero rezultas de tiuj metodoj.

Sed ili tute ne taŭgas por la dua flanko, t. e. por atingi praktikemajn homojn, kiujn, en la nuna momento, ni nepre bezonas varbi, ĉar videble, pro la malfavoraj kondiĉoj de la materia vivo, malgrandiĝas la nombro de tiuj, kiuj povas oferi al iu idealo tempon, laboron kaj monon sen iu profito.

Ni sekve devas klopodi, unue por havigi profiton al tiuj, kiuj aliĝas al nia movado, kaj due diskonigi kiel eble plej vaste nian aferon kaj tiujn profitojn en la korespondaj rondoj.

Starigado de tiuj profitoj, aŭ pli bone perfektigado de la nunaj riceveblaj profitoj estas facile realigeblaj per UEA, sed ili dependas grandaparte de la disvastiĝado de tiu Asocio, kiu dependas mem de la reklamo farata por la jam akireblaj profitoj, konklude ankaŭ tie ĉi, reklamo solvas la demandon.

Por sukcesi ni devas apliki la metodojn de reklamo nun uzitajn por diskonigi en la mondon, novan produktajon, kaj kies kreado kaj aplikado konsistigas, de kelkaj jaroj, tre gravan teknikan fakon.

Propagando tute diferencas je reklamo.

La unua celas konvinki, la dua impresi.

Per reklamo persono devas en kelkaj sekundoj — aŭ almenaŭ en kiel eble plej mallonga tempo — ricevi tiel profundan impreson, ke, poste, kiam tiu persono sentas la bezonon, kiun kontentigas la ajo, pri kiu estas reklamita, tuj la nomo de tiu ajo alvenas en ĝia spirito, kaj ĝi deziras akiri tiun aĵon.

Nu, ĉar same pri Esperanto ni ne povas agi sur la persono ĉiam precize je la momento kiam la praktiko trudas al ili bezonon de lingvo internacia, ni devas konigi al ili la nomon Esperanto kaj la solvon, kiun ĝi reprezentas, tiel profunde, ke, poste, kiam ili sentos gravajn ĝenojn kaŭzitajn de diverseco de lingvoj (dum vojaĝoj, kongresoj ktp.), ili memoru la nomon Esperanto kaj deziru akiri tiun rimedon, aŭ almenaŭ helpi ĝian disvastiĝadon.

Ĉar bedaŭrinde ankoraŭ nun eĉ la nomo Esperanto ne estas konata de plej granda nombro de la homoj, kaj multaj el tiuj, kiuj konas ĝin aŭ nenion scias, aŭ eraras pri tio, kion ĝi reprezentas, ni devas uzi por Esperanto la diversajn procedojn de moderna reklamado, en la tuta mondo.

Tiuj procedoj estas multenombraj kaj, en ĉiu okazo, oni devas elekti la plej taŭgajn, sed bedaŭrinde ili estas plej ofte multekostaj.

Tamen ankaŭ kelkaj povas esti uzataj ne elspezante grandajn monsumojn, kaj se la ricevata sukceso ne atingos tiun, kiun oni ricevus per tiaj monsumoj, feliĉe pri Esperanto, persona ofero de laboro kaj tempo de samideanoj povos anstataŭi grandaparte la monon, kiun ili ne havas.

La programo, kiun ni montras ĉi sube, entenas du partojn: en la unua estas rimedoj por disvastigi nomon kaj celon de Esperanto; en la dua estas rimedoj por doni pli detalajn sciigojn al la personoj impresitaj de la unua agado.

### Unua parto

*Poŝtaj sendaĵoj.*

1. Esperantistoj, societoj kaj gazetoj aldonu sur la kovertoj de siaj poŝtaj sendaĵoj (leteroj, cirkuleroj, prospektoj ktp.) per presado, ŝtampilo aŭ glumarko la sekvantan frazon — aŭ samsignifan frazon — *nacilingve redaktitan*, kiu konsistigas multe pli trafan reklamilon ol nomo de societo aŭ gazeto nun plej ofte presita randlitere sur la kovertoj de tiuj presaĵoj.*)

*„Uzu nur Esperanton — tre facilan lingvon — por viaj internaciaj rilatoj!“*

2. Sur la kovertoj de la poŝtaj sendaĵoj adresataj eksterlanden aldonu glumarkon redaktitan en la lingvo de la adresato, aŭ montrantan *„bildon karakterizan“* internacie kompreneblan t. e. entenantan neniun nacilingvan vorton, sed tre videblan nomon Esperanto kune kun tre simplaj detaloj aŭ simboloj komprenigantaj celon de nia movado.

3. Por tion ebligi la naciaj societoj de propagando eldonu tiajn glumarkojn — tre malmultekostajn**) — aŭ kovertojn kaj poŝtkartojn surmetitajn de la frazo aŭ de la bildo.***)

*Prospektoj.*

1. Entreprenoj kaj firmoj neesperantistaj, sed kiuj publikigas prospektojn aŭ gvidlibrojn en diversaj naciaj lingvoj kaj Esperanto (ekz. foiroj) aldonu sur siaj nacilingvaj publikigaĵoj la sekvantan frazon *nacilingve redaktitan:*

*„Nia entrepreno (aŭ firmo) uzas la lingvon Esperanto por siaj internaciaj rilatoj.“*

2. Ĉar la publiko plej ofte ne scias en kiu lingvo estas redaktitaj la esperantaj prospektoj kaj gvidlibroj, aldonu en videbla loko la bildon pri kiu ni jus parolis.

Tiamaniere uzita tiu bildo fariĝos „bildmarko de Esperanto“, kaj oni aldonos ĝin ĉiuokaze kiam estos publikigata esperanta teksto, kaj neeble klarigi en diversaj naciaj lingvoj la celon de tiu publikigaĵo (ekzemple sur la jus akceptitaj afiŝoj en internaciaj vagonaroj).

3. Esperantistoj uzu la esperantajn prospektojn aŭ gvidlibrojn kiel propagandilojn, sendante ilin al varbotaj firmoj aŭ entreprenoj kune kun folieto entenanta la sekvantan frazon *nacilingve redaktitan:*

*„Lertaj komercistoj kaj entreprenoj uzas Esperanton por sia reklamo eksterlanden, ĉar tiu lingvo estas pli kaj pli uzata por la komercaj internaciaj rilatoj.“*

*Komercistoj.*

1. Sur siaj leteroj, prospektoj, fakturoj ktp. de esperantistaj komercistoj presigu la *nacilingvan frazon* supre montritan sub 1 (prospektoj).

2. Ili starigu en siaj montrofenestroj, se ili havas tiajn sur la stratoj, afiŝon entenantan tiun frazon.

3. Ili aldonu tiun frazon sur la afiŝoj, kiujn ili algluas sur la muroj por reklami pri siaj propraj produktaĵoj.

*Revuoj, gazetoj.*

1. Proponu al neesperantistaj periodaĵoj, sed favoraj al nia ideo, publikigi senpage aŭ laŭ tre malalta (por principo) tarifo, kaj kiel eble plej ofte anoncon pri nia afero. La teksto estu *nacilingve redaktita*, laŭ formo respondanta al fako de la publikigaĵo, se ĝi estas teknika, aŭ laŭ komerca formo en aliaj gazetoj kaj revuoj.

Tiu teksto povas konsisti nur el la kutima frazo: *„Uzu nur Esperanto* ktp.“ antaŭata de alvoko, ekz.: *Komercistoj!* aŭ *Teknikistoj!* ktp.

---

*) Por ebligi resendadon al la sendanto de la sendaĵoj, kiuj, pro iu kaŭzo, ne atingis la adresaton, sufiĉas malgrandlitera adreso de tiu sendanto.

**) Oni sukcesas eldoni tre simplajn, sed videblajn glumarkojn, kies prezo estas unu respondkupono po cent ekzempleroj, preferinde estas malkareco ol beleco ĉar tiuj glumarkoj devas esti grandamase uzitaj.

***) Tamen, pro motivoj sube montrataj estas necese ke tiu bildo estu la sama en ĉiuj landoj; tiam eldonado estu farata de internacia organismo, ekz.: centra komitato aŭ UEA. Aliparte pro graveco de tiu „bildo“, estas dezirinde ke konkurso estu starigata, kies premio estus elektata en Universala Kongreso.

Plie, por doni al ĝi komercan formon, oni aldonu adreson de grupo, societo ktp., al kiu oni devos sin turni por ricevi sciigojn.

Laŭ mia peto, du francaj teknikaj revuoj: „La Revue de métrologie pratique" kaj „L'Horloger" jam publikigas bonvole tiun anoncon. Tio pruvas, ke oni sukcesas facile atingi tiun rezultaton en la ne tre gravaj — sed ofte tre legataj — gazetoj.

2. Redaktu la komunikajojn pri nia movado, kiujn oni ofte sukcesas presigi en la neesperantistaj gazetoj alimaniere ol oni nun faras, ĉar ili tute ne utilas por reklamo; oni povas kontraŭe utiligi ilin por tio ne multe plilongigante la tekston.

Ekzemple anstataŭ: „La membroj de la Universala Esperantista Kongreso kunsidis en Danzig ktp." diru: „*La membroj de la Universala Kongreso de Esperanto — tiu lingvo tiel facila kaj nun pli kaj pli uzita por la internaciaj rilatoj — kunsidis en Danzig*" ktp.

3. Kelkaj neesperantistaj gazetoj publikigas plimalpli gravajn partojn, resumojn aŭ aldonojn en Esperanto. Sed la leganto plej ofte ne komprenas la celon de tiu farmaniero, kaj sekve la rezultato por la propagando estas preskaŭ nula.

Por utiligi plej bone tiun taŭgan rimedon de propagando, sufiĉus, en iu aŭ alia loko de la gazeto, tamen sufiĉe videbla, aldoni en nacia lingvo aŭ en diversaj naciaj lingvoj, se la gazeto uzas ilin, mallongan klarigan noteton, ekz.: „*Ni presigis en tiu gazeto kelkajn partojn (aŭ resumojn, aŭ aldonon) en Esperanto — tiu lingvo tiel facila, kies nura uzo en internaciaj rilatoj alportus al la mondo (aŭ al la teknikaj rondoj, se la gazeto estas teknika) netakseblan ŝparon de laboro, de tempo kaj de mono.*"

### Dua parto

La diskonigado de la nomo Esperanto kaj de tio, kion ĝi reprezentas, estus senutila, se tiuj, kiuj estas impresitaj per tiu reklamo ne povus facile, je la momento, kiam ili deziras sciiĝi pri tiu solvo de siaj malfacilaĵoj, trovi tiujn sciigojn. Por tion eviti du rimedoj estas uzotaj.

#### 1. *Afiŝoj.*

Afiŝoj estu lokataj ĉie, kie tiuj malfacilaĵoj okazas, t. e. en hoteloj, magazenoj, vagonoj, stacidomoj, vaporŝipoj por pasaĝeroj, internaciaj kongresoj ktp. Ili montru nur la nomon Esperanto — eble kun la bildmarko, se ĝi estas universe alprenata — kune kun adreso por ricevi sciigojn.

Tiuj afiŝoj — aŭ kartonaj afiŝetoj — estos malmultekostaj, ĉar internacia organismo, ekz. UEA, povas eldoni kaj disvendi ilin; loko estos rezervita por la adreso, kiu nur varios laŭ la lando, kie ili estos uzataj.

Verŝajne permeso por tiuj afiŝoj estos sufiĉe facile ricevata pro ilia nekomerca celo, kaj se tiuj, kiuj povas doni tiun permeson, estas konvikigitaj, ke ili mem ricevos profiton, estonte, pro la sukceso de tiu reklamo.

#### 2. *Prospektoj.*

Prospekto nacilingve redaktita kaj sciiganta pri la praktika valoro de Esperanto, estu eldonata; ĝi estos donata senpage al tiuj, kiuj venos al la, montrata sur la afiŝo, adreso.

Ĝi estu mallonga, presita per tre facile legeblaj literoj kaj aranĝita laŭ la plej modernaj formoj alprenitaj por tiu speco de reklamiloj. Plej bone la teksto estu la sama en la diversaj naciaj lingvoj; zorge redaktita de kompetentaj reklamfakistoj en Esperanto, ĝi estu poste tradukata kaj eldonata de la naciaj societoj de propagando.

Ni donas projekton de tia teksto; en ĝi estas entenataj nur la ĉefaj argumentoj taŭgaj por impresigi praktikemulojn, kaj ĝi konsistigas sespaĝan prospekton de malgranda formato; la aranĝo estas tiu de faldebla folieto, nomita franclingve „dépliant".

1-a paĝo. Estas speco de koverto, se eble iom ornamita. La teksto en grandaj literoj estas alvoko:

Komercistoj! Teknikistoj! Turistoj!

Kiom da mono, kiom da laboro, kiom da tempo vi ŝparus — se nur la lingvo Esperanto estus uzata en la internaciaj rilatoj.

2-a paĝo. Nur de vi dependas, ke tio realiĝu! Aliĝu al la (nomo kaj adreso de la nacia societo), kiu klopodas por: 1. ke la oficialaj aŭtoritatoj starigu instruadon de Esperanto en ĉiuj lernejoj; 2. disvastigi Esperanton per senpagaj kursoj kaj ĉiuj propagandaj rimedoj. Kotizo . . .

3-a paĝo. Eĉ de nun vi povas utiligi la jam grandegan disvastiĝadon de Esperanto aliĝante al la Universala Esperanto-Asocio (UEA), 12 Boulevard du Théâtre, Genève, kies delegitoj en du mil lokoj — kaj la plej gravaj — de la tuta mondo, havigas al ĝiaj membroj ĉiujn sciigojn komercajn, teknikajn aŭ turistajn. Kotizo . . .

4-a paĝo. Titolo: Kio estas Esperanto? Esperanto estas la nura lingvo tiel facila ke oni povas lerni ĝin tute sen profesoro kaj tiamaniere, ke, je la fino de la studado, oni kapablas interrilatiĝi parole kun ĉiunaciaj esperantistoj. Alfabeto entenas nur literojn facile prononceblajn de ĉiuj homoj. Gramatiko entenas nur dekses regulojn. Neniu malfacilo pri ortografio, ĉar vortoj prononciĝas kiel ili skribiĝas kaj skribiĝas kiel ili prononciĝas. Vortaro estas formita per vortoj komunaj el la plej disvastiĝataj naciaj lingvoj, pro tio oni konas plej grandan parton de ili.

5-a paĝo. Titolo: Kio estas Esperanto? Esperanto estas kreita en 1887 de Doktoro Zamenhof. Nun ekzistas societoj de propagando en ĉiuj landoj kaj grupoj en ĉiuj gravaj urboj. De 1903 universala kongreso kunigas ĉiujare kelkajn milojn da esperantistoj de la tuta mondo en iu aŭ alia ĉefurbo.

6-a paĝo. Titolo: Kio estas Esperanto? Sen mono, sen aŭtoritato, sen agrimedoj la esperantistoj — tiel grandaj estas la valoro de ilia lingvo kaj la bezono, kiun havas la mondo — atingis tiun grandegan rezultaton krei kaj vivigi pli ol du mil lokajn societojn, publikigi cent periodajn gazetojn aŭ revuojn, presigi pli ol tri mil verkojn literaturajn aŭ sciencajn, tradukajojn aŭ originalajojn. Tiuj rezultatoj certigas la finan triumfon.

Tiu projekto sufiĉe bone montras kiamaniere devas esti redaktitaj tiuj mallongaj reklamiloj.

Samforma reklamilo estas facile redaktebla por UEA, kies plivastiĝado konsistigas, kiel ni diris, plej gravan parton de tiu programo. En tiu okazo la ĉefaj argumentoj estos:

la neimitebla valoro de la servoj de la delegitoj pro ilia bonvolemo kaj sindonemo; la nombro kaj disiĝado de tiuj delegitoj (oni montras la nomon de la ĉefaj urboj, kie estas delegitoj); la jam uzantoj de la servoj de Esperanto (ekz.: Thos. Cooks and son, la foiroj ktp.).

Oni klarigos tre simple kaj klare la rimedon aliĝi al UEA kaj manieron uzi ĝiajn servojn; fine oni konigos kotizojn.

Tiu reklamilo, esperante redaktita, estos sendata al la ĉefdelegitoj, por ke, se eble, ili publikigu ĝin en sia nacia lingvo. Al tiu reklamilo ili kunigos koloran paperfolieton per kiu ili sciigos, ke ili tradukos senpage, dum unu monato, la korespondadon de la komercistoj aŭ teknikistoj, kiuj deziros provi la servojn de la delegitoj.

Por montri ekzemplon de aplikado de tiu programo, *Internacia Scienca Asocio* eldonis *glumarkojn kaj poŝtkartojn*:

la unua montras la franclingvan frazon: „*N'employez que l'Esperanto — langue très facile — dans vos relations internationales*";

la dua montras bildon reprezentantan *la stelon Esperanto leviĝantan super la ruinoj de la Babel-turo;* tiu lasta kiu entenas neniun nacilingvan tekston, estas sekve internacie uzebla.

Prezo: cent glumarkoj, franclingvaj aŭ internaciaj, aŭ dudek poŝtkartoj kun la internacia bildo po unu respondkupono aŭ egalvaloro.

Mendoj, kune kun la mono, per francaj poŝtmarkoj, respondkuponoj poŝtaj aŭ de UEA-respondkuponoj estu adresataj al S-ro Rollet de l'Isle, 35 Rue du Sommerard, Paris, France. (Konigu zorge la glumarkojn deziritajn: franclingvajn aŭ internaciajn.)

*Rollet de l'Isle*

# Ĉu metodiko estas necesa?

De instruisto *Hans Dahmen*, Horrem b. Köln.

„Niaj pioniroj laboris, kaj la afero kreskis". Diris nia Majstro okaze de la IV. Internacia Kongreso de Esperanto en Dresden 1908. Diro, kiu certe pli multe validas en la postmilita tempo, pri kiu oni supozis, ke ĝi malhelpus la mondlingvan ideon. Male, ankaŭ dum-milite nia movado disvastiĝis. Tion konstatas la raportoj el la tuta mondo.

Kiel neniam antaŭe — sekve de grandiozaj milit-operacioj — la militistoj kaj kun ili la naciaj lingvoj estis intermiksigitaj. Evidentiĝis la nesufiĉo de naciaj lingvoj por la interkompreniĝo kun alilingvanoj. Dum ĉi tiuj jaroj, kiam la popoloj revekiĝis el la deliro de l' malamo kaj detruemo, eldormiĝis la kompreno pri neceso de internacia interkontentiga rimedo — kaj la intereso por Esperanto. Oni juĝis ĝin kiel *la rimedo*, per kiu estus solveblaj certaj kulturproblemoj internaciaj.

Sed ju pli disvastiĝos nia movado, ju pli kreskos la intereso por Esperanto, des pli konvinkiga estos la postulo pri Esperanto-instruado kaj Esperanto-instruantoj.

Certe estas ĝojigaj la dekretoj de aŭtoritatoj koncerne al Esperanto. Ili ja certigas, ke ankaŭ la estraroj pli kaj pli konvinkiĝas pri la neceseco kaj uzebleco de Esperanto kiel mondhelplingvo — konvinkiĝas dank' al la celkonscia laboro de niaj pioniroj.

Tamen, tiurilate ni ankoraŭ ne atingis la aspirotan celon: la enkonduko de l' Esperanto-instruado en la lernejojn.

Se realiĝos tiu postulo, tiam ankaŭ estas solvota la problemo pri Esperanto-instruantoj, ĉar tiam la profesiaj instruistoj estas perfektigataj en la Esperanto-instruado same kiel en aliaj instru-fakoj.

Intertempe, dum la transira stato, ni uzu propran sinhelpon — la stato de nia movado devigas nin al tio: Ni devas kompreni, ke la Esperanto-movado atingis epokon karakterizitan unuflanke per la pli kaj pli kreskanta intereso al la ideo de mondhelplingvo, aliflanke per la atakoj de nacionalistaj rondoj kaj kontraŭuloj, anoj de aliaj mondhelplingvoj.

Bone! Nia tasko estu, defendi la domon sub la verda stelo konstruitan de nia Majstro kaj niaj pioniroj! Defendilo estu la *bonkvalita laboro*, kiu ankaŭ silentigos la multspertan kritikanton. Forĝisto de tiu batalilo estos la kursgvidanto — forĝado la instruado. La unua ekipu sin per *instrulerteco kaj instrukvalifikeco*, kiuj garantios la urĝe necesan sukceson.

Do, la kursgvidantoj studu la metodon — estas postulo, pri kiu ĉiu grupo devus interesiĝi.

Ekzistas argumentoj kontraŭ ĉi tiu postulo. Kontraŭdire oni asertas, ke la kursgvidanto ne bezonas la instrumetodan kvalifikecon. Sed — kial la profesiaj instruistoj sin submetas ankaŭ al ekzameno pri metodo de la ekzamenaj fakoj? Ne argumentu, ke Esperanto estus pli simpla je materio kaj instru-maniero!

Aliaj certigas, la postulo ĉi-suba devenas el la iluzio de la instruistaro, kiu pretendas sole por si mem la rajton instrui. Refute mi demandu: Ĉu vi komisius ne-komerciston fari bilancon, aŭ al metiisto okul-operacion, aŭ al scienculo konstru-laborojn? Tute ne! Do, ankaŭ oni ne lasu la Esperanto-instruadon al la decido de esperantisto metodike nesperta!

Mi aŭdas la argumenton, ke niaj ĝisnunaj kursgvidantoj, precipe niaj unuaj pioniroj, atingis la instru-celon sen ia antaŭinstruiteco. Certe. Jesante la sencon de l' aserto, eĉ ĝeneraligante ĝin, mi aldonu, ke estas multaj patrinoj, kiuj sen iaj metodaj scioj ofte montras grandan instrulertecon ĉe moralaj, religiaj ktp. sciigoj, ĉe prezentado kaj aplikado de fabeloj ktp., lerteco, kiu eklipsas la profesian instru-kvalifikecon.

Sed per tio oni ne nuliĝos la suban postulon: la kursgvidantoj studu la metodikon.

Nur per la metodaj antaŭstudoj la kursgvidanto estiĝos lerta por instruado. Li akiros superrigardon pri la instruadaj aferoj kaj per tio la kapablecon klarigi ilin al siaj lernantoj. Li estos lerta gvidanto tra la lingva konstruaĵo. Li estiĝos responda vicmastro, kiu laŭleĝe kaj laŭinstrukcie instigas siajn lernantojn konstrui la lingvan konstruaĵon, gvidante, helpante, kuraĝigante kaj rekompensante ilin.

Ne sole la lernolibro ebligas al la kursgvidanto la instrupovon. Certe tie li trovas la envicigitan materialon por la konstruado de l' lingvo, t. e. gramatikaj reguloj, vortaro, ekzemploj kaj ekzercoj, ankaŭ tie kaj tie mallongajn metodajn sciigojn. Tamen, se la lernolibro sole estas la gvidilo de l' kursgvidanto, tiam lia instruado estos senviva, enuiga.

La ĝusta, sukcesplena instruado postulas pli. La kursgvidanto donu sian psikon al la instruado kaj subjektivan eksteraĵon al la lernolibro destinitan de sia personeco kaj la kvalifikeco de siaj lernantoj. La ilustru la instruadon per ekzemploj, li gvidu siajn lernantojn al aktiveco el propra impulso, al propra pripensado kaj prilaborado de la lingva instru-materialo. Neniam li donu laŭ lekcia maniero al ili tutpretajn rezultojn, ĉiam progresante disvolviĝante el la facilaĵoj la malfacilaĵojn, el la konata la nekonatan.

Nu diru, kara leganto, ĉu metodiko ne estas necesa! Ĉi-sube ni ekkonis per koncizaj pritraktoj la necesecon de la informiĝo pri instrumetodoj — sed ankaŭ pri iliaj celoj. Rajtigite ni formulu nian postulon jene: La kursgvidantoj estu instruataj pri la metodiko de l' Esperanto-instruado — por ĝi oni aranĝu apartajn kursojn!

Esperantigita laŭ la antaŭparolo de l' verko „Der Esperanto-Lehrer" (La Esperanto-instruisto) de l' sama verkinto.

---

# En kelkaj linioj . . .

**⁂ „Bahaismo kaj Esperanto", originala fotopresita revueto en persa lingvo, eldonata de S-ro Mohamed Labib en Kermanŝah, estas provo de tre malkara presmaniero, kiu permesas reprodukti bildojn, kartojn kaj tekstojn en iu ajn lingvo.**

**⁂ E. N. S. E. — t. e. Ente Nazionale Scolastico Educativo, Via Cola di Rienzo 25, Roma — estas titolo de la bulteno de la Lernejo per Korespondado, kiu enhavas Esperantan fakon, kaj kurson gvidatan de S-ro Blasimme.**

**⁂ „Internacia Pedagogia Revuo", oficiala organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE), aperas nun en pli luksa formo, 14-paĝa, sub bela kovrilo, kaj havigas informojn pri nia movado inter edukistoj, kaj pri instruaj metodoj en diversaj landoj.**

* La „Fremduloficejo de la ĉefurbo Budapest" eldonis belan prospekton pri la hungara ĉefurbo. Sendata senpage laŭ peto. Adreso: Budapest IV, Deak Ferencz-utca 2, Hungario.

* La helpiloj por ekzerci Esperanton pliriĉiĝis. Bonan ideon havis saarlanda samideano. Per kvartetludo li akcelas konatigon de l' proverboj plezurigante. Aperis la unua eldono de la kvartetoj. Oni povas esperi, ke la esperantaj kvartetludoj plaĉos al la esperantistaro.

* En monato Julio ni sendis al la germanaj delegitoj de UEA nian novan ligo-adresaron 1927 petante vin, ke vi aŭ resendu ĝin al ni aŭ ke vi pagu 0,30 RM por ĝi. Ĉar multaj ĝis nun ne plenumis tion, ni permesas al ni ree atentigi vin pri la adresaro petante, ke vi bonvole respondu.
Sudokcidentgermana Esperanto-Ligo, Walkmühlstr. 25, Wiesbaden

# Esperantista parolejo

## Vegetara Ligo Esperantista

La nova adreso de la ĝenerala sekretario kaj kasisto de tiu ĉi ligo ,samtempe eldonanto de ĝia organo, la bulteno „Vegetarano", estas: Oscar Bünemann, Hamburg 24, Papenhuder Str. 32, II.

La VLE estis fondata en la jaro 1908 dum la Dresdena Universala Kongreso de Esperanto. La bulteno „Vegetarano", aperanta trimonate, estis fondata en Julio 1914 kaj aperas nun en sia deka jarkolekto. La kotizo por VLE kaj la abono por ĝia organo estas identaj, svisaj frankoj 4,— jare.

La celo de VLE estas, disvastigi Esperanton inter la vegetaranoj kaj vegetarismon inter la esperantistoj. Krome, danke al nia lingvo, ĝi volas helpi kaj antaŭenpuŝi la internacian vegetaran movadon kaj la solidarecon inter vegetaranoj de ĉiuj landoj pli efike, ol tion povus fari naciaj organizoj aŭ revuoj.

Fine, la ligo volas formi aron da homoj, kiuj interkonsente komplotas kontraŭ ĉio malbona kaj subtenas interne je la esperanta movado la etikan nivelon de nia komuna volo.

*

La Internacia Vegetara Unio (IVU), ne-esperantista asocio de la naciaj vegetaraj societoj, kiu jam delonge uzas Esperanton inter tri aliaj oficialaj lingvoj, adoptis la bultenon „Vegetarano", por publikigi en ĝi siajn oficialajn sciigojn en esperanta kaj angla lingvoj.

Sekretario de la IVU estas instruisto Oluf Egerod, Brönshöj apud Kopenhago, Rödkildevej 40. Li korespondas en Esperanto.

* * *

## Esperanto kaj la gazetaro.

**Tre grava faktoro en publika vivo ĝis nun estas indiferenta al nia movado: la gazetaro. Kaj do neniu branĉo de la vivo bezonas tiel multe kiel ĝi la internaciajn rilatojn. Kaj plue, neniu faktoro povas helpi al nia movado pli ol la gazetaro. Se ĝi konvinkiĝos, ke per Esperanto ĝi povas havi utilon, ĝi subtenos nin, tiam per grandegaj paŝoj nia afero antaŭen marŝos.**

**Tial ni konvinku la gazetaron pri la utilo kaj la valoro de Esperanto por la publika vivo. Ni fondu en la tuta mondo peradejojn de gazetmaterialo. Ĉu grupoj, ĉu personoj solaj penadu, ricevi artikolojn de publikistoj, ĵurnalistoj, parlamentanoj, artistoj, sciencistoj ktp. en siaj landoj. La grupoj aŭ personoj interŝanĝas la materialon, la ĉina korespondanto ricevos materialon el Anglujo, ĉi tiu iun el Ĉinujo ktp. Ili tradukos ĝin nacilingven kaj prezentos ĝin al la naciaj gazetoj. Se nia organizo funkcios bone, la gazetoj volonte akceptos nian servon kaj ankaŭ honorarios ĝin.**

**Ni agu kiel komercistaj grupoj, ili peradas varojn, ni gazetmaterialon.**

**Sed la afero certe ne funkcias facile kaj baldaŭ ni bezonos paciencan obstinan laboron. Antaŭ ĉio ni organizu, ni serĉu kunlaborantojn en ĉiuj landoj.**

**Kiu kunhelpos, realigi la grandan ideon?**

***F. W. Mischke,***
**Radeberg bei Dresden, Germ.**
**Pillnitzerstrasse 2.**

* * *

## Oni laŭdas!

* S-ro *Karl W. Brehm*, ano de UEA en Valencia, kore dankas al Delegito de UEA S-ron Pino, urbkonsilanto, pro afabla helpado en personaj kaj komercaj aferoj.

* Koran dankon al S-ro D-ro Rauch kaj al la direkcio de la petrol-fabrikoj kaj -fontoj en Drohobycz kaj Boryslaw pro la ĝentila kaj gastema akcepto, kaj la interesa gvidado tra la petroldistrikto. Same al la samideanoj en Krakow, speciale al S-ro Maksymiljan Ziomek. En la nomo de la postkongresa Ikakaravano *B. Wachowski*, kapelano en Elberfeld.

* S-ro *Paul Neergaard* en Kopenhago elkore dankas al S-ro Jerzy Graff pro afabla gastigo en Varsovio.

* Ges-roj *Edmond Privat* el Genevo plej kore dankas al ĉiuj samideanoj en Praha, Hago, Haarlem, Bruselo, Antverpeno, Mons, Danzig, Varsovio, Berlino, Kopenhago, Malmoe, Stockholm, Helsinki kaj Tallin pro ilia amika akcepto kaj helpado.

S-ro *Emanuel Jelinek* el Hradec Kralové (lastfoje en Praha) kore dankas al jenaj delegitoj de UEA: S-ro Atanas D. Atanasov, Sofia; S-ro Arvo Joh. Ahti, Helsinki; S-ro Paulo Balkanyi, Budapest; S-ino Louise Blicher, Köbenhavn; S-ro Georges Delanoue, Paris; S-ro D-ro Otto Eberler, Berlin; S-ro D-ro Stanislaw Essigman, Warszawa; S-ro Otto Ginz, Praha; S-ro H. Halldor, Stockholm; S-ro H. Harabagiu, Bucuresti; S-ro Philipp Kay, London; S-ro D-ro Paul Kempeneers, Bruxelles; S-ro D-ro Elio Migliorini, Roma; S-ro D-ro Edmund Sos, Wien; S-ro Eduard Spielmann, Bern; plue al jenaj samideanoj: S-ro D-ro Kozma Karoly, Budapest; S-ro L. Laiho, Helsinki; S-ro K. M. Liniger, Bern; S-ro Konrad Ojala, Helsinki; S-ro Ludwig Schiff, Berlin; kaj al esperanta entrepreno: Esperanto et Commerce, Paris, por ilia valora helpo, gravaj informoj kaj servemo en patentaj kaj komercaj aferoj.

* S-ro *Robert Kreuz*, Generala Sekretario de I. C. K., Genève, korege dankas al la sekvantaj samideanoj, kiuj dum lia ĵus okazinta profesia vojaĝo tiel amike helpis, gvidis, akompanis kaj parte regalis lin: S-ro Pierino Castiglioni, Delegito de UEA, kaj S-ro Azzi, Como, dum lia restado en Como, S-roj Arabeno (Genova), Carpi (Roma), Marchesi (Padova), Muretti (Torino), Orengo (La Spezia), dum lia restado pro priparolo en Genova.

* S-ro *Holger Hansen*, Delegito en Holbäk (Danlando), plej kore dankas al la afablaj ĉefdelegitoj, delegitoj, vicdelegitoj krom ceteraj gesamideanoj en Apeldoorn, Amsterdam, Antwerpen, Bruxelles, Mechelen, St. Omer, Lausanne, Genève, Genova, Roma, San Remo, Andon, Nice, Marseille, Barcelona, Gijon, Niort, Dover, London, kiuj helpeme donis al li gravajn informojn, antaŭ aŭ dum lia rondvojaĝo, gvidis lin tra siaj urboj aŭ eĉ gastigis lin en siaj hejmoj. Same li dankas al Touring Club de France, kiu detale respondis al esperantlingva informpeto, kaj fine al la tre servemaj kaj afablaj oficistoj en la Centra Oficejo de UEA.

* S-ro Landsiedl, kafejestro ĉe urbplaco en Steyr, disponigis senpage belan klubĉambron al la loka grupo, nenion postulante por lumo, hejtado ktp. Li fariĝis murŝrankon por esperantaĵoj kaj plenumas afable laŭpove la dezirojn de la grupo. Koran dankon al S-ro Landsiedl, kiu amike subtenas nian aferon. *S. Cipera*, Delegito de UEA, Linz.

* Delegito de UEA en Vratza, Bulgario, S-ro *Radoslav K. Triĉkov*, tutkore dankas al F-inoj S. Dlouha, L. Dandova el Praha, Dora Schönfelder el Dorfstadt i. V., L. Goldmanovna el Warszawa, D-ro Fenks el Lwow kaj altŝatata pastro A. Ce pro iliaj spertaj gvidadoj kaj sindonaj helpoj dum mia vojaĝo al, en Danzig kaj reen. Per ilia netaksebla esperantista helpo mi plene ĝuis la belecojn de nia jubilea kongreso.

* S-roj *Ernst Andersson*, Delegito de UEA, *Oskar Lindberg*, *Erik Ahlström* kaj *Rudolf Ahlborg*, ĉiuj el Malmö, tre dankas al jenaj delegitoj de UEA pro afabla prizorgo kaj gastigado dum libertempa vojaĝo: S-roj Max Blankenheim, Berlin; Emil Friebel, Dresden-Dobritz; Bruno Sündermann, Bodenbach; kaj Otto Ginz, Praha.

## Esperantista vivo

*Fianĉiĝo.* — S-ro *Mathieu Thielen,* ano de la grupo „Al Triumfo" en Saint Niklaas (Belg.), kun F-ino *Rosa Verheyen.*

— S-ro *A. Hornik,* Bucuresti, kun F-ino *Schewach,* Craiova, Rumanio.

— S-ro *Aleksandro Donenfeld* en Sosolowka, kun F-ino *Halina Domanska,* Del. de UEA en Rosochacz, Pollando.

— S-ro *J. Merchant,* prezidanto de B. E. A., kun F-ino *Alice M. Bewley,* sekretariino de la Federacio de Lancashire kaj Cheshire.

— S-ro *Chester H. Crossman* kun F-ino *Ethel M. Bowering,* en Summerberg, Kanado.

*Edziĝoj.* — S-ro *Gh. Atanasescu* kun F-ino *Valeria Savulescu,* S-ro *Jozefo Grün* kun F-ino *Bethina Zambilovici,* Bucuresti; S-ro *Segall, Jaŝi,* kun F-ino *Emma Stein,* Ploeŝti, Rumanio.

— F-ino *Caroline De Buyser,* anino de UEA en Antverpeno, kun S-ro *Nuyts,* ano de la grupo „Verda stelo".

— S-ro *Frans Verbuecken,* delegito de UEA en Herenthals, kun F-ino *Julia Goor.*

— S-ro *Maurice Boeren,* profesoro de Esperanto, komitatano de „Verda Stelo" kaj vicdelegito de UEA en Antverpeno (Berchem), kun F-ino *Marguerite Lamboray.*

— F-ino *Halina Domanska,* Del. de UEA en Rosohacz, Pol., kun S-ro *A. Denenfeldt.*

— S-ro *Algrain,* artileria leŭtenanto, filo de S-ino Algrain, MA de UEA, la agema vic-prezidantino de la Bruĝa grupo, kun F-ino *Laurent* el Bruselo.

— S-ro *Morris de Ketelaere,* vicdelegito en Antwerpen, kun F-ino *Maria Wouters.*

— S-ro *Justin Gaul,* ano de UEA en Borgerhout, Belg., kun F-ino *Maria Mannaerts.*

— S-ro *Mozes Weidenfeld,* Radauti, kun F-ino *Chajah Gelber,* Rumanio.

*Naskiĝoj.* — Al Ges-roj *Schelfhaut-van Brande,* el Sta-Nikolae, naskiĝis filineto nomita Josee.

— Al Ges-roj *H. E. Roberts,* en Accrington (Anglujo) naskiĝis filo nomita Jeffrey.

*Honoriĝo.* — S-ro *Otto de Beus,* Delegito de UEA en Culemborg, Nederlando, elektiĝis kiel skabeno de la urbo. Sinceran gratulon.

## Niaj mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-ro *Jozefo Popper,* Delegito de UEA en Cadca, Ĉeĥoslovakio, bone konata humora kaj ŝercema samideano.

S-ro *Edwin Marco Rumsey,* DM de UEA 183 en Salem N. J., Usono, 17 Aŭgusto 1927.

S-ino *Maria Mainardi Zerbinati,* edzino de nia Vicdelegito S-ro Giovanni Mainardi en Milano.

S-ro *Alexander Zubkus,* Delegito de UEA en Portsmouth N. H. Usono, 2 Julio 1927. De litova deveno, li lernis Esperanton antaŭ 20 jaroj kaj multe propagandis.

S-ro *Fran Kolar,* propagandisto en Zemun, Jugoslavio, 51-jaraĝa. Li tradukis la faman romanon de Aŭgusto Ŝenoa „La trezoro de l'orajisto" (Zlatorovo Zlato) el kroata lingvo en Esperanto.

S-ro *Ludwig Gube,* MA de UEA en Berlin. Li estis bone konata ne nur kiel multjara esperantisto, sed ankaŭ kiel fervora kunbatalanto, kiu senlace instruis en la grupo Berlin-Friedenau kaj kiel instruisto de Berlina Esperanto-Lernejo. Krom tio li estis vic-prezidanto de la Germana Esperanto-Asocio. Lia nomo okupos honorplenan paĝon en la historio de la Berlina movado.

S-ro *Egidio Spagnol,* pensiita instruisto, kunfondinto de Genova Esperanto-Unuiĝo, MA de UEA, 22 Aŭgusto 1927. Direktoro de la Liguria instituto li multe laboris.

S-ro *J. C. Rust,* pastro, dum 53 jaroj paroĥestro de Soham. Li estis klera lingvisto, kun bona scio pri la lingvoj hebrea, araba kaj siria, krom kelkaj modernaj. Grandaparte al li ni ŝuldas la tradukon de la Nova Testamento. La unua prediko en Esperanto estis tiu, kiun li faris ĉe la Geneva Kongreso en 1906. La esperantistaro longe memoros lian nomon kun respekto kaj amo.

S-ro *Charles Parker,* ĉe la insuloj Kermadec, 28 Marto 1927. Li multe propagandis ĉe la Labora Partio en Novzelando.

**Sinceran kunsenton!**

# AMUZO KAJ ŜERCO.

Red.: *Alessandro Mazzolini, FANO, via Garibaldi 20 (Marche, Italio).*

Solvojn senpere al la supra adreso. — La nomoj de la solvintoj estos publikigataj.

---

**Solvoj:** 156 = Parko, Porko. — 157 = (H)oro. — 158 = Fo rumo. — 159 = Cent avo. — 160 = Da mo no. — 161 = La riveroj.

---

162. **Simila al junaĝo.**

En okcident' de princoland' l' unua; | aŝer' al mono komparata estas | la dua: la tutaj' al ni prezentas | aŝeron al junaĝo similantan.

---

163. **Duvorta latina sentenco.**

Tag' senlabora por | rememorigi gravan | ĉu religian faktón, ĉu politikan.

Trilitera vorteto signifanta „virinan".

Adverb' nur teoria ĉar tute ne uzata: ĝi estas elvenanta de nomo vegetaĵa rememoranta supon pagita, ve, tro kare de filo de Isako.

---

164. **Alumetludo.**

El dekdu eroj | multvaloraĵo; | el samaj eroj | rimed' markota.

---

**Kvadrato.**

1, 2, 3: Fiksa punkt' de historio. — 2, 4, 5: Historia ŝtofo ĉiam | pli kreskanta, obliĝanta. — 3, 5, 6: Frato de brilfamilio, | kies glora patro estas | de l' ĉiel' varmega estro.

| | | |
|---|---|---|
| 1 | 2 | 3 |
| 2 | 4 | 5 |
| 3 | 5 | 6 |

---

165. **Alumetludoj.**

□M□ I□

Kvin el ĉi tiuj strekoj estas for | de sia loko por | la nomon aperigi | de antikva poeto.

---

166. SALO

Malpli ol du vi movu alumetojn | kaj de afero jen plej moviĝebla | la nomon de l' diaĵo.

---

167. **Plenigota versaĵeto.**

(El franca lingvo de F. Coppée).

**Ŝ*!**

F**gu al *i, *o ver*** | ki** l* pa**lio, | k** d* l' ore** ŝ** | iru al *ia k**': | ŝ* e**** *a pari***, *i ****s *a *adio, | l* st**' e* ** rig**do | k** s** ** bu*' ** fl**

# ŜAKO

Gvidanto: *Fr. Hájek*, Praha-Nusle, Přemyslovo nábř. 396. Ĉeĥosl.

Ĉion kio koncernas ŝakon, sendu senpere al la gvidanto.

---

**Problemo N-ro 207.**
*J. Smutný*, Hlohovec
(Originalo)



Blanko matas per la 3-a movo.

**Problemo N-ro 208.**
*B. Semerád*
(Nár. Politika 1912)



Blanko matas per la 2-a movo.

**Problemo N-ro 209.**
*G. Ernst*
(Fränk. Volksblatt 1911)



Blanko matas per la 4-a movo.

**Problemo N-ro 210.**
*H. T. Bailey*, London
(Originalo)



Sinmato per la 3-a movo.

N-ro 207 estas verketo de nia samideano J. Smutný, kiu estas jam de kelke da jardekoj konata al la tuta mondo per sia delikata ŝakarto. — N-ro 208 interesigas pro la kurioza ŝirmo de la kaŝita ĉevalo h6, krome de la modeleco de ĉiuj tri matbildoj. — N-ro 209 esprimas tre bele maloftan manovron, per kiu estas nuligata la defenda potenco de la kuriero e1. La reĝo estas tie logita ĝis h6, kiuloke ne estas plu eble antaŭmeti la kurieron. — En N-ro 210 oni ĉasas la nigran damon. Modernaj aŭtoroj rekomendas la purecon kaj materialan ekonomion en la sinmatoj. En tiu ĉi problemo estas eĉ la pozicio de nigra reĝo laŭregule pura.

---

*Solvoj de la problemoj:*

N-ro 203: 1. Df8—e8 ktp.
N-ro 204: 1. Dc8—e8 ktp.
N-ro 205: 1. Dh6—g7 ktp.
N-ro 206: 1. Tc3—c5, Re8×d4, 2. Tc5×d5++ ktp.; 1. Re5—d6, 2. Ĉe3—c4 + ktp.; 1. Ĉe7×c6+, 2. Tc5×c6 ktp. 1. Tg8—d8, 2. Ĉe3×g4+ ktp.; 1. post alia movo, 2. Tc5×d5+ ktp.

---

*Alvenis ĝustaj solvoj de la problemoj:*

N-ro 199 ĝis 202 H. Steding, Bremen; 199, 202 R. Koerselman, Voorst.

---

*Notoj kaj korespondo:*

Sendante la solvojn, oni povas simple noti sole la ŝlosilon de la problemo (unuan movon). — S-ro Steding. Oni ne konsilas presi la dumovulon Rh4, Re4, ĉar forestas la leĝo pri la materia ekonomio.

# REKLAMO

*MALLONGIGOJ:* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarkoj sur bildflanko.* kĉl. = *kun ĉiuj landoj.* Esp-aĵo = *Esperantaĵo.* fot-aĵo = *fotografaĵo.* gaz. = *gazeto.*

**Atentigo!**

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unufoje al la ricevitaj petoj, klarigante ĉu ili deziras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.

## Korespondado

Interŝanĝo de objektoj

### Averto.

(Sen respondeco de la Redakcio)

F-ino Sabina Giordani, Viale Friuli 13, Udine, Italio, avertas antaŭ anoncinto S-ro Takeo Karakawa, Denki Kogokuka, Kioto-Teikoku, Daigaken, Japan. kiu anoncis en „Esperanto“ sed ne respondis al senditaj al li poŝtkartoj.

### Belglando.

**Antwerpen.** S-ro Ad. Houben, Kemmelbergstraat 3, Berchem, PI, bfl, PM.

**Bruxelles.** S-ro V. Lamberts, 286 Bd. Lambermont, PM, sendas PM aŭ PI kontraŭ tutmondaj interŝanĝ-klubrevuoj.

**Kortryk.** S-ro César Vanbiervliet, Del. UEA, Wolvenstraat 3, deziras interŝanĝi PI (nepre bfl) kun samideanoj el Japanujo, Ainujo, Persujo, Turkujo, Grekujo, Egipto, Albanujo kaj Sirio. Respondas tuj kaj ĉiam.

### Britlando.

**London S. E. 6.** S-ro T. Glover, 5 Vancouver Road kĉl. nur kun plenaĝuloj. [Ne kolektas ion].

**Brightlingsea (Essex).** S-ro Kapitano Charles B. Morgan, 41 Church Road, PI bfl kun gesamideanoj ĉiulandaj. Nepre respondas.

### Bulgario.

**Burgas.** F-ino Donka Stefanova (Abiturientino), Luben, Karavelov 76, kun gesamideanoj el Azio, Afriko, Ameriko, Aŭstralio pri: filozofio, literaturo, vivo kaj aliaj temoj. Leteroj kaj ilustritaj kartoj. Certe respondas.

**Petriĉ.** S-ro Stojan D. Gjuzliev, lernanto, I, PK kĉl.

**Rusĉuk (Ruse).** S-ro Dimitr Ivanov, Vicdel. de UEA., str. „Prista“ 28 L, PI moneroj kun inteligentaj fraŭlinoj Esp.-aĵoj portretojn. Respondo garantiata

### Ĉeĥoslovakio.

**Aussig.** S-ro Karlo Hille, ĝardenisto Erziehungsheim Spiegelsberg, PI, L kĉl.

**Aussig.** S-ro Franz Bayer, instruisto Erziehungsheim Spiegelsberg, PI, L kĉl.

**Brüx.** S-ro Josef Beller, Teplitzerstrasse 37, L, PI, PM kun seriozaj kolektantoj.

**Červený Kostelec.** S-ro Zdeněk Skalský, fotografisto, PI, PM kĉl., ĉiam respondas.

**Dolní Kalná,** No 3. Podkrkonoší, S-ro J. Tauchmann kun Ĉinio, Japanio, suda Afriko kaj Aŭstralio pri div. temoj.

**Písek.** S-ro Ant. Franěk třída Svobody 166, PM, PI bfl kĉl. fotoj, Gaz. sendas unue, sed certe respondas PM malnova Aŭstrio, Bosnio-Herc., Montenegro, Ĉeĥoslovakio.

### Estonio.

**Narva.** S-ro N. Muurmetsä, Nabaduse 24.

### Franclando.

**Montbeliard.** S-ro Gustave Thom, 21 rue Belfort, PI, bfl, PM kĉl.

### Germanio.

**Breslau II.** S-ro Josef Mehl, Teichstraße 24, PK, L kĉl., certe respondas.

**Görlitz (Schlesien).** S-ro Erich Schipke, kompostisto, Neugasse 31, serĉas korespondantojn el ĉ. l., PI. L, PM.

**Magdeburg.** S-ro W. Hofmann, Pionierstrasse 8 I, serĉas eksterlandan korespondadon kun ne tro junaj geesperantistoj.

**Magdeburg.** Konvenan korespondadon serĉas por 200 gelernantoj (12—14 jaraj) kaj por 35 lernantoj de komerca lernejo (15—17 jaraj) Fritz Rockmann, komitatano de UEA, Sandtorstrasse 8, Magdeburg.

**Untertürkheim (Württemberg).** S-ro Karlo Schmauder, Mercedesstrasse 24, PM escepte Ĉeĥoslovakio. Ne sendas unue, certe respondas.

### Hispanio.

**Madrid.** S-ro F. Coronado Pastor, Cardenal Cisneros 15-1-0 izqa, PK, L kĉl. precipe kun fraŭlinoj.

**Palma de Mallorca (Baleares).** S-ro Bernardo Coll, strato Fábrica, 75. Interŝanĝi L, PI kĉl. Poŝtkartoj, nur kun poŝtmarkoj sur bildflanko.

**Palma de Mallorca.** S-ro J. Miró, str. Colon 22, PM kĉl., ankaŭ PM kun PI de nia belega insulo.

**Villanueva Minas.** S-ro Juan Mores, O. str. Cervantes 4, PM laŭkvante, Yvert.

### Hungario.

**Budapest.** S-ro József Gregorius, VIII., Aggteleki-ucca 5, PM, PI, bfl.

**Debreczen.** S-ro Nándor Czaban, komercisto, Cegléd-u. 22, PM kĉl., laŭ Michel.

**Debreczen.** S-ro Istvan Békés, Hüvelyes-u. 10 PI, bfl, PM, glumarkojn.

**Debreczen.** S-ro Jozsef Boczán, Hatvan-u. 2, PI, bfl, PM, glumarkoj, fotoj, esp.-aĵoj, gazetoj, libroj, muzik. ktp., ankaŭ por siaj kursanoj

**Debreczen.** S-ino Irén Szépláki, Póstaigazgatóság, poŝtoficistino, PI, bfl.

**Debreczen.** S-ino Terezia Kiss, Darabos-u. 41, por siaj gelernantoj PI, bfl.

**Debreczen.** S-ro D-ro Jenö Roncsik, fajrobrigadkomandanto, Csapo-u. 4, pri fakaferoj

**Debreczen.** S-ro László Böszörmenyi, studento, Miklós-u. 7, PI, bfl kĉl., PM, kun ekstereŭropanoj.

**Debreczen.** S-ro Zoltán Böszörményi, studento, Hatvan uccai kert, Halastó-ucca 10. PI, PM, kun ekstereŭropanoj.

**Jaszberény.** S-ro Aleksandro Strausz, Liliom-ucca 5, PI, L, prefere kun studentoj kaj orientaj samideanoj. Esp.-aĵojn, gaz., PM.

### Irlando.

**Dublin.** S-ro Vere O'Ratigan, instruisto, Ormonde Academy, Rathmines, L, PK, PI bfl, gazetojn. Nepre respondas. Temoj instruaj, komercaj, ĝeneralaj.

### Italio.

**Arezzo.** F-ino Corrado Ĉerri, deziregas ekkorespondi kĉl. (precipe kun Azio, Ameriko, Hispanio, Franclando, Greklando, Sovetio) kun ĉiuj. Petas precipe tutmondajn studentojn (mezlernejajn kaj universitatanojn — indiku fakultojn). Skribu letere sendante fotografaĵon kaj indiku aĝon. Mi nepre respondos same.

**Cellamare (Bari).** S-ro Amatore Laporta, seminaristo PM. PI, L.

**Milano 34,** S-ro P. Hitrow, via Tadino, 34, korespondas pri fondo de intern. esper. kolonio (urbo-parko), interŝ. PM laŭ Yvert.

**Roma 37.** S-ro Mario Enciolli, Via Nomentana 253, L kĉl., prefere kun studantoj.

### Jugoslavio.

**Senta.** Plezure korespondadus per PI, kaj let. kun seriozaj, eksterreŭropaj esperantist-in-oj Georjo Farkas Baráti, Del. de UEA.

**Senta.** S-ro Francisko Belecz, Vilsonova 5, PM kun eksterreŭropanoj, Islandanoj kaj Svislandanoj.

**Brza Palanka.** S-ro Nikora V. Baskakov, pastro PI, bfl kĉl.

**Novi Sad.** S-ro Antonio Lenhardt, Željeznička ul. 44, PK, PI, PM kĉl. precipe kun foto- kaj radioamatoroj. Nepre respondas.

**Sremska Mitrovica.** Du gajaj fraŭlinoj 22. j. deziras abundan kaj daŭran korespondadon kun junaj kaj seriozaj s-anoj, por amuziĝi kaj mallongigi la tempon. Unua: E. Mul, Niška ul 10, Dua: J. Volf, Niška ul. 16.

**Sremska Mitrovica.** S-ro Ladislav Jeler, Niška ul. 43, PK, PI, bfl kĉl., por pliperfektiĝi en la lingvo.

**Sremska Mitrovica.** S-ro Georg P. Radovanovic, Del. de UEA., Stara 26, L, PI, bfl kĉl. pri send-kaj akceptiloj de radiotelefonio, precipe kun anglaj kaj amerikaj amatoroj, interŝanĝas bildojn de radio-stacioj, pri popolaj vivo kaj moroj k. a. okazintaĵoj. Ĉiama kaj certa respondo garantiita.

### Kanado.

**Toronto, 5, Ont.** S-ro D. W. M. Jenkins. 514 Jarvis Str., L, PI kĉl. Socia vivo ktp.

### Kostariko.

**San José.** S-ro Alfonso Canossa, petas pardonon al siaj korespondantoj ĉar li pro privataj aferoj, forestas de la hejmo kaj ne plu povas korespondi.

### Kubo.

**Habana.** S-ro Augusto Arias Milán, Str. Empedrado 42, PI kĉl.

### Luksemburgo.

**Rodange.** S-ino Anny Schoeters, nur PM prefere valorajn kun seriozuloj, bagatelaĵojn ne akceptas.

### Nederlando.

**Amsterdam.** S-ro N. Zilver, Box H. S. P. 1055, Damrak 95, PM kĉl.

**Amsterdam.** S-ro J. P. Rosseel, Soestdijkkade 98, PI, L kĉl. Nepre respondos.

**Vught.** S-ino G. van Heeswijk, 13 I Kloosterstraat, PM.

### Pollando.

**Kolomea.** S-ro Antin Karatnyckyj, VD. de UEA, Jahajlonska 40, PM kĉl., ne sendas unue, ĉiam respondas.

**Zagozdzon.** S-ro Tomalik P. W., P., PM kĉl., laŭ Yvert.

### Rumanio.

**Braila.** S-ro Emanoil Catz, str. St. Petru 23, L pri div. temoj, PM.

**Lonea** [Jud. Hunedoara]. S-ro Tiĉa Branga, PI, PM, fotaĵojn kĉl. Ĉiam respondas.

### Sovetio.

**Harkov.** S-ro K. Hagman, ul. Artema 3, kv. 50, L, PI en hispana, portugala, itala kaj Esperanto. Respondas nepre en hispana kaj Esperanto.

**Perm.** S-ro Boris Fokeev, Ia. Proletarska 34, L, PI kĉl., ĉia temo.

### Svedio.

**Arlöv.** S-ro Gottfried Nilsson, Bostäderna, PI kĉl.

**Arlöv.** S-ro Siegfried Bielsten, Postfack 45, PI, L kĉl.

**Boras.** S-ro Henrik Molina, Elinsdal 7, L, PI kĉl.

**Falun.** S-ro Nils Ceder, korespondos kun du japanoj aŭ ĉinoj, kiuj emas ŝakludon kaj kun aliaj interesatoj pri filozofio, politiko ktp.

**Hudiksvall.** S-ro Werner Ödegard, ĉefredaktoro, korespondadas L, PI kĉl. precipe politikaj temoj, paco kaj kontraŭ-alkohola movado. Ŝanĝas ĵurnalojn.

**Malmö.** S-ro D. A. Svensson, Altonagatan 3, PI, L kĉl.

**Stockholm.** Ree komencis kurso por 14—16 jaraj mezlernejanoj en Beskows Skolan. Stockholm. Nur daŭra korespondado dezirata.

### Turkio.

**Aidin.** S-ro Ismail Bej, tajloro, rue de la gare, PK kaj profesia materialo.

**Aidin.** S-ro Mehmed Ali Bej, rue de la gare, neuzitajn PI por vendi.

**Smyrna.** S-ro Mehmed Emin, no. 360, Liceo, PI kĉl.

# Petoj kaj Proponoj

## Internacia Komerco

**Administrado de domoj.** Domadministradon kaj aĉeton de domoj en Berlin prizorgas rapide kaj fidinde. Ernst Nippert, Schlossallee 42, Berlin-Niederschönhausen.

**Adresŝanĝo.** S-ro J. Ravestein jr., del. UEA, sciigas al siaj eksterlandaj geamikoj, ke li transloĝiĝis de van Aersenstraat 200 al Acaciastraat 36 en s'Gravenhage (Nederlando).

**Adresŝanĝo:** F-ino Halina Domanska, Rosohacz, poŝto Jagielnica, Pollando, sciigas ko ŝia adreso ŝanĝiĝis pro ŝia edziniĝo. La nova adreso estas S-ino Halina Donenfeldova, Sosolowka, poŝto Utaszkowce [Wsch. Malopolska], Pollando.

**Apotekisto,** petas la filatelistojn kun kontraŭservo la interŝanĝon de poŝmarkoj de Aŭstralio, Ameriko, Afriko kaj Azio. Adreso: Slavko Stepinski, apotekisto, Bjelovar, Sudslavio.

**Agento.** S-ro John E. Cook deziras agi kiel agento pòr novaĵoj kiuj rapide vendiĝos. Sendu detalojn al 26, Reginald Road, Deptford, London, S. E. 8., Anglujo.

**Bankoficano,** depost 4 jaroj en la bankfako, antaŭe studinte 6 jarojn [matematiko k. a.], parolante france, angle, esperante kaj germane, deziras akcepti servon en banko aŭ eventuale alia komerca entrepreno eksterlande, por plivastigi siajn lingvajn kaj ĝeneralajn konaĵojn. Parizo aŭ Londono preferata. W. Bartel, Duisburg, Germanujo Falkstrasse 53.

**Damludaj Libroj,** ĉiuspecaj, ĉiulingvaj. Kvotu prezojn. Komuniku precizajn titolojn aŭtornomojn, statojn, formatojn, datojn, paĝonombrojn, enhavojn ktp., al Seelbach Checker, Service 3646, Laŭrence Avenue, Chicago, Illinois, USA (Usono).

**Edziĝo.** Arbara inĝeniero de pola-rusa deveno, mezaĝa amanta belecon en ĉiuj aperoj, deziras trovi per korespondado fidelan amikinon belan gracian vere inteligentan kaj bonkoran. Adreso: A. Golachovski, Oranyz, Vilenskiej, Pollando

**Eksporto.** La Komerca firmo The „Espero", Commercial Co., Pireo, Greklando kies fondintoj, S-roj Asimakopulo kaj Papadopulo estas la Prezidanto kaj la Sekretario de la Pirea Esperanta Grupo, anoncas al la interesiĝantoj ke ĝi akceptas ian ajn komision rilate la eksportadon de Grekaj produktaĵoj, t. e. tabakoj, figoj, sekvinberoj, vinoj, ktp. Ĝi ankaŭ akceptas komercajn reprezentadojn el tuta eksterlando. Adreso: The „Espero" Commercial Co., Pireo, Greklando.

**Filatelistoj.** Kun seriozaj kolektantoj mi interŝanĝus P.M. kĉl., minimuma sendaĵo 100 ekzempleroj, S-ro Crecchia Alfredo, via Adda 45, Roma [34.].

**Filatelistoj.** Sendu al mi el via lando 100—200 diversajn PM, vi certe ricevos de mi saman kvanton de sama valoro. S-ro Karl Mayr, Hochpoint 19, Wels, Aŭstrio.

**Fotografaĵoj** de la XIX-a kongreso en Danzig kaj en Varsovio estas aĉeteblaj por 0.15 USA dol. po unu ekzemplero aŭ egalvaloro en alia mono. S-ro Golosow, fotografisto, ul. Chmielna 8, Warszawa, Pol.

**Franca lingvo.** Lernu francan lingvon rapide! Postulu informon. Pago po leciono aŭ po kurso. Professeur Bousquet, Impasse Lefort 11, Le Havre, France.

**Ginz.** Plej sinceran dankon por la multegaj afablaj gratuloj venintaj al nia geedziĝo Neniel estas eble esprimi la dankon aparte por ĉiu. Geedzoj Ginz.

**Herbalismo.** Kuracado per la Botanika Sistemo [Herbalismo]. Pro grava demando' angla kuracisto deziras sciiĝi ĉu praktikistoj de la supra sistemo estas ie oficiale registritaj. Skribu unue al S-ro W. Severn, 8, Comer Road, Worcester, Anglujo.

**Heroldo** 1927, N-ro 1 **serĉata!** Ni serĉas 2-3 numerojn de „Heroldo de Esperanto", 1927, N-ro 1 kontraŭ pago aŭ alia kompenso. Sendu tuj al Internacia Centra, Komitato de la Esperanto-Movado, 12, Bd. du Théâtre, Genève.

**Homara interkonsento** serĉas en diversaj landoj oficistojn kaj oficistinojn, kiuj senpage akceptas formi grupojn de „Tutmonda Interkonsento de la Oficistoj" Adresu al S-ro K. Behrle, Liebigstrasse 35, II, Berlin O 112, Germanujo.

**Instruisto** en Kanado volas interŝanĝi PI kun aliaj geinstruistoj en Eŭropo aŭ Azio. La celo estas ricevi interesajn informojn pri la landoj kaj loĝantoj de ĉiuj lokoj por uzado en la lerneja laboro. Similaj servoj promesataj returne. Adreso: H. M. Rayner, Jasmin, Sask, Canada.

**Internacia Unio Esperantista,** celo: morala kaj materiala intersubteno, helpo al komencantaj profesuloj kaj studentoj, al malriĉaj kaj malsanaj samideanoj, fondo de sendependa internacia kolonio. Senpagajn informojn: „Esperanto-Unio", Berlin-Charlottenburg 2, Fach 18.

**Juua studento,** 22 jara deziras daŭrigi pluan studadon en Francio aŭ Germanio aŭ Svislando [inĝeniera fakultato]. Pro malriĉo serĉas fraŭlinon aŭ junan vidvinon havantan sufiĉan monrimedon por subtenadi lian studadon kaj samtempe celanta feliĉan edziĝon, estontan. Korespondado esperante kaj iom france kaj germane. Adreso: A. Jarakev, Gara Gorna-Orehovica, Bulgario.

**Karakterpriskribado** el manskribo, prezo UEA-bileto de 5 sv. fr., 1 dolaro aŭ samvaloro: F-ino G. de Waart, Box 23, Hilversum, Holland. Sciigu sekson, aĝon, naciecon. Rekomendita respondo.

**Nova Esperanto-helpilo.** Kvartetludo (kartludo) en Esperanto. La uzo estas instrua kaj plezura. Unu kvartetludilo (enhavanta 48 kartojn kun Esperantoteksto kaj detalan ludregularon) kostas kun afranko 2 sv. fr., pagebla per poŝtmandato. Mendu ĉe: Conrad Schuhler, Saarbrücken [Saarteritorio] Heudukstr. 23.

**Ofico.** 20-jara abiturento de Komerca lernejo, serĉas iun ajn okupon komercan aŭ alian. Kiu scias pri tiu loko, mi petas afable skribu baldaŭ al: M. Jagoda, del. de UEA., Ostroleka, Skrynka poszt. 3 [woj. Bialystok].

**Pardonu.** Koncerne miajn anoncetojn en „Heroldo" kaj en „Esperanto", mi ricevis preskaŭ 500 korespondaĵojn. Ne estas eble por mi respondi ĉion aparte. Unu parton mi jam respondis. Sed la reston mi ne povas respondi. Per ĉi tiu anonceto mi esprimas mian dankon kaj petas pardonon de ĉiuj, kiuj ne ricevis respondon. S-ro Siswosoedirdjo, instruisto, Tjepogo Bojolali, Java.

**Peto pri helpo.** Malriĉa vidvino jam depost 17 jaroj malsana, en granda mizero kun infanoj petas bonhavajn samideanojn je helpo. Indecon konfirmas pastro Käding, Schloen apud Kl. Plasten, Meckl., Germanujo, Poŝtĉekkonto Berlin 157 350

**Poŝtkartvespero.** Bonvolu sendi poŝtkartojn por sukcesigi poŝtkartan vesperon de la „Hither Green Esperanta Rondo" je la 25-a Novembro. Sendu al S-ro W. Lester, 10 Ryecroft Road, London S. E. 13.

**Reprezentado..** Aktiva makleristo disvendos fremdlandajn profitigajn komercaĵojn, kaj faciligos aĉeti en Hispanujo naciajn komercaĵojn, speciale korkon kaj korkaĵojn. Skribu hispane, france aŭ esperante. Vicente Moreno, paseo Extremadura 90. Madrid.

**Smederevo.** Dragan N. Dimitrjevic, doktorano de juro, Knez Mihajlova ul. 1 korespondas kun samideanoj — samideaninoj el ĉiuj landoj pri diversaj temoj. Laŭ deziro sendas senpage PM, PI gazetojn, rezuojn ktp. Donas informojn pri balkanaj problemoj. Kun jurist[in]oj pri aktualaj juraj problemoj, speciale I. E. J. S. Ankaŭ pri eldonado de esperanta jurista gazeto. Skribu tuj, nepre respondas.

**Teknika komercisto** kun riĉaj spertoj serĉas direktoran postenon. W. Wania, delegito de UEA, Komotau, Gerhart-Hauptmann-Straße 24.

**Tri-Ergon.** La kongresanoj nericevintaj en Danzig la donacon de la „Tri-Ergon" diskofabrikejo bonvolu informi pri tio aldonante la kongreskarton rekte al la donacinto: Tri-Ergon, Chausseestrasse 254, Berlin-Mariendorf, Germanio.

**Vendas kolektojn** de „Esperanto Triumfonta", „Heroldo", „La Movado", „Policisto" kaj aliajn esperantajn publikigaĵojn. D-ro Bruck, Internacia Instituto de Agrikulturo, Villa Humberto I, Roma, Italio.

**Vitro pentrado.** Pentri sur vitro povas ĉiu ellerni facile kaj rapide. Skriba kurso en Esperanto enhavanta tri malgrandajn paĝojn kostas Kč 20.— kun aldonita pentrita vitro kiel specimeno. Afrankite sendos por antaŭe sendita mono M. Görtlerová, Praha-Nusle 207, Ĉeĥoslovakio. Demandojn oni respondos por antaŭe sendita sumo Kč. 5.—.

# Libroservo de UEA
# BIBLIOTEKO TUTMONDA




**Serio I-a** (numeroj 1—10)
Fr. sv. 5,50

**Enhavo:** Mérimée, Mateo Falcone kaj aliaj rakontoj. El la Franca trad. Borel. — Van Eeden, La malgranda Johano. El la Nederlanda trad. Bulthuis (3 N-roj). — Baudoin, La Arto de Memdisciplino (Psikagogio). Originalo. — Karinthy, Norda Vento (novelkolekto). El la Hungara trad. Bodó. — Inglada, La Sismologio (tertremoj, vulkanoj). Originalo (2 N-roj). — Bratescu-Voinesti, Niĉjo Mensogulo kaj aliaj noveloj. El la Rumana trad. Morariu. — Penndorf, El grekaj papirusoj. Originalo.

**Serio II-a** (numeroj 11—20) Fr. sv. 5,50

**Enhavo:** La Aventuroj de Munchhausen. El la Angla trad. Applebaum (2 N-roj). — Puŝkin, Kapitan-filino. El la Rusa trad. Ŝidlovskaja (2 N-roj). — Collinson, La Homa Lingvo. Originalo. — Korĉak, Rakontoj Bonhumoraj. El la Pola trad. Weinstein. — Bujwid, Higiena Vivado. Originalo. — Babits, La Cikoni-kalifo. El la Hungara trad. Bodó (2 N-roj). — Bovet, La instinktoj de la infanoj kaj ilia valoro por la edukado. Originalo.

**Serio III-a** (numeroj 21—30) Fr. sv. 5,50

**Enhavo:** Kamaryt, Kemio en la hejmo. Originalo (2 N-roj). — Korolenko, La Songo de Makaro. El la Rusa trad. Ŝidlovskaja. — Kenn, La Penso de Konfucio. Originalo. — Konstantinov, Elektitaj felietonoj kaj rakontoj. El la Bulgara trad Krestanoff. — Por la ceteraj kvin numeroj la temoj ankoraŭ ne estas definitive elektitaj.

La unuopaj kajeroj estos sendataj al la mendintoj tuj post ilia elveno

☛ **Rabato por anoj de UEA: 20 %** ☚

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO
**12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando)**

ESPERANTO-PRESEJO PAUL GÖRING, MAGDEBURG-N.